# LITERATURA MONDO

efredaktoro: K. Kalocsay

Literatura, arta monata revuo

Dua periodo — Tria jaro



Febr.-Marto 1933

2-3-a numeroj

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7, Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 1·80, duonjaro: 1·—, unu ekz.: 0·20 USA dolaro, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

ĈEFKUNLABORANTOJ: J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallin), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnavá), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové*.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sévres
**Germanujo:** Postĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11. La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.
**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata *11*.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Uŝigomeku, Sin Ogaŭamaĉi III.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

# PLI BONE OL VENĜI

## Dramo en tri aktoj

KAN KIKUĈI

AKTO I.

(La domeĝo de Saburobjoe Nakagaŭa ĉe Taŭara-
-i en Edo. Lunluma nokto frue en la aŭtuno de
jaro de Enkjoo (1746).
Antaŭ la kurten-leviĝo kolera voĉo tondras:
ndo! Senhonta Hundaĉo! elingiĝo de glavo aŭdiĝas
bruo de rapide moviĝantaj piedoj. Kaj la kurteno
ĝas. La sceno prezentas la apartan pavilonon ĉe la
ieĝo de Saburobjoe Nakagaŭa. Maldekstre troviĝas
ibua barilo, trans kies supro en iom granda distanco
ĝas la ĉefloĝejo. Aŭtunaj herboj kreskas en la
ita ĝardeno. La pavilono estas ĉirkaŭata maldekstre
fronte de verando. Iom maldekstre estas ornam-
ovo kun lakita kirasujo. Apud la alkovo staras bufedo
du-folda ekrano staranta dekstre de ĝi. Kiam la
eno leviĝas, Saburobjoe, grizkapa kaj svinganta
ĝan glavon, penadas dishaki Iĉikuroo'n. Iĉikuroo,
iante sin malantaŭ la ekrano, baraktadas por for-
. La konkubulino, Ojumi, ŝtelmalfermante la glit-
don malantaŭ la ekrano, ŝajne intencas forkuri
ie.)

*Iĉikuroo* (per voĉo tremanta de malespero kaj
oro). Pardonon, mia sinjoro. Mi ne estis mallojala.
olute mi faris nenion mallojalan. (Protestante ser-
vojon por forkuri, sed ĉar la korto estas ĉirkaŭata
barilo, ŝajnas, ke kurante tien li nur donus al li sia
ekutanto eblon por ke li svingu sian longan glavon,
i daŭre senespere ŝirmas sin malantaŭ la kolono.)

*Saburobjoe* (per stertora kaj streĉa voĉo). Fermu
buŝon. Fermu la buŝon. Vi, malkuraĝa hundo.
ĝi la vivon de mi.

*Iĉikuroo.* Malvero ĝi estas. Malvero ĝi estas. Ĝi
ja estas granda — Tia afero kun la sinjorino — Ĝi
ja estas granda eraro.

*Saburobjoe.* Sufiĉe!

(Saburobjoe saltas antaŭen kaj, evitante la kol-
onon, ekbatas. Iĉikuroo elturniĝas dekstren. Saburobjoe
retiras la glavon kaj bat-atakas de dekstre. Iĉikuroo
elturniĝas maldekstren.)

*Saburobjoe* (incitite). Diablo!

(Saburobjoe ĉirkaŭiras la kolonon. Iĉikuroo ĉir-
kaŭiras kun li tri aŭ kvar fojojn, poste li fine elpel-
iĝas el la malantaŭo kaj, saltinte malsupren de la
verando, unu fojon ĉirkaŭkuras en la korto. Sed la
heĝpordo estas fermita. Se li haltus por ĝin malfermi,
certe li estus batita de malantaŭe, li do turnas sin
denove, preterlasas Saburobjoe'n kaj, suprensaltinte en
la ĉambron denove, estas forkuronta tra la glitpordo,
kiam lia mano okaze tuŝas kandelabron tie starantan.
Ĝuste tiam Saburobjoe atingas lin kaj donas al li
negravan grataĵon sur lia ŝultro.)

*Iĉikuroo.* Ha! (Ekkriante en teruro, senkonscie
ĉirkaŭsvingas la kandelabron en sia mano. La kandelo
estingiĝas kaj, lumigata nur de lunradioj, la sceno
fariĝas mallumeta.)

*Saburobjoe.* Hundo! Ĉu vi levas la manon kon-
traŭ via sinjoro, fripono! (Atakas lin pli furioze ol
antaŭe. Ili sin ĵetegas unu sur la alian sovaĝe kelkajn
fojojn. Persekutita tre apude, Iĉikuroo nun estas en
danĝero. La pinto de la glavo de Saburobjoe fine
ekbatas lian vizaĝon apud la orelo.)

*Iĉikuroo.* Ho! (Kun krio de konsterno, li turnas



lor Nagy: *Majstro, kie vi loĝas?*

# GEŜO-KANTOJ

INTIMECO

*Ambaŭ*
*en sia eta ĉambro*
*for de aliaj,*
*for de la viv'. Silento*
*farita de l' bolanta akvo.*
*Ŝi diras: »Aŭdu!*
*Ĉe la pinsupro, vento!«*

VARMEGO

*Urbon Tagmez' eniris en trankvilo:*
*ne movas sin folio.*
*Sur ŝnuro de l' preĝeja sonorilo*
*dormetas papilio.*

PASIO

*Kiel la neĝo*
*akumuliĝas ĉe la horizonto,*
*sur Fuji-monto,*
*— miaj deziroj . . .*
*Ne zorgas mi pri onidiroj!*
*Se disvastiĝus mia malbonfamo,*
*mi eĉ fierus vante!*
*Homopinio . . .*
*Nekomprenebla estas nia amo.*
*Ĉiuj deziroj miaj*
*akumuliĝas, celadante*
*tiun unikan zorgon:*
*doni al li tute,*
*absolute,*
*mian korpon!*

AMROMPIĜO

*Sur sekfolioj jen foriĝas paŝoj.*
*Meditas mi pri multaj ajoj.*
*Vespero. Malfeliĉo.*
*Sur nuda branĉo*
*sidanta korvo.*
*Aŭtun-finiĝo.*

SENHELPECO

*Mi volus al li skribi:*
*penpeza ĉi afero!*
*»Diru al mi kelkaĵon,*
*blanka papero!«*

AMEMO

*Kial la lun', aŭtune,*
*ĵetas sur la montaron*
*delican klaron?*
*— Por ke ni povu nombri,*
*ambaŭ kune,*
*tiujn acerfoliojn,*
*kiuj defalas lante,*
*pounu defalante . . .*

Tradukis: *G. Waringhien.*

---

sin senespere kaj komencas batali sovaĝe. Unue li ĵetas la kandelabron kontraŭ la atakanton. Batita de ĝia akra pinto sur la vizaĝo, Saburobjoe ŝanceliĝas. Intertempe, Iĉikuroo elingigas la glavon ĉe sia talio. Senvorta kaj senespera batalo komenciĝas. Saburobjoe suferas malavantaĝon havante longan glavon batantan la plafonon de tempo al tempo. Interbatalante ili alpremiĝas proksimen al la verando. Iĉikuroo, veninte sur la verandon la unua, sensingarde ekglitas kaj faletas sur unu genuon. Triumfe Saburobjoe levas la glavon por bati, sed, tro rapidante, li maltrafas kaj entranĉas profunde en la trabon kurantan super la kapo inter la ĉambro kaj verando. Ĝojigita de tiu ĉi ĉieldonita okazaĵo, Iĉikuroo, ankoraŭ sur unu genuo, batas per sia glavo liajn ripojn. Kun krio, Saburobjoe falas renverse.

Iĉikuroo, kiel homo batita ĝis sensento, sterniĝas sur la verando kaj restas tie, eligante mallaŭtan ĝemon.

Du aŭ tri minutoj pasas, dume escepte la ĝemadon de Iĉikuroo kaj la mortantan Saburobjoe'n, nenio okazas sur la scenejo. Iĉikuroo fine levas la vizaĝon kaj rigardas la ankoraŭ tremetantan korpon de sia mortinta mastro. Kiam la tremado tute ĉesis, subite, kvazaŭ pelata de memriproĉo, li reprenas la glavon kaj estas sin mortigonta tratranĉante la ventron. En tiu momento la ekrano en angulo de la ĉambro moviĝas. Ojumi aperas. Ŝi estas pala kaj iom tremetas, sed penas kaŝi sian internan panikon.)

*Ojumi* (rigardante okulangule al Iĉikuroo sin mortigonta). Vere mi timis pensante, kiel tio finiĝos. Mi staris malantaŭ la ekrano retenante la spiron kaj timante, ĉu ne estas jam mia vico, se vi estus disfendita. Mi estis tentata forkuri, sed mi havis senton de lojaleco al vi ŝajne mortigota. Sed vere vi estis bonŝanca, ĉu ne? Ankoraŭ vi ne estas ĉe la fino de via sorto. Veninte ĝis ĉi tio, ni ne devas perdi tempon senutile, tuj ni kolektu la tutan monon en la domo kaj forkuru. Oni ŝajne nenion rimarkis en la ĉefloĝejo, nun estas tempo prepariĝi. Venu, ni serĉu la monon en la domo.

*Iĉikuroo* (dum la virino parolas, jam forlasinta la ideon morti. Sed ankoraŭ li restas gapa kaj konfuzita.) Ha, mi faris teruran aferon. Perfide mi mortigis la mastron.

*Ojumi* (ne donante atenton al liaj vortoj). He, nun ne estas tempo lamenti. Vi ne estas vireca. Streĉu viajn fortojn. Mi pretigos min, dume vi serĉu la monon.

*Iĉikuroo.* Ha, estas terure. Mi estas mortiginto de la mastro. Mi mortigis la mastron, krimo puninda per krucumo.

*Ojumi* (provante lin levi). Ĉu vi ne batalis por via vivo je ĉiu risko? Jen, tuj vi devas esti preta.

(Iĉikuroo, kiel pupo en la manoj de la virino, stariĝas kaj, tenante sin fore de la kadavro de Saburobjoe, iras al la bufedo kaj komencas en ĝi serĉi. Sangaj fingroj lasas la makulojn glueme tie kaj ĉi tie sur la blanka vejnaro de *paŭlovnia* ligno. Ojumi iras en la najbaran ĉambron kaj baldaŭ revenas rapide kun pakaĵo kovrita per tuko.)



Sándor Nagy: *Studkapo.*

*Ojumi.* Kiom estas?

*Iĉikuroo* (per mallaŭta voĉo). Nur unu paketo de kvin rjooj[1] per niŝugin-aj[2] moneroj.

*Ojumi* (mem irante al la bufedo kaj bruserĉante inter ĝiaj enhavaĵoj). Kion ni povas fari per tiel malgranda sumo? Serĉu en la kirasujo. Tie povus esti mono por militiro aŭ alia.

*Iĉikuroo* (iom pli vigle ol antaŭe, malfermante la kirasujon kaj suprentenante la kirason kaj ĝin svingante). Ankaŭ tio ĉi estas malplena.

*Ojumi* (bedaŭrante). Li estis konata avarulo, ĝi do eble estus kaŝita en vazo aŭ io simila kaj enterigita. Ni ne povus trovi ĝin rapide. Venu, ni estu kontentaj per tio kaj ni foriĝu antaŭ ol iu nin vidos.

(Iĉikuroo purigas siajn sangmakulitajn manojn en pelvo kaj refirmigas la zonon.)

*Ojumi* (okaze turnante siajn okulojn al la kadavro de Saburobjoe). Tio ĉi estis mia mastro, de kies bonkoreco mi dependis ĉirkaŭ du jarojn. Do, mi montros mian respekton kaj adiaŭos. (Levas unu manon kaj sin klinas.)

(Iĉikuroo surgenuiĝas silente kaj kunpremas la manojn antaŭ la kadavro. Ili ekiras.)

*Ojumi.* Vi havas la ŝlosilon por la malantaŭa pordo, ĉu ne?

*Iĉikuroo.* Tio estas mia devo. Ĝi ĉiam estas ĉe mia talio.

*Ojumi.* Vi ĝuste estas tiu homo, ĉu ne? (Ridas alloge.)

(La lunlumo nun brilas pli hele. Kiam ili malŝlosas la heĝpordon kaj eliras, la voĉo de la nutristino aŭdiĝas kantanta en la ĉefloĝejo.

1 Antikva japana monunuo, ĉirkaŭ 10 spesmiloj.
2 Antikva arĝentmonero, duono de *rjoo*.

Kiomjara estas la fraŭlino Luno?
Dek-tri kaj sep.
Ŝi ankoraŭ estas juna.
Iru aĉeti teon.
Iru aĉeti oleon.

Per soleca voĉo malgranda knabo kantas la kanteton ripete.)

*Iĉikuroo* (kiam li ekiras el la heĝpordo, ĉarmite de la infana kanto.) Ha, ĝi estas la knabeto!

*Ojumi* (irante el la pordo.) Hola! Kion vi faras revante tie? (Forte tiras lian manon.)

(Ili eliras. Dum la luno brilas kaj la kantado daŭras en la domo, la kurteno falas malrapide.)

## AKTO II.

### *Sceno I.*

(Antaŭ la ripozejo mastrumata de Iĉikuroo kaj Ojumi ĉe montopasejo Torii sur landvojo Kiso. Du aŭ tri jarojn post la okazaĵoj en la Akto I. Vasta pajltegmenta domo kun terplanko okupanta ĝian dekstran duonon. La maldekstra duono estas muro. Sur la muro troviĝas pordo. Sur la duono de la terplanko, artemiziaj rizkukoj, fab-ĵeleo kaj sekigitaj persimonoj estas elmontrataj por vendi. Tie kuŝas du longaj benkoj, kaj sur la paperitaj glitpordoj estas skribitaj »Poligono« kaj »Varma Rizbrando.« La fono prezentas kriptomerian arbaron. Maljuna ĉerizarbo etendas siajn branĉojn super la domon. Ĝiaj burĝonoj estas ŝvelontaj.

Kiam la kurteno leviĝas, la ĉevalisto, Gonsaku, alligLinte sian ĉevalon al kriptomerio apud la domo, sidas sur unu el la benkoj kaj parolas internen al la butiko.)



Sándor Nagy: *Ave Mirjam.*

*Gonsaku.* He, aŭskultu! Ne parolu tiel kruele. Konto estas konto, negoco estas negoco. En la printempo mi gajnos veton, kaj pagos por ĉio. Venu, ĉu vi ne volus ĉesigi la grumblon kaj pretigi por mi unu botelon? (Respondo ne venas.) He, aŭskultu! Neniu venos plu, se vi estas tiel malica. Kvankam restis ŝuldo, ĝi ne povas esti pli ol unu rjoo aŭ du buoj[1] pli. Kiam la vojaĝantoj iom plimultiĝos, tiel malgrandan sumon oni akiros per unu- aŭ du-taga laboro, ĉu ne?

*Ojumi* (ekster la vido). Se vi estus tia homo, kiu honeste alportus al mi la perlaboritan monon, mi fidus vin eĉ por kvin aŭ dek rjooj sen ia ajn vorto. Sed vi taŭgas por nenio, akirinte du buojn aŭ eĉ nur du ŝuojn[2], vi iros al Jabuhara por ĝin doni al malmultekosta publikulino, aŭ por ĝin vetperdi, ĉu ne?

*Gonsaku* (forlasante la benkon kolere.) Ne estu aroganta. Dank' al kiu estas eble, ke paro da friponoj kiel vi daŭre vivas maltime sub la vizaĝo de la suno? Fi, mi ne forgesas, estis la tagon post Higano en la antaŭlasta jaro, ke mi aŭdis pri hommortigo en tiu ĉi flanko de Jahubara; mi aliris kaj trovis, ke la mortinto estas maljuna vojaĝanto ĉirkaŭ sesdek jaroj. Kompatinde li estis prirabita je ĉio, de la vestaĵoj ĝis la vojaĝglavo, sed tabakujo falis kaj estis lasita malantaŭe. Ĝi ne estas posedaĵo de maljunulo, mi pensis, kaj kiam mi rigardis ĝin pli atente, mi surpriziĝis. Mi sentis, ke mi vidis ĝin ie antaŭe. Esplorinte ĝin zorgeme, mi eksciis, ke la sento estis vera, ĉar ĝi estis tabakujo fabrikita en Edo, malofte trovebla en la Kiso-Montaro.

*Ojumi* (ankoraŭ nevidebla.) Ĉu vi ne havigis al vi rizbrandon per tiu rakonto pli multfoje ol vi povas rememori? Se ĝi estas via rakonto, ankaŭ mi havas ion por diri. Mi ne memoras la daton ekzakte kiel vi, sed ĉiuokaze estis en la somero de la lasta jaro, kiam la pilgrimado estis ĝenerala kaj ĉiu kun ombrelo kaj bastono pasadis laŭ tiu ĉi vojo sinsekve. Iun vesperon malforta knabino de dekses aŭ deksep jaroj alkuris plorante, ni do envenigis ŝin kaj tiam ni trovis, kio estis la afero; nia surprizo estis granda. Ĉe la enirejo de montopasejo Torii, ŝin atakis ĉevalisto, kiu ŝin subpremis kaj rabis al ŝi la tutan monon, kiun ŝi kunportis por la vojaĝo. Kiam ni demandis, kiel li aspektis, ni eksciis, ke li havis brovojn densajn kiel raŭpoj kaj —

*Gonsaku* (ridante maldolĉe.) Fi! Se ĝi estas via rakonto, mi havas ion por aldoni al ĝi. Tiun malfortan knabinon alkurintan plorante . . . kiu estis, kiu ŝin trompis per ŝajna bonkoreco kaj forvendis ŝin kiel servistinon de teejo en Hukuŝima?

*Ojumi.* Ĉu vi do pensas, ke mi havigos al vi ĉion laŭ via volo? Se vi venos kun saĝa materialo, ankaŭ mi renkontos vin kun la samo. Sed aŭskultu, Gonsaku, ĉu vi iam aŭdis la proverbon »Kiam vulpo estas kaptita, melo ne estas trankvila«? Mi ĉiam pensas tiel. Se iu devas iri en malluman ĉelon, ju pli multe da kompanio, des pli bone, vi scias. Vi aŭ tia homo, kiel tiu Tacuzoo en Narai, eble honorus min per tia amikeco, ĉu ne?

*Gonsaku* (forironte.) Ne minacu min. La plej malbona, kio povus okazi al mi, estus dumviva mallibero. Mi ne povas toleri, ke oni min metu en la saman vicon kun tiaj pendigotoj kiel vi ambaŭ. (Kolere malligas la ĉevalon kaj estas forironta.)

*Ojumi* (aperinte sur la terplanko la unuan fojon

[1] Antikva monero, kvarono de *rjoo.*
[2] Antikva monero, kvarono de *bu.*

# Brikoj

**— Brian Price Heywood —**

*Sur ĉiu verda kampo kaj paŝtejo,*
*En kiu lastan jaron la tritiko*
*Balancis sian kapon, aŭ hordeo*
*Bruflustris neniajojn al formiko,*
*Aŭdiĝas nun nur senespera veo!*

*Okazas io nedireble aĉa,*
*Diabla, krima kaj hontinda ago . . .*
*Ne plu bovinoj surgenue maĉas*
*La riĉan herbon dum junia tago . . .*
*Nun laboristoj tie mukon kraĉas!*

*La ranunkolo kaj la ruĝpapavo*
*Jam makuliĝis de kalkeca koto;*
*Ne plu vespere sonas tril-oktavo*
*De iu merl': ĝin anstataŭis froto*
*De miksilegoj por cementa lafo.*

*Ho, brikoj, brikoj! sataj neniame,*
*Ankoraŭ ne kontentaj post formanĝo*
*De tutaj veiddeklivoj, volas same*
*Engluti tiun ĉi! Aĥ, kia ŝanĝo*
*Okazas kie mordas vi ruĝ-flame!*

kaj formetante la tason uzitan de Gonsaku). Gonsaku! Ĉu vi ne havas eĉ monon por pagi la teon?

*Gonsaku* (montrante abomenon.) Trudpetemulino!

(Gonsaku foriras kun tintanta ĉeval-sonorileto. Kvankam iom banale, estas bone igi Gonsaku'n kanti la kanton, »Kiso Buŝi.« Ojumi ordigas la teilojn kviete. Dum ŝi agas tiel, Iĉikuroo elvenas el la pordo maldekstra sufokante oscedon. Sur lia vizaĝo vidiĝas iom pli da friponeco ol en Akto I, kaj li portas malnovan veston de flaveca silko ĉirkaŭvolvita ĉe la talio per tri-futa zono. Ekvidante lin, Ojumi parolas maldelikate.)

*Ojumi.* He, jam batis la oka horo. Eĉ se vi havas nenion por fari, vi estas tro mallaborema. Se vi ne strecos viajn fortojn iomete kaj nun ne faros ion, ĉe ni ne restos plu eĉ simpla monero.

*Iĉikuroo* (ĵetante ekrigardon al Ojumi iom malbonhumore.) La suno estas varma, ĉu ne? Jam ĉio estas en printempo.

*Ojumi* (eksidante sur benko, komencas fumi.) Kion vi diras tiel ludeme? Post longa vintra vivado, ĉe ni restas preskaŭ neniom el la kvindek rjooj, kiujn vi akiris la lastan aŭtunon. Kvankam ne estus senbezone, ĉar ni duope fordrinkas ĉirkaŭ ses litroj da rizbrando ĉiutage.

*Iĉikuroo* (mallevante la kapon.) Ne tio estas la kaŭzo, sed lastatempe mia kapo estas tre peza kaj mi estas tiel malgaja, ke mi povas fari nenion. La printempa varmeto povas esti malbona por la sano anstataŭ bona, ĉu ne?

*Ojumi* (malpacience.) Prefere ol paroli tiamaniere, vi devus kolekti viajn fortojn, kiam bona birdo venas en vojaĝo.

*Iĉikuroo.* He, ĉu vi ne lasus min fumi?

(Ojumi transdonas sian tabakon kaj pipon al Iĉikuroo, kaj li ekkaŭras laŭ la muro apud la pordo kaj fumas. Junaj geedzoj en vojaĝo alproksimiĝas.)

*Juna Edzo.* Ha, ni jam devus vidi la urbeton Jabuhara.

*Juna Edzino.* Oni diris ĉe la montpiedo, ke se ni iros kvar kilometrojn supren, ni vidos ĝin malsupre.

*Juna Edzo.* Ĉu vi ne estas laca?

*Juna Edzino.* Ne.

*Juna Edzo.* Jen estas teejo. Ni ripozu minuton.

(Ojumi vidas ilin kaj salutas kun vizaĝo plena de rideto.)

*Ojumi.* Venu, bonvolu sidiĝi. Vi devas esti lacaj. Sur tiu ĉi vojo de montoj kaj montetoj, vi devas trovi la vojaĝon tre malfacila kun malforta kunulino.

*Juna Edzo* (sidiĝante kun sia edzino.) Mi aŭdis, ke tiu ĉi montopasejo estas la plej kruta loko dum la vojo: ĉu ĝi iras malsupren de ĉi tie?

*Ojumi.* Jes, jes. Tiel ĝi iras. Rigardu, ĉu vi ne vidas, kie la valo malfermiĝas kaj la tritikaj kampoj etendiĝas?

*Juna Edzo* (ekstarante sur la piedpintoj.) Efektive.

*Ojumi.* Tiu linio de pinoj en la mezo estas la landvojo kondukanta al Jabuhara. Rigardu, rigardu, vi vidas tiun grandan tegmenton brilantan en la posttagmeza sunbrilo, ĉu ne? Tio estas la templo Mjoohonĵi ĉe la enirejo al la urbeto.

*Juna Edzo.* Certe, mi vidas. Ĝi ne povas esti pli ol ok kilometrojn malproksima, ĉu ne?

*Ojumi.* Ok? Ne tiom; apenaŭ pli ol kvar. Eĉ se vi prenos sufiĉan ripozon, facile vi estos tie antaŭ la sesa.

*Juna Edzo.* La speciala produktaĵo de Jabuhara estas la kombilo nomata Orokuguŝi, se mia memoro ne eraras, ĉu ne?

*Ojumi.* Jes, ĝi estas. Vi devos aĉeti multon da ili revenvoje.

(Dum ili parolas, Ojumi preparas teon kaj prezentas kukojn. La Juna Edzino rigardas returne de tempo al tempo maltrankvile Iĉikuroo'n.)

*Ojumi.* Kaj kiel longa estas via vojaĝo?

*Juna Edzo.* Jes, post vizito al Ise Sanktejo por preĝi, ni intencas vojaĝi al Kioto por vidi la famajn lokojn, kaj se la cirkonstancoj permesus, ni povus ĉirkaŭiri al Jamato.

*Ojumi.* Koncerne la tempon kaj la monon, tio estas bonega plano. Sed malgraŭ ĉio, ŝajne vi ne havas kun vi serviston.

*Juna Edzo.* Kien ajn ni iras, oni diras tion kaj miras; la fakto estas, ke ni ekvojaĝis kun zorgema servisto, sed li malsaniĝis, kiam ni alvenis la kastelurbon de Macumoto kaj, ĉar kostas sufiĉe multe por venigi alian, ni lasis lin ĉe gastejo kaj pluiris.

*Ojumi.* Post ĉio, esti solaj estas al vi pli oportune.

*Juna Edzo* (returne rigardas la edzinon kun sensignifa rideto). Nun ni havis ripozeton, venu, ni do ekiru. Ankoraŭ unu paŝon plu.

*Ojumi.* Bonvolu ripozi libere. La suno estas alte.

*Juna Edzo.* Estas oportune alveni la gastejon frue. Ni multe vin ĝenis. Jen, mi metis monon por teo ĉi tie. (Ekiras.)

*Ojumi.* Dankon. Bonvolu denove viziti revenvoje. Bone vin gardu dum la vojo.

(Ojumi staras kelkan tempon sekvante ilin per rigardo. Iĉikuroo daŭre fumadas songeme. Ojumi, kvazaŭ subite ekrimarkinte ion, kuras en la domon kaj tuj elkuras denove kun mallonga glavo de Iĉikuroo.)

*Ojumi* (eltenante la glavon ĉe lia ŝultro). Jen! Iru!

*Iĉikuroo* (malbonhumore, kvazaŭ ne rimarkinte, kion ŝi volas.) Ki . . ki . . kion vi volas?

*Ojumi* (kun iom maldelikata tono.) Ne ŝajnigu, ke vi ne komprenas. Jen estas laboro! Ĉu ĝi ne estas grava laboro?

*Iĉikuroo* (montrante abomenon.) Kio? Tiujn homojn? Vi estas senkora. (Ekstaras kvazaŭ por ŝin forpuŝi.)

*Ojumi.* Kiu estas senkora? Ĉu ne ĝuste vi mem estas tia? Ĝuste nun, dum mi malpacience penadis ĉiamaniere teni ilin eĉ iomete pli longe, vi sidis tie fumante kiel kameno. Iru! Ne hezitu, rapidu senprokraste.

*Iĉikuroo* (iom forte.) Ho! Mi malŝatas tion. Tio dependas de la homo. Eĉ se tio estas mia okupo, forsendi de la mondo tiel feliĉan paron, kiel ili, estas tro kruele.

*Ojumi.* Se ni diradus kiel vi, ke ni ne ŝatas maljunulojn, knabojn aŭ geedzojn, nia afero estus jam finita. Nenio estas pli ĝena ol buda-kora ŝtelisto. Ankaŭ vi pripensu bone. En la pasintaj tagoj, mi mem ne estis tiel malŝatinda virino. Pro kio en la mondo estas, vi pensas, ke mi, antaŭe tiel famekonata en la kvartalo



Sándor Nagy: Vitropentraĵo.

Asakusa, ke oni eĉ nomis min Belulino de Umamiĉi, rampis profunde en la Kiso-Montaron kaj vivas tiel mizeran vivon, kian eĉ sovaĝa simio ne vivus? Ĉu ĉio ne estas nur, ĉar mi havas vin, la kanajlan mortiginton de sia mastro, kiel edzon?

(Iŝikuroo staras silente kun mallevita kapo.)

*Ojumi.* Rekompence por mia vivo kun vi, kredeble ne estas de vi krimo doni al mi tri manĝojn ĉiutage kaj rizbrandon de mi ŝatatan, ĉu ne?

*Iĉikuroo* (iom kolere.) Ne parolu aroge. Se vi havas ion por diri, ankaŭ mi havas la samon. Mi, la fidela kaj zorgema servisto de mia sinjoro, kiu, fininte la ĝardenon de servado senkulpe en la Nakagaŭa-domego, estus fariĝinta pensiulo en la mastrumado, estas delogita kaj, ho, terure! Kiu en la mondo estis, vi pensas, kiu igis min levi la manon kontraŭ mia mastro?

*Ojumi* (mokridante.) Hm! Sensencaĵo! Ĉu tio estas mia kulpo, ke vi freneziĝis pro mi? Estas pli bone ne paroli pri tia pasintaĵo. Ĉu oni ne diras, ke trinkante venenon, oni ĝin eltrinku ĝis la lasta guto? Kion vi deziras, tio estas: drinki dolĉan rizbrandon ĝis vi dronos en ĝi, ĉu ne? Ĉiukaze, ĉu ĝi ne estas la sama glavo, per kiu vi mortigis vian sinjoron? Via krimo apenaŭ povus esti malpligrandigita nun per ŝparo de unu vivo aŭ du. (Iom flateme.) Cetere, vi ne bezonas ilin mortigi. Laŭ lia aspekto, li estas naiva filo de riĉulo, tial eĉ se vi ne faros kruelaĵon, se vi simple minacos lin per nuda glavo, estos bagatelo rabi ĉion de li. Pensu pri tio! Senspertaj vojaĝantoj kun kvindek rjooj aŭ cent pretaj en sia poŝo ne alvenas tre ofte. Kaj kion mi volas, estas la punktita silkokrepo, per kiu la virino sin vestis! Mi volas provi, kia sento estus vesti min per tia speco de vesto unu fojon.

*Iĉikuroo* (fine prenante la mallongan glavon de Ojumi.) »Al diablino, diablo kiel edzo.« oni diras, sed via diableco estas du aŭ tri gradojn super la mia. Nenio helpas. Mi do iros.

*Ojumi* (ridante donas al Iĉikuroo resonantan frapon sur la dorson.) Vi estas bonulo, ĉu ne? Ŝajnigi vin ĝenata!

*Iĉikuroo.* Alportu rizbrandon. Malvarma sufiĉas.

*Ojumi.* Prenu ĝin reveninte. Mi preparos varman.

*Iĉikuroo.* Alportu, mi diris.

*Ojumi* (eniras kaj elvenas kontraŭvole kun rizbrando.) Se vi pensas tion bedaŭrinda aŭ simila, verŝajne vi faros ian malsaĝan eraron.

*Iĉikuroo* (senvorte trinkegas avide el la ŝtoptruo de la bareleto.) Ha, estas amara rizbrando. (Ĵetante la bareleton surteren li forrapidas.)

*Ojumi* (rigardante lin forirantan.) Ĉar ili estas survoje al Kioto post vizito al Ise, ili devas kunporti almenaŭ kvindek rjoojn. Ankoraŭ estas malvarme, kiam la suno eksubiras. (La sonorilo de surmonta templo aŭdiĝas.) Ho, ĝi devas esti la sonorilo de la sesa.

(La kurteno falas malrapide.)

*Sceno II.*

(Iom post la okazaĵoj en Sceno I. La sama loko kaj la sama domo. La scenejo estas kiel tiu en Sceno I, turnita dekstren. Interna ĉambro en la ripozejo. Ankaŭ maldekstre troviĝas enirejo. La luno lumas ekstere. Ojumi, sola sidante mallaboreme, elprenas ŝamisenon* kaj ludas ĝin per siaj ungoj. Kiam la kurteno leviĝas, tuj kordo rompiĝas kaj ŝi ĵetas la ŝamisenon de si maldelikate. Ŝi altiras tabakon kaj fumas malespere.

* Japana kordinstrumento

## Profeto

— R. Swietoszewski —

*Popoloj! atentu la vortojn de l' ver'.*
*Al mi proksimiĝu amase en hor'!*
*Mi estas profeto sendita al ter'*
*Kaj pensojn de Dio mi portas en kor'.*

*Eĉ kiam mi estis en patrina sin',*
*Altuŝis min jam de l' Kreinto sigel',*
*Sinjoro ordonis, ke mi gvidu vin*
*Al bono, al vero, feliĉo kaj bel'.*

*Do, al mi alvenu, loĝantoj de l' mond'*
*Vi, el ebenaĵoj, insuloj, montar',*
*Animan soifon pacigu, mi — font'*
*De l' fort' nevenkebla, de obstina far'*

*Mi — torĉo, ŝanĝanta la nokton je tag',*
*Trumpet' alvokanta al fora patruj'!*
*Mi — glavo plej akra! Mi estas la saĝ'*
*De Di', eligita el Lia saguj'!...*

* * *

*Feliĉo, aŭ nur la fantom' de l' feliĉo?*
*Finfine ja tute egale!*
*Kaj gravas nur la unusola kondiĉo:*
*Sin sentu la kor' ideale.*

*Nur gravas, ke l' koro pleniĝu per io*
*Kaj malaperigu vakuon,*
*Kaj se ĝin okupus nur la iluzio —*
*Egale, se sentas ĝi ĝuon.*

*Validas nur sento, ne ĝia deveno,*
*Nur la travivaĵ' subjektiva,*
*Se io aperas sur kora areno —*
*Por kor' estas ĝi efektiva.*

*Ĉu scias ni ion envere pri l' vero?*
*Pri la realeco allogo?*
*Ĉu ĉio ne estas ja nur efemero,*
*Nur transcendentala mensogo?*

*Ni scias nenion kaj scii ne povas,*
*Ne eble objekton absorbi;*
*Ne konas ni, kio en aĵo sin trovas,*
*Ni povas sentume nur sorbi.*

*Do ĉio: realo aŭ la malrealo*
*Por ni estas nur sento-reago,*
*Do lasu ni nin al la mistera fatalo*
*Kaj vivu nur en la imago.*

*La viv' estas sonĝo, do se la feliĉon*
*La kor' ekavidas iale,*
*Ni donu al ĝi ian ajn nur feliĉon —*
*Finfine ja tute egale!*

Iĉikuroo envenas. Li portas paketon da vestaĵoj sub sia brako. Li rigardas returne de tempo al tempo. Kiam li venas al sia domo, li sidiĝas sur la sojlon kun ĝemo de trankviliĝo.)

*Ojumi* (aŭdante per akraj oreloj). Kiu? Kiu estas? Ĉu estas vi? Ĉu estas sinjoro Iĉikuroo?

(Iĉikuroo sidas silente kaj ne respondas.)

*Ojumi* (ekstarinte.) Kiu estas? Kiu estas? (Malfermas la paperitan glitpordon.) Kio! Jen estas vi tamen, ĉu ne? Ne sidu ludeme sur tia loko, sed venu en la domon rapide. Vi estis pli rapida ol mi pensis.

(Iĉikuroo eniras. Sed ankoraŭ li diras nenion.)

*Ojumi.* Kiel iris la afero? Sukcese? (Prenante la vestaĵojn de Iĉikuroo kaj rigardante ilin.) Ha, mi ne trovas ŝiraĵon sur ili. Vi fariĝis tre sperta, vere? Ho, estas belega krepo, ĉu ne? Kiel ajn bonkvalitaj estus la aferoj, se ili estus surŝprucitaj per sango, eĉ mi forta ne povus porti ilin: sed nu, aranĝu vin komforte. Varma rizbrando jam estas preta, ĉu vi do ne prenus tason, dum vi rakontos al mi ĉion?

*Iĉikuroo* (morte pala, eksidante senvorte). Ha, mi estas laca.

*Ojumi.* Ho, vi, ankoraŭ vi estas malgaja, ĉu ne? Ĉu vi mortigis ilin tamen? Tio estas multe pli certa kaj lerta maniero.

*Iĉikuroo* (peze balancante la kapon denove kaj denove). Ha, mi estas malsana. Mi intencis nur sekvi kaj minaci ilin, sed la virino freneziĝis kaj kriis, »Jen estas la teejmastro,« tial mi vole-nevole mortigis ilin. Ha, mi sentas min senforta en la fundo de la stomako. Ha, verŝu al mi rizbrandon.

*Ojumi.* Bone, jen, sed kiel granda estas la monsumo?

*Iĉikuroo* (prenante du monzonojn kaj du monujojn, unu por viro, kaj la alian por virino, el la brusto). Ŝajne ili timis, ke io okazos survoje, ĉar ili havis ĝin dividitan inter ili. Ankoraŭ mi ne kalkulis ĝin, sed laŭ la sento, ĝi estas kvardek rjooj.

*Ojumi.* Do, lasu ke mi vidu. (Elĉerpante la monon.) Estas tridek oraj moneroj, dudek arĝentaj kaj kvardek malpligrandaj. Ĉirkaŭ kvindek rjooj. Estas riĉa ĉaso, kian ni ne havis lastatempe. (Prenante la vestaĵojn sur la genuojn.) Kaj la vestaĵoj ĝojigas min, vere. Jen estas longa subvesto el skarlata krepo kaj blankstriita nigra zono el peza silko. (Kvazaŭ okaze ekrimarkante ion.) Atendu, mia kara. Kion vi faris pri la harornamaĵoj?

*Iĉikuroo.* La harornamaĵoj? Kion signifas harornamaĵoj?

*Ojumi.* Jes, jen. Harornamaĵoj. La harornamaĵoj de la virino.

(Iĉikuroo ne respondas.)

*Ojumi.* Kun punktita silkvesto kaj longa subvesto el skarlata krepo, ŝiaj harornamaĵoj kredeble ne devus esti falsaj kombiloj kaj riglilo, ĉu ne? Antaŭ momento, kiam ŝi demetis la karikĉapelon, mi kaŝrigardis ilin, kaj ili estis el testudŝelo senerare.

(Iĉikuroo silentas.)

*Ojumi* (alpremante sin al li). He! Ŝajnas al mi, ke vi forgesis preni ilin, ĉu ne? Ĉar ili estas el testudŝelo, ili certe kostas sep aŭ ok rjoojn. Se vi, ne freŝbakita rabisto, revenas sen tia valoraĵo, por kio vi mortigis? Kiam vi komencis tiun ĉi okupon, ke vi preterlasas la harornamaĵojn post kiam vi mortigis virinon tiel vestitan? Ĉu vi neniam ĉesos fari absurdaĵojn? Kiel vi pensas? Parolu.

*Iĉikuroo* (montrante abomenon). Ĉu vi ne parolas tro terure? Certe ne estas krimo, ke senigante ŝin je la vestoj, mi lasis al ŝi la harornamaĵojn almenaŭ kiel virinajn malgrandajn trezorojn por kunporti al la postmondo.

*Ojumi.* Hu! Estas dirita la afekta prediko. Se vi lasos ilin kuŝi tiel, ĉu ili ne gluiĝos al iu alpelita almozulo, kiel milio al malseka mano? Tuj ekkuru rapide kaj prenu ilin.

*Iĉikuroo* (kun intensa malamo al la virino). Oni diras, ke virino komprenas virinon kaj viro komprenas viron: estas pli bone imagi vin sur la loko de la mortinta virino. Kiel virino, ĉu vi ne sentas iom da kompato por ŝi?

*Ojumi* (mokeme). »Larmoj en la okuloj de diablo,« estas bone dirite. Se ŝi estis tiel kompatinda, kial vi sufokis ŝin per tiu punktita viŝtuko.

*Iĉikuroo* (forŝirante la viŝtukon de sia talio kvazaŭ terurita). Ha, mi estas tute malsana de tiu ĉi okupo.

*Ojumi.* Ĉar vi fuŝas la aferon. Ne lamentu, mia



Sandor Nagy: *La pentrartisto kaj lia edzino.*

Sándor Nagy:



*Fragmento el la »Templo de Eros.*

kara. Tuj ekkuru. Post noktiĝo ne troviĝas eĉ hundido sur tiu ĉi vojo. Ili certe estas tie ankoraŭ. do tuj alkuru. Ĉu ne estas sensence heziti pri tio, kio speciale venas al ni? Kaj vi ne estas speco, kiu hezitas, ĉu ne?

(Iĉikuroo profundiĝas en silenton kaj diras nenion.)

*Ojumi.* Ho! Al mi ŝajnas, ke vi estas ofendita. ĉar mi kritikis vian mallertecon, ĉu ne? Mi ne volas vin tedi, sed ĉu vere vi ne intencas iri? Ĉu vi intencas ellasi la akiraĵon de efektivaj dek rjooj el viaj manoj?

(Iĉikuroo en profunda silento ne donas respondon.) Kion ajn mi diras, vi ne volas iri, ĉu ne? Mi do mem tuj ekkuros. Estas la kutima loko, mi supozas?

*Iĉikuroo* (eksplodeme). Kompreneble. La pinarbareto sur tiu ĉi flanko de Jabuhara.

*Ojumi* (ekstarante kaj suprenfaldante la jupon). Mi do iros. Estas lunlumo kaj estas hele ekstere, kaj. vi estas ĝeniĝema rabisto, bone. (Iras en la korton kaj enŝovante la piedojn en siajn pajlsandalojn, estas ekironta.)

*Iĉikuroo* (turnante akran rigardon al ŝi). Ĉu vere vi iras?

*Ojumi.* Kial ne?

*Iĉikuroo.* Estas limo eĉ en kanajlaĵo.

*Ojumi.* (de ekstere). Fi, zorgu vian aferon. Ha. estas bela lunluma nokto. (Kuretas for.)

*Iĉikuroo* (ekstarante). Ha, fine ŝi iris. (Eliras.) Ŝi ne aspektas homo, kiam ŝi kuras tra la malalta strita bambuarbaro. Ŝi estas kiel lupo kroĉanta sin al kadavro. (Rigardas momentojn post kiam ŝi malaperis, kaj poste ŝancele eniras la domon. Prenante la botelon sur la plado, malplenigas ĝin per ektiro.) Ha, ŝi estas diablino, ŝi estas diablino min posedanta. (Kaptas sian kapon kaj tordas sin dum kelka tempo. Subite rimarkante la vestojn de la viro kaj tuŝante ilin, tenas la manon supren al la lumo.) Estas sango. Tamen, estas sango sur ili. (Rigardas gape antaŭen.) Kiam mi forte premis, tiuj du blankaj manoj ĉirkaŭvolvis mian manon kiel serpento aŭ io simila. Ha, mi ne povas elporti. (Dolortordiĝas kvazaŭ por forskui ma'agrablan memoron. Post kelkaj momentoj, kvazaŭ okaze frapita de ia ideo.) Jen ĝi estas. Antaŭ ŝia reveno. (Leviĝas kaj elprenas du aŭ tri vestojn el la kamero. Rapide pakas ilin per paktuko. Okaze rimarkas la rabitajn monujojn lasitajn de la virino apud la pleto. Metas ilin en la bruston de sia vesto.) Ha, mia eterna amo malvarmiĝis. (Rapidas ekster la pordon. Subite metas la manon sur la monon en la brusto. Staras kaj pripensas. Returne paŝas du aŭ tri paŝojn kaj pripensas. Fine elprenas ĝin kolere.) Ĝi estas mono malpura. (Forte jetas ĝin en la domon. La ormoneroj elsaltas el la monujoj kaj sin rulas dise en la ĉambro brilante. Iĉikuroo forkuras kiel li nur povas.)

(Kurteno.)

*(Daŭrigota.)*

El la japana: *J. Ŝimomura.*

# LA FESTO DE LA ROZOJ

## Epizodo el la romano „Vampir“

— Hanns Heinz Ewers —

Enkonduko: La ĉefpersono de la romano, Frank Braun, partoprenas ĉe festo de virina klubo en New York. En tiu festo oni prezentas scenojn el la mezepoka historio:

»Nun orgeno komencis soni, ie, malantaŭe. La lumo ĝis malpli hela, bluete briletanta kiel lunbrilado. Kaj mallaŭta kantado sonis tra la silento. Voĉoj de virinoj, molaj voĉoj de virinoj.

Frank Braun fermis la okulojn. Aŭskultis. Repensis. Kie do li estis aŭdinta tiun kanton?

Certe tio estis antaŭ longa, longa tempo. Latina ĝi estis — kantado de monaĥinaj voĉoj.

Ah — iam — ĉe la rozomonaĥinoj — en la nokto de Sankta Johano. —

Kiel do estis?

Kaj li revis reen tra la jaroj — revis en la kantado de la monaĥinoj — revidis sin, kia li estis tiam.«

* * *

Tiam — tiam...

Referendario[1]) li estis, en urbeto ĉe la malsupra Rejno. Lia distriktjuĝisto ne ŝatis lin, jam de la unua tago. Kaj ĉiam malpli, post ĉiu semajno kaj ĉiu monato.

Tiam li malamis la distriktjuĝiston, kiel li malmulte ŝatis ĉiun, kiu ne ŝatis lin.

Hodiaŭ li ridetis. Tute certe, la distriktjuĝisto estis prava. Por kio li ricevis referendarion? Ties tasko estis, depreni de li iom de lia laboro. Kaj kompreneble de la plej neagrabla, de la plej enuiga. Iomete labori, unu—du — tri, kvar horojn en la tago. Kaj poste vespere kuni kun li en la vintrinkejon kaj lasi al si rakontadi. Ankaŭ: fari protokolon, en unu antaŭtagmezo ĉiusemajne, kaj ludi skaton,[2]) en unu vespero. Tio estis rajta, tio estis justa, por kio do ekzistas jurista preparservo?

Li ne ludis skaton. Li venis ja en la vintrinkejon, sed nur unu fojon kaj ne plu. Li deklaris, ke tio enuigas lin. — Enuigas! Lin, sinjoron la referendarion?!

Li ankaŭ ne faris vizitojn. Nek ĉe la urbestro nek ĉe la distrikta prefekto, ne ĉe la konsistoria konsilisto kaj ne ĉe la gimnaziestro. Al la distriktjuĝisto, kiu postulis klarigon, li diris, ke li jam vidis la sinjorojn en la vintrinkejo kaj ke pli intima interrilatado ne penindas.

Unufoje li faris protokolon en la juĝa kunsido, ankaŭ nur unu fojon. Kiam li prezentis siajn foliojn por subskribado al sinjoro la distriktjuĝisto, ĉi tiu iĝis ruĝa kaj pala kaj ree ruĝa. Kaj li demandis: »Sinjoro, kio estu tio?«

Li respondis: »Mia protokolo.«

Sinjoro la distriktjuĝisto batĵetis la aktojn antaŭ sur la tablon. Ho, volonte li estus disŝirinta ilin, se tio estus estinta ebla. Sed la protokolo devas esti skribata tuj en la kunsido, tion ĝi devas.

Do li subskribis, ĝemeganta kaj dolorplena. Diris, pala, tute pala: »En mia dudekjara — dudekjara praktiko kiel prusa juĝisto mi ankoraŭ ne vidis tian ŝlaboron.«

Al tio diris la referendario: »Ankaŭ mi opinias ĝin tre malbona.«

La distriktjuĝisto miregante rigardis lin, serĉis ion, kio povus ĉagreni lin. Fine elsiblis: »Sinjoro! — Sinjoro! Iru al elementinstruisto, lernu belskribadon!«

Kaj li diris: »Mi dankas. Tio ne penindas.«

Li estis neuzebla. Ĉiam li venis unu horon tro malfrue en la juĝejon, evitis laboron, kie ajn estis eble. Li forgesis ĉion, estis nefidebla kaj nelerta. Neebla li estis, vere tute neebla. Kaj estis jam plejbone, se li tute forrestis.

La distriktjuĝisto kolerekstazis. »Senespera,« li grincis, »tute senespera.«

Sed unufoje li tamen havis sian venĝon.

Li igis lin veni: faris belan paroladon al li, intimimprese, preskaŭ patre. Ke ili parolu pri tio tute trankvile — sine ira et studio![3]) Kion do li pensas? Kaj kio rezultu el ĉio ĉi?

Tiam li diris: »Tute nenion mi pensas pri tio. Enuigas min ĉio ĉi.« Kaj poste, kiam la distriktjuĝisto enpatosiĝis kaj riproĉpredikis, kiam li prezentis al li ĉiujn liajn krimojn, bele enlumigis, bone brosis kaj gladis ilin, tiam li diris fieraĉe: »Je Dio, sinjoro distriktjuĝisto, raportu tion do al la prezidanto de la Supera Landjuĝejo! Skribu ĝin do en la liston pri mia konduto!«

Tio estis, kio havigis al la distriktjuĝisto lian triumfon.

»Sinjoro,« li diris, »sinjoro, kion vi pensas pri mi? Ĉu mi malbonigu vian karieron? Ĉu mi?! Vi ricevos la saman belan laŭskeman kondutateston, kiun mi skribis jam centfoje! Faru, kion vi volas! — Mi dankas al vi! — Vi povas foriri!«

Tio estis glata kaj ronda venko. Kaj tial li malamis la distriktjuĝiston.

— Tie en la urbeto li havis rilatojn kun neniu homo krom kun la dika paroĥestro. Al tiu li iris, por ludi ŝakon.

La paroĥestro flegis siajn vinojn kaj amis ilin. Li trinkis nur Mosel-vinon, kiel ĉiuj bonaj rejnlandanoj. Aŭ ankaŭ, tiam kaj tiam, glason da vino de la Saar kaj de la Ruwer. Kaj li ĝojis pri tio, kiel li, iom post iom, edukis la langon de la referendario.

»De kiu jaro?« li demandis.

»De naŭdektria!« diris la referendario, kaj la paroĥestro kapjesis. Vintrinkadon li lernis kaj ŝakludadon. Li komprenis, ke ambaŭ kapabloj estas duone arto kaj duone scienco. Kaj li pensis, ke certe tio estas la plejbono, kion li povus fari en tiu malgranda urbo ĉe la malsupra Rejno.

Tiel rampis la monatoj.

»Ĉu vi estis ĉe la abatino?« Ĉiam denove pri tio demandis lin la paroĥestro. Tiam Frank Braun kapneis — sed ĉiam ree li deklaris, ke li nun tute certe en la proksimaj tagoj iros al la dominikaninoj. Li estis tion promesinta al sia patrino kaj ankaŭ al la paroĥestro. Li ne forgesis ĝin, sed ĉiam prokrastis — tial ĝi ne okazis. Kaj la paroĥestro riproĉis lin.

Iufoje la paroĥestro diris: »Mi estis en la monaĥinejo. La abatino igas min diri al vi, ke vi estas tre neĝentila.«

Li iĝis ruĝa. »Dio scias, ŝi estas prava! Morgaŭ mi veturos tien!« li respondis.

[1]) En Germanlando titolo de juristoj, kiuj laboras ĉe juĝejoj aŭ advokatoj inter siaj unua kaj dua ŝtataj ekzamenoj (t. n. jurista preparservo).

[2]) Kartludo multe ŝatata en Germanlando.

[3]) = »sen kolero kaj prefero«, nepartie, senpasie. (Latina el Tacitus, Annales I, 1.)

Kaj la parohestro rediris: »Bone, ke vi ekkomprenas tion! Sed ne morgaŭ vi tien veturu — la abatino invitas vin por la nokto de dimanĉo.«

»Ĉu por la nokto?« li demandis mirigite.

La parohestero kapjesis: »Jes, por la nokto! Je la deka ni tien veturos — tiam la luno leviĝas: tiam la monaĥinoj komencas sian rozofeston.«

— Ili tien veturis tra la julinokto, en la malnova kaleŝo de la parohestro. Ĉi tiu mem tenis la kondukilojn kaj langoklakis. »Tiru, Zoefke, tiru!« li vokis al la maljuna ĉevalino. Kaj la ĉevalino ĝojblekis.

»Ok jarojn mi nun jam veturas tien en tiu ĉi nokto,« diris la parohestro. »De post kiam fratino Beata iĝis abatino. De post tiam floras la festo de la rozoj.«

La referendario demandis: »Ĉu de post tiam? Ĉu do ŝi kreis ĝin?«

»Ne,« respondis la parohestro, »ĝi estas malnovega. Tiel malnova kiel la monaĥinejo mem, aŭ nur malmulte pli nova. Laŭdire la unua abatino, Klara von Pappenheim, fondis la feston, proksimume en la komenco de la dekkvina jarcento. Sed, sciu, Doktoro, ĝi jam ne konvenas al la nuna tempo — almenaŭ multaj ekleziuloj opinias tion. Oni nenion malpermesis al la monaĥinoj, sed oni donis signojn kaj esprimis dezirojn — do malaperis unu malnova kutimo post la alia. Ĝis kiam laste restis nur ankoraŭ la nomo: festo de la rozoj. — Sed nia abatino reprosperigis ĝin.«

»Kion ŝi faris?« demandis li.

La parohestro rakontis: »Ŝi reenkondukis ĉiujn malnovajn kutimojn — kiaj ili estas priskribitaj en la kroniko de la monaĥinejo. Nur kelkajn tro maldelikatajn ŝi ellasis. Ho, vi vidos, kiel ĝi okazas. La Köln-anoj[4]) tre kontraŭas al ŝi; oni timas, ke la trinkfesto igos indigni la piulojn kaj mokridi la malpiulojn. Sed — la abatino estas el la familio de la Droste, el la linio de la Vischering,[5]) sciu, jam tri el ŝia gento estis abatinoj de ĉi tiu monaĥinejo. Kaj ŝia onklo estas la ĉefepiskopo de Mainz, unu el ŝiaj fratoj la princabato de Trittheim. Tial oni ne volas agi kontraŭ ŝi. Tiel longe, kiel ŝi vivos, floros la rozoj en la nokto de Sankta Johano.«

Proksimume je la deka ili venis al la monaĥinejo: la surda ĝardenisto malfermis la pordon. Ili iris tra la vasta ĝardeno, sur blankaj gruzvojoj, kiujn karesis la lunlumo. La parohestro montris al li majestan cedron, kiu nigrege reliefiĝis en la arĝenta brilo ĉirkaŭa.

»De la Libano!« li diris. »Oni rakontas, ke monaĥino alportis ĝin kiel malgrandan arbeton, juna monaĥino, kiu aliĝis al la infano-krucmilitiro de Petro de Amiens[6]) kaj poste revenis kiel maljunega virino. Sed tio ne estas vera. Iu Droste alportis la arbeton de la Libano, nur antaŭ centkvindek jaroj, kuzo de la tria abatino el lia familio.«

La ĝardenisto gvidis ilin en la antaŭkorton, poste en la klaŭstron kaj igin ilin tie atendi. »La monaĥinoj venos tuj,« li diris, »kiam la komuna preĝo estos finita.«

[4]) »La Köln-anoj« = la Köln-a ĉefepiskopo kaj aliaj ekleziuloj superaj.

[5]) Klemens August, barono de Droste zi Vischering (fiŝering) estis fama ĉefepiskopo de Köln (1773—1845).

[6]) Petro de Amiens (pron. »amjên«) aŭ Petro la Ermito, la unua predikanto al krucmilitiroj. Ĉar li mortis en 1115, li ne partoprenis la krucmilitiron de la infanoj, kiu okazis en 1212.

[7]) [8]) Specoj de blankaj rozoj. Prononcu: »nifètôs« (greka: neĥfalo), »bul de nej« (franca: bulo de neĝo), »franciska kriger« (germana nomo).

Frank Braun rigardis ĉirkaŭ sin. Ĉirkaŭe en la klaŭstro brulis malmultaj lampoj: sed la lunlumo falis radiante en la korton. La fundo estis glate kovrita per grandegaj, blankaj marmorplatoj; sed ĉie sur la kolonoj, altsupren al la galerioj rampis la rozujoj. Blankaj rozoj, multaj miloj da blankaj rozoj.

»Estas nur Niphetos kaj Boule de Neige,«[7]) diris la parohestro. Sole tie antaŭe la tri rozujoj estas Franziska Krüger,[8]) tiujn plantis mi dudek jarojn antaŭ nun.«

Du longaj tabloj staris ĉe la ĉeffino. Ili estis kovritaj per blanka damasko kaj antaŭ ĉiu seĝo staris unu telero kaj unu glaso facetita. Staris tie arĝentaj korboj plenigitaj per dolĉaĵoj, sed ĉie sur la tabloj.

---

## AFORISMOJ

— *Kiam viro kaj virino fortapasie reciproke enamiĝas, ŝajnas al mi ĉiam, ke malgraŭ ĉiaj disigaj malhelpaĵoj kiel edzoj, gepatroj k. t. p. la du geamantoj apartenas unu al la alia laŭ natura kaj dia juro spite de la leĝoj kaj homaj statutoj.* Chamfort.

— *La leĝoj premas nur tiujn, kiuj ne intencas malrespekti ilin; sed neniam ili malhelpis tiujn, kiuj estas decidintaj, ne toleri devigon.* Max Nordau.

— *Neniam allasu penton, sed tuj ekkonu, ke tio signifus: aligi duan malsaĝaĵon al la unua.* Nietzsche.

— *Kelkulo mirus vidante, el kio lia konscienco, ŝajnante tre impona, efektive konsistas: eble el kvinono da homtimo, kvinono da fantomtimo, kvinono da antaŭjuĝo, kvinono da vanteco kaj kvinono da kutimo; tiel ke li efektive ne estas pli bona ol tiu anglo, kiu diris malkaŝe: havi konsciencon estas tro multkoste por mi.* Schopenhauer.

— *Nenio estas tiel obstina kiel fakto.* Royer-Collard.

— *La sataj riĉuloj elpensis, ke malriĉeco malhonoras neniun. La diboĉuloj ĉe plena tablo instruas, ke salo kaj pano tenas ruĝaj la vangojn. La kolomboj kveras de l' tegmentorando: »Pasero en la mano estas pli bona ol kolombo sur la tegmento«. — Kaj la malsaĝuloj plimultvoĉe decidis, ke la prudentulo ĉiam cedu.* Oscar Blumenthal.

— *En Germanio ĉio estas malpermesata, kio ne estas permesita, en Anglio ĉio estas permesata, kio ne estas malpermesita, en la slavaj landoj ĉio estas permesata, kio estas malpermesita.* Aŭtoro nekonata.

— *Vi volas scii, kial mi meze intermitas prisciencan interparoladon, por ekrigardi al bela virino? Mi bedaŭras vin, amiko, ĉar tio estis demando de blindulo!* Aristoteles.

— *La naturo prezentis al la homo du senfinaĵojn: la nemezureble grandan kaj la nenion; ĝi prezentis ilin al li ne por ke li komprenu, sed ke li admiru ilin.* Pascal.

— *Kio estas la homo en la naturo? Neniomo kompare kun la senfinaĵo, ĉiomo en la naturo? Nenio kompare kun la senfinaĵo, ĉiomo kompare kun la nenio: estaĵo meze inter neniom kaj ĉiom.* Pascal.

— *Malmultaj homoj pensas, sed ĉiuj volas havi opiniojn.* Berkelay.

— *Malamiko de X dramaŭtoro diras: »La teatro estis duone malplena« la amiko: »La teatro estis duone plena.«* Daniel Spitzer.

***(Walter Lippmann)***


Sándor Nagy: Memfido.

dissutitaj sur la tukon kaj alten kreskantaj el grandaj kristalvazoj rozoj, multaj, blankaj rozoj. Intere staris veneciaj karafoj, malvastkolaj kaj vastventraj. Sed ili estis malplenaj.

»Baldaŭ ili lumos de peza ciprovino,« klarigis la parohestro. Li montris al rozujo. »Tie — rigardu.«

Kovrita de rozoj kuŝis sur la lignostablo barelo bona. Kaj apude ankoraŭ unu malgranda, dense alapogita. »La malgranda estas mia,« li diris ridante. »Bernkasteler Auslese,[9]) de la gimnazio en Trier. Mi sendas ĝin ĉi tien — mi ne ŝatas la ciprovinon. Tiun trinkas la virinoj. Sinjoro via onklo sendas ĝin, ĉiujare, el Roma.«

»Kiu?« demandis la referendario.. »Ĉu mia onklo?«

»Vere!« diris la maljunulo. »Via onklo! La jezuito. La Monsinjoro.[10]) — Ĉu vi ne konas tiun historion?«

Ho jes, lia patrino estis al li rakontinta pri tio. Pri lia onklo, kiu estis husarkapitano. Kiu poste, post la milito de 1870, eliris el la armeo: iris al Roma, iĝis katoliko kaj ekleziulo. Ian rilaton tio certe havis al la abatino, ĉar tial li devis iri al ŝi. Sed tiufoje li estis apenaŭ aŭskultinta kaj jam longe forgesis la malmulton, kiun li estis aŭdinta.

»Estas pli bone, ke vi scias la historion, antaŭ kiam vi vidas la abatinon,« diris la parohestro. »Venu.«

Ĉe la malsupra fino de la klaŭstro staris tablo malgranda: tri seĝoj, tri teleroj, tri glasoj. Ree korbo kun dolĉaĵoj kaj granda fasko da rozoj.

»Tie sidu ni,« li plu diris, »vi, mi kaj la diakono, kiu nun direktas la komunan preĝon. Sidigu vin.« Li prenis du glasojn, iris al la Mosel-vinbarelo kaj plenigis ilin. »Trinku, Doktoro — en la nokto, en kiu floras la rozoj.«

Tute klare sonis la glasoj, meze en la kanton de la najtingalo, kiu sonis el la rozoj. Kaj tute mallaŭte, de malproksime sonante el la kapelo, aŭdiĝis la kanto de la monaĥinoj.

»Stabat mater Speciosa!«[11]) diris la parohestro. »Mi konigis tiun kanton al la abatino, mi! Ŝi igas ĝin kanti, nur unu fojon ĉiujare — en la nokto de Sankta Johano. Mi rakontis al ŝi pri Jacopone de Todi[12] —«

Tio estis la unua fojo, ke la referendario aŭdis ion pri la »Speciosa« kaj pri la Todi-ano.

La parohestro eltrinkis sian glason. »Nun ili estos tuj je la fino,« li diris. »Do aŭskultu!«

Li komencis raporti la malgrandan historion de la abatino, kaj tuj, jam ĉe la unuaj frazoj la referendario rememoris, kion tiam la patrino estis rakontinta al li. Sed li ne interrompis lin. Li aŭskultis, revis en la rozojn.

Lia onklo — tiu havis amikon kaj kamaradon, kiu estis leŭtenanto kiel li en la sama regimento. Kaj ĉi tiu gefianĉiĝis kun Lenore Droste — dekok jarojn ŝi havis tiam. Juna ŝi estis kaj tre bela; ŝi donis sian manon al la ludkunulo el la junaĝo, kies patra bieno situis apud la prarezidejo de ŝia gento. Li amis ŝin — kaj al ŝi li estis simpatia — sed ŝi ne sciis, kio estas amo. Tiam ne. Sed ŝi sciis tion bone, tri monatojn poste, kiam ŝi koniĝis kun la alia, kun la amiko de sia fianĉo — lia onklo.

La du sciis, ke ili amas unu la alian, sed ili neniam parolis pri tio. Poste venis la milito, kaj la kavalerianoj rajdis al la militkampo. Tiam ŝi adiaŭis de sia fianĉo: tiu kisis ŝin kaj ŝi ploris. Sed unu horon poste venis la alia. Ili ne volis tion — neniu de ili — kaj tamen ili kuŝis unu en la brakoj de la alia — kaj ili kisis unu la alian arde, pasie, unu fojon por la tuta vivo — tamen.

Tiu mortis, la alia. Jam en la batalo apud Spichern[13]). Sed lia onklo revenis, kapitano, kun Fera Kruco[14]) — ridanta heroo.

Sed: la amatinon li ne trovis. Tiu estis preninta la vualon ĉe la dominikaninoj, pentofaris pro tiu unu kiso, kiu perfidis la fianĉon. Tiaj estas la Droste. Ŝia kiso perfidis la bonan amon de la fianĉo — kaj ŝia perfido pintigis la bajoneton, kiu puŝis lin de sur la ĉevalo. — Ĉu ne estis vere tiel?

[9]) Bernkastel: urbo ĉe Mosel kun fama vino. Auslese (pron. »aŭslèzê«): elektita, plej bona speco.

[10]) Itale »Monsignore«. Titolo speciale uzata por ekleziuloj (»Prelata Moŝto«).

[11]) Komencvortoj de eklezia kanto latina (»Staris la Patrino (de Jezuo) Belaspekta . . . «), verkita de

[12]) Jacopone (pron. »jakopone«) da Todi. Todi estas urbo itala en la provinco Perugia.

[13]) Vilaĝo, ĉe kiu okazis la 6-an de aŭgusto 1870-a batalo perdoriĉa inter francoj kaj germanoj. Pron. proks.: »ŝpijern« kun forta »j«.

[14]) Germana militordeno.

# Sonoj kaj signifo

— Albert Guerard —

.... En la aserto de Anatole France estas subkomprenigata bone konata teorio, kies pravecon ni tamen rajtas pridubi. Ĉi tiu teorio estas, ke certaj vortoj posedas en si ian propran, sugestian muzikon. Ni kredas, ke tio estas grandparte ĥimera: la muziko estas multe pli en la penso ol en la sonoj. Se iu monotone legus al vi elĉerpajon el lingvo tute ne sciata de vi, mi vetus, ke vi ne povus diveni, ĉu la lego temas pri amsceno aŭ pri inĝeniera raporto. Ekzemple, la franca »coeur« havas en si sentimentan molecon — kiu cetere ne konformas kun unu el ĝiaj neĉefaj signifoj, »kuraĝo«. La germana »herz« ŝajnus al franca orelo tre tre maldolĉesona, sed ĝi jam longlonge kontentigas la germanan popolon, kiu havas reputacion porti muzikon en la animo. La franca vorto »crepe« forte sugestias la tragediajn vualojn de la francaj vidvinoj, ĝis oni rememoras ke ĝi ankaŭ signifas »patkuko«. Ekzistas preskaŭ nenia vorto pli nerezisteble alloga por la penso ol »Carmen«, ses literoj kiuj elspiradas la tutan pasian parfumon de Malnova Hispanujo. Kiam mi ekvidis grandlitere la anglan »CARMEN STRIKE« (veturigistoj strikas) mi sentis momentan konfuzon. Sed poste mi rekonis ke tiu magia simbolo povas doni nomon al pli prozaj estuloj ol la *gitana* de Merimée.

Povas esti ke Anatole France trovis Esperanton lingvo malbela. Sed ĉu efektive ekzistas malbela lingvo? Por homoj nesciantaj la du lingvojn ĉu eĉ Volapuk estas pli malbelega ol la hungara, kiun lingvon ĝi supraĵe* similas? Se mi surprizus vin per vorto kia »sghignazzandogli«, ĉu vi tuj scius ke ĝi apartenas al la plej muzika lingvo iam uzita de l' homoj? Ekzistas en Esperanto nenio tro kakofonia, por ke mi ne povu elĉerpi similajon el la germana, aŭ la greka, la lingvo de la dioj.

Mi iom malpacienciĝas kiam homoj tro substrekas la belecon de la franca lingvo. Estas klare, ke la franca posedas nek la sonorecon de la mediteraneaj lingvoj, nek la majestan masivecon de la germana, nek la riĉecon kaj liberon de la angla. For la instrumenton! Mi preferus aŭdi efektivan muzikiston ludi sur buŝharpo** ol mallertegan misuzanton de la arĉo skrapi sur Stradivarius-violono. Mi preferus legi la verkojn de Renan en la madagaskara, tamila aŭ volapuka lingvo ol tiujn de Georges Ohnet en lia patra franca... Neniu lingvo estas bela per si mem. »Bela estas tio, kio bele agadas«. Kiam lingvo elsendas belajn pensojn kaj elvokas belajn bildojn, ĝi nepre akiras al si belecpensojn kaj elvokas belajn bildojn, ĝi nepre akiras al si belecon. La rozo en ĉia lingvo, la maro en eĉ la plej modesta dialekteto aŭ eĉ en la plej degenerinta ĵargono, amo kaj morto, juneco kaj Dio, eĉ en volapuk, estas sentoj, kiuj ĉarmas la sensojn, vibrigas la koron, aŭ plenigas per timrespekto la animon de l' homoj.

El la angla: *R. Banham.*

* *Ege* supraĵe. (Red.)

** A. *jew's harp.* F. *guimbarde;* G. *Maultrommel, Brummeisen.* Ĉu iu proponas pli bonan Esperantan formon?

---

Ĉu tiel — kaj ne alie?

Lenore Droste ĝin kredis kaj ankaŭ tiu — kiun ŝi neniam revidis. Li prenis forpermeson unue, vojaĝis al Italio. Poste li eliris el la armeo, transiris al la katolika kredo, iĝis ekleziula — kiel ŝi.

Pro pasia konvinkeco — tute certe. Kaj tamen ankaŭ: ĉu li povis pli bone montri al tiu virino sian amon?

Ambaŭ ili avancis. Li estis Monsinjoro kaj ŝi abatino Beata. Ili ne skribis unu al la alia, neniam, sed ili aŭdis unu pri la alia. Kaj nun, jam de multaj jaroj, li sendis la ciprovinon por la rozofesto.

Tio estis la historio.

El la pordo de la sakristio, el sub la klaŭstro, venis la diakono. Sesdekjarulo, granda kaj forta, kun plena, blanka hararo kaj saĝaj okuloj.. La paroĥestro salutis lin kaj prezentis al li sian junan amikon. »Ĉu venas la abatino?« li demandis.

»Tuj ili estos ĉi tie,« respondis la diakono. Kaj li eltrinkis glason por la sano de la paroĥestro.

Ree eksonis la orgeno, tiam malfermiĝis la pordo de la kapelo. Malrapide la monaĥinoj paŝis duope en la klaŭstron: ĉiu portis branĉeton, kaj sur ĉiu branĉeto lumis tri rozoj.

»La vundoj de Kristo,« diris la paroĥestro.

»Kaj ensame la Triunuo,« deklaris la diakono. »Tri: Patro kaj Filo kaj Sankta Spirito — kaj tamen nur unu: unu Diaĵo.«

Sub la kolonoj de la klaŭstro ili paŝis, mallaŭte kantante, ĉirkaŭe en la klaŭstro, eksteren en la lunlumon. Tra la blankaj vualoj de la rozoj gutis la dolĉaj perloj de la Palestrina-melodio:[15])

»Jesu! Dulcis memoria,
Dans vera cordi gaudia:
Sed super mel et omnia,
Ejus dulcis praesentia!
Sic, Jesu, nostrum gaudium —«[16])

Tiel dolĉaj vortoj. Tiel dolĉaj sonoj.

Tra la kvara arko la monaĥinoj elvenis en la korton, ĉirkaŭpaŝis la grandajn tablojn, haltis antaŭ siaj seĝoj. Laste la abatino; ŝin antaŭiris la maljuna pordistino. Ĉi tiu ekiris al la flanko kaj aranĝis ĝuste la kusenojn sur la alta tronseĝego. Kaj la abatino supreniris la malgrandan ŝtupon, sidiĝis sin kaj donis per la rozbranĉeto al siaj monaĥinoj la signon, ke ili sidu.

Frank Braun fiksrigardis transen al ŝi. Ŝi estis bela, la abatino, kvieta kaj tre bela. Kiun aĝon ŝi povis havi?

Li kalkulis. Kvardek jarojn — aŭ ne, nur tridek-sep, eble tridekok. Kaj dudek jarojn en la monaĥinejo —

La maljuna pordistino servis ĉe ilia malgranda tablo. Ŝi plenigis la Mosel-vinglasojn. Sed kvar junaj monaĥinoj prenis la brilajn karafojn, enfluigis la malhelan vinon kaj disdonis rondire al la fratinoj. Poste, je signo de la abatino, ĉiuj ekstaris kaj preĝis.

Nur tute mallonge kaj silentante.

Kaj silentante la abatino levis sian glason kaj silentante ŝi eltrinkis ĝin. Ĉiuj aliaj faris kiel ŝi.

La abatino Beata donis signon per la rozbranĉeto, tiam juna monaĥino eniris en la mezon de la klaŭstro.

[15]) Palestrina, glora itala eklezia muzikisto, mortinta en 1594.

[16]) Latina kanto: »Jezuo! Dolĉa memoro, donanta verajn ĝojojn al la koro, sed super mielo kaj ĉio: Lia dolĉa ĉeesto! Tiel, Jezuo, nia ĝojo...«.

»Nun venos la malnova ludo pri la mirakloforta amo de Jezuo, pri la amo, kiu neniam ĉesas,« diris la parofiestro. »Oni diras, ke la unua Droste elpensis ĝin. Tra jarcentoj oni parolis ĝin ĉi tie en latina lingvo, sed nia abatino tradukis ĝin en la germanan. Fratino Agnes ĝin recitas.«

La juna monaĥino komencis, duone parolante, duone kantante, unutone. Ŝi rakontis pri la amo de Jezuo, kiu estas multe pli granda, multe pli profunda, ol tion povas imagi la cerbo de homo. Kaj kiom ajn iu animo estas ŝarĝita de grava peko, tamen ĝi povas esti savata, se ĝi venas pentpreta al Jezuo la Sinjoro. — Sep jarojn la kavaliro Tannhäuser estis firme implikita en ĉiuj gravaj pekoj ĉe sinjorino Venus, la malbona diablino, en la Hörsel-monto. Poste li forkuris, iris al Roma, por pentofari. Li surgenuigis sin antaŭ la papo Urban kaj kisis la pintojn de liaj fingroj. Li konfesis ĉion, kion li estis farinta, kaj petegis absolvon. Sed la Sankta Patro koleris pri tiaj gravaj abomenindaĵoj, diris, ke neniam li povos absolvi lin, kaj ke li devos bruli en plej profunda infero. Ke nenia savo ekzistas por li, nenia — ke li estas kondamnita por eterne. Sian kurban bastonon li puŝis sur la fundon kaj diris, ke, se la maljuna bastono freŝe burĝonos, tiam estos ankoraŭ espero por la kavaliro — kaj alie ne.

La tuta ĥoro de la monaĥinoj kantis la severan respondon de la papo, kiu finiĝis jene:

»Ne antaŭ ol ĝermas ĉi tiu baston'
Kaj el ĝi kreskas rozeta burĝon',
Alie ne!«

Tiam la kavaliro Tannhäuser duafoje falis sur la genuojn, kisis la piedon de la Sankta Patro, ploregis, petis kaj petegis. Sed la papo ankoraŭ pli koleris, laŭte riproĉis lin kaj ripetis sian neon!

»Ne antaŭ ol turnas sin kontraŭ natur'
De ĉielo al tero malsupren vetur' —
Alie ne!

Kaj triafoje la kavaliro sin jetis sur la fundon, kisis la polvon for de la ŝuoj de l' papo, lamentis kaj tre ploris. Sed la Sankta Patro persistis en sia justa kolero, pelis lin for de la sanktigita loko, kiun li malpurigas per sia ĉeesto, reen tien, de kie li estis veninta kaj kie estis lia loko — al la diablino Venus en la Hörselmonto. Ke neniel kaj neniam li akiros pardonon de liaj pekoj!

»Ne antaŭ ol vintras en temp' de somer',
Vin-pluv' kaj roz-neĝo falas al ter' —
Alie ne!«

Tiam la kavaliro levis sin de sur la fundo, prenis la pilgrimbastonon kaj foriris. Kaj ĉiuj en la granda halo time retiris sin de li, por kies kompatinda animo ne plu estis savo el la eterna fajro.

Sed en la nokto aperis al la Sankta Patro en sonĝo bela knabeto, tiu aliris al li kaj diris: »Prenu vian bastonon kaj sekvu min.« Kaj malaperis en la ĝardenoj.

Tiam papo Urban vekiĝis, kaj estis jam hela mateno. Li igis sin vesti, memoris pri sia sonĝo kaj ordonis, ke oni alportu al li lian kurban bastonon, ĉar li volis promeni en siaj ĝardenoj. Oni alportis lian bastonon kaj la Sankta Patro ĝin prenis kaj malsupreniris la ŝtuparojn. Li promenis tra la ĝardenoj kaj venis al la figarboj, tiuj estis plenaj de maturaj fruktoj. La papo ekvolis manĝi figojn. Li puŝis sian bastonon en la teron, iris ĉirkaŭ la arboj, deprenis la plej belajn fruktojn kaj manĝis ilin.

Ĉi tie la monaĥino interrompis sian rakonton. Fratino-servistino alpaŝis al ŝi, donis al ŝi malnovan bastonon en la formo de kurba bastono. Tiun ŝi prenis kaj puŝis sur la marmorplatojn, kvazaŭ ŝi volis puŝi ĝin en la teron — tiel ĝin tenis la maljunulino. Poste fratino Agnes promenis en la klaŭstro, faris, kvazaŭ ŝi deprenas de la arboj kaj manĝas fruktojn: dum tio la aliaj monaĥinoj sin premkolektis ĉirkaŭ la maljunulino, kiu tenis la bastonon. Nun fratino Agnes revenis, serĉante sian bastonon.

Ŝi haltis kaj plu rakontis.

— Kaj la papo Urban revenis al la loko, kie li estis puŝinta sian bastonon en la teron, kaj ne retrovis ĝin. Ĝi estis malaperinta: sed en ĝia loko staris rozarbo — tiu estis kreskinta precize en la formo de lia



Sándor Nagy: *Ruĝaj pomoj.*

kurba bastono. Ĝi portis nur malmultajn, tute junajn foliojn kaj krome tri malgrandajn rozburĝonojn.

La monaĥinoj malfermis sian rondon — tie fratino Agnes retrovis sian bastonon — kiu estis ornamita per rozbranĉetoj kaj per tri rozetoj.

— Kaj la Sankta Patro plu iris tra siaj ĝardenoj. Ŝajnis al li, ke en la trembrilo de la hela suno antaŭiras lin knabeto, al tiu li sekvis. Tiel li venis al malgranda, ronda lageto, aliris ĝis ties rando kaj enrigardis. La pinioj reflektiĝis en la klara akvo kaj kreskis profunde malsupren, sed malsupre, sur la plej profunda fundo lumis la blua ĉielo kaj la delikataj, blankaj nubetoj, kiuj preterflugis sur ĝi.

Ĉi tie fratino Agnes interrompis duafoje sian parolkanton. Aliris al la akvopelvo en la angulo de l' korto, sekvate de la monaĥinoj.

»Venu,« diris la diakono, »tio estas tre beleta.« Ili miksis sin inter la monaĥinoj ĉe la akvo.

Unu el ili alportis malgrandan kartonskatoleton, tiun ŝi malfermis malrapide kaj garde.

»Ĉi tiun aktoron havigas mi!« flustris la paroĥestro al la referendario. »Unu el miaj konfirminfanoj kaptas ĝin por mi ĉiujare. Pli frue ĝi loĝis en cigarkesto dum kelkaj tagoj, por prepari sin al la festo, sed la monaĥinoj opiniis, ke tio estas tro kruela — ĉar eble la odoro malplaĉas al ĝi. Nun mi metas ĝin en saposkatolon — supozeble ĝi pli ŝatas ĉi tiun odoron.«

La monaĥino prenis malgrandan ranon el la skatolo — tiun ŝi metis sur la manplaton de fratino Agnes. Ĝi estis rava, malgranda raneto, kiu brilis orverde en la lunlumo. Kaj ĝiaj prudentaj okuloj rigardis tre mire en la mondon.

La blanka mano de fratino Agnes ektremis iomete. »Ĝi estas tute malvarma!« ŝi diris.

Sed tuj ŝi reekprenis sian rolon kaj deklamis.

— La Sankta Patro sidis ĉe la akvo — subite malgranda raneto saltis en lian malfermitan manon.

»Ĝi jam streĉatendas!« vokis voĉo helklara. Kaj ĉiuj monaĥinoj subridis.

»Tiu estas el Vieno« deklaris la paroĥestro, »el la familio de Metternich.«

La malgranda verdulo ne ĝisatendis sian gvidvorton. Ĝi malsuprensaltis — plumps — en la akvon.

Eksonis 'ah' kaj 'ho' — ĉiuj alpremis sin kaj klinis la kapojn antaŭen.

Frank Braun vidis la malgrandan ranon, kiel ĝi saltis kaj enakviĝis. Kiel ĝi naĝis, per rapidaj movoj, el sub la herboj pendantaj trans la randon, preter la rozovolvitaj kolonoj, kiuj reflektiĝis en la akvo. Al la luno kaj al la steloj kaj malsupren en la radiantan ĉielon — de la tero malsupren.

La raneto okupis ĉies intereson, kaj neniu plu atentis la kantadon de la monaĥino. Ŝia raneto faris la samon kiel tiu de la Sankta Patro — sed tiu naĝis tra lumanta sunbrilo. Kaj ĝi malaperis ie, profunde en la fundo — malsupre, en la ĉielo.

»Mi vidas ĝin!« subridante diris la Metternich. »Rigardu, tie ĝi sidas!«

Ĉiuj redeiris de la pelvrando: fratino Agnes staris en la mezo. Ŝi rakontis, ke la papo Urban iĝis tre medita kaj tre serioza. Ke li donis ordonon dissendi cent rajdantajn kurierojn, kiuj rajdvagu kaj esploru kaj serĉu kaj revenigu la kavaliron Tannhäuser al la Kastelo de Sankta Anĝelo.[17]) Kaj li sidis sur sia alta seĝo kaj ne manĝis kaj ne trinkis kaj ne parolis eĉ unu vorton. Longe meditis kaj atendis.

Sed en tiu nokto, kiu estis la nokto de Sankta Johano, li estis promesinta al la dominikaninoj, esti ilia gasto. Estis la unua fojo, ke li iris tien, por festi kun ili la feston de la rozoj por la honoro de Jezuo la Sinjoro. Sed kiam li eniris en la interklaŭstran korton de ilia monaĥinejo, sur lin neĝis blankaj rozetoj kaj pluvis klara vino, kaj li aŭdis la kanton de la piaj fratinoj:

»En ĉiu temp' la Sinjor' mirigas,
Li faras, ke neĝas eĉ en la somer'
Sinjor' Jezuo or-vinon pluvigas
Kaj neĝon de rozoj li sendas al ter'!«

— Fratino Agnes ne parolis tion, ĉiuj monaĥinoj ĝin kantis. Sed supre sur la galerioj subite staris dekdu monaĥinoj kaj pli. La unuj havis pladetojn, en tiujn ili trempis la fingrojn kaj malsupren ŝprucetigis vinon — kiel orajn rosgutojn. Kaj la aliaj jetis rozojn, multajn, multajn, blankajn rozojn, tiuj neĝis malsupren de ĉiuj flankoj sur la klarhele kantantajn fratinojn.

Poste ili silentis: fratino Agnes finis sian rakonton. Sed ŝi ne raportis, kio okazis al la kompatinda kavaliro, ŝi diris nur, ke la papo kun la virinoj surgenuigis sin kaj laŭdkantis al Jezuo la Sinjoro. Kaj la tuto finiĝis per ĝojega glorkanto al la koro de Jezuo, kies pura amo ampleksas ĉiujn kreaĵojn kaj estas multe, multe pli profunda, ol povas kompreni homa pensado.

— La abatino donis signon al fratino Agnes, tiu alpaŝis kaj surgenuigis sin antaŭ ŝia tronseĝo. La abatino diris al ŝi kelkajn afablajn vortojn kaj karesis ŝian vangon; poste ŝi lasis ŝin foriri. Kaj ĉiuj monaĥinoj sidigis sin al la tabloj, trinketis de la vino, manĝetis de la dolĉaĵoj. Estis flustrado kaj subridado kaj babilado kaj mallaŭta ridado en la korto, kiel en knabinlernejo dum paŭzo.

Ree ekstaris la abatino. Diris: »Ni kantu, fratinoj.«

Kvar monaĥinoj elpaŝis, unu maljuna, granda kaj forta, du junaj kaj unu malgranda novicino. Ili starigis sin sub la portikon, kiu estas sovaĝe surkreskita de multegaj rozoj. La grandulino donis la takton per sia rozbranĉeto; kvarvoĉe ili kantis.

»Kantu ni kaj ĝoju ni,
En la rozoj,
Kun Jezuo kaj l' amikoj de li.
Ne longe ni restos tie ĉi,
En la rozoj!«

Kaj ĉiuj kunekkantis kaj helklare sonis en la lunonokton: »En — la — rozoj!«

»La grandulino estas el la familio de Dalwigk,« flustris la diakono, »kaj tiu dekstre, kun la mallonga nazeto, de Romberg.«

»Jezuo donacas vinon de or'
En la rozoj,
Ni tien iru en tiu ĉi hor',
Ni ĉiuj ricevos ĝojon de l' kor'
En la rozoj.
Li nin regalu per ciprovin'
En la rozoj,
Kaj ĉiujn ebriigu nin
Am' lia, dolĉa kaj sen fin',
En la rozoj.«

[17]) Infanoj, kiujn la paroĥestro preparas por la konfirm(aci)o.



Kodak-foto *Studkapo.*

Ili silentis, kaj la abatino ekstaris. »Karaj fratinoj,« ŝi diris »trinku je la amo de la Fianĉo.«[18]) Ŝi eltrinkis sian glason ĝis la lasta guto, kaj ĉiuj kiel ŝi. »Enverŝu!« ŝi vokis. »Enverŝu la ciprovinon!«

Fratino Klara, la baronino Dalwigk, levis sian rozbranĉeton, donis la signon de komenco: tiam la novicino kantis sola. Preskaŭ infano ŝi estis ankoraŭ, tiel juna kaj delikata kaj gracia. Ŝia voĉo sonis kiel fluida lunlumo, kiel pluvo en majo, kiel blankaj rozopetaloj, kiujn Kolombine[19]) ĵetas en la aeron.

»Trinku nun laŭ bela rit'
En la rozoj,
Eltrinku ĉion sen hezit',
Sin montros al vi la Sankta Spirit'
En la rozoj.«

»Ti — ti — taa — taa!« resonis el la klaŭstro. Kaj la najtingalo ekprenis la sonon kaj flutis: »Tu — ti — tii — ti!«

Tiam la abatino mansignis: »Respondu!« Kaj la dolĉa novicino kantis, kun voĉo pli laŭta kaj plena: »En — la — rozoj — — « kaj pli laŭte kaj plene la najtingalo eligis la sonojn: »Ti — ti — tii — tii.«

Ankoraŭ unu fojon, brile kaj hele, kiel hufbato sur lumantaj marmorplatoj, kaj ree, mortante preskaŭ, dolorplene kaj penspire, kiel adiaŭo al ĉiu vivo.

Kaj ĉiam respondis la najtingalo.

Tiam plorsingultis la monaĥinoj. Kaj el la okuloj de la paroĥestro falis du grandaj larmoj.

»Tio estas bela,« li diris, »tiom bela!

Sed la diakono flustris: »Jes. Kaj tre idolaneca.« Sed ankaŭ liaj okuloj briletis malsekete.

La abatino ekstaris. Ŝi diris: »Meze inter ni estas li: Jezuo, la dio de l' amo.« Ŝi prenis sian glason, etendis la brakon kaj trinkis por la sano de la fratinoj.

Ili tintigis la glasojn kaj trinkis. Kaj ili kantis ĉiuj.

»Nun ĉirkaŭiru la glaset'
En la rozoj!
Kaj restu bela memoret'
Pri nia ĝoja societ'
En la rozoj!«

Ekstaris ankaŭ la diakono kaj la paroĥestro kaj la referendario. Kaj ili kantis kun la fratinoj: »En — la — rozoj.«

La maljuna pordistino plenigis iliajn glasojn: sed la malgranda novicino kaj la juna fratino Ursula vigle ĉirkaŭkuris la tablojn, svingis la karafojn kaj enverŝis la vinon. Kaj ĉiuj trinkis kaj kantis.

Poste la abatino mansignis al la paroĥestro, diris lin bonveninta kaj salutis lin. »Rakontu pri la najtingalo, Patro,« ŝi diris ridetante, »kiam vi faros vian raporton por Köln.«

La paroĥestro promesis: »Certe mi faros tion!« Li alvokis la referendarion kaj prezentis lin al la abatino.

Ŝi diris: »Tiu ĉi do estas li — tiu ĉi.«

Ŝi demandis lin pri lia patrino kaj pri aliaj parencoj. Pri lia onklo ŝi ne demandis.

Li donis respondojn, liaj lipoj parolis. Sed li pensis nenion, ĉio, kion li sentis, penetris en la okulojn. Li nur vidis, vidis.

Tie sidis, sur sia tronseĝo, tiu granda, bela virino. Bonkora, sankta kaj serioza — morteca en ĉiu vivo. Nur la manojn li vidis, kaj, ronde eltranĉita, la vizaĝon. Ĉio cetera vestkovrita, severe, en ĉiu faldo formo plej malmilda. Nigro kaj blanko de la ordena vesto. Post ŝi la alta kurteno de la blankaj rozoj, sed ruĝaj rozoj sur ŝia sino — kun ili ludis ŝia mano. Tiu mano de sanktulino, malgranda, dolĉa, iomete ronda.

Kaj brilaj, bluaj okuloj.

Ŝi igis por li plenigi glason per ciprovino — trinkis kun li.

Poste li genuis. Per ambaŭ genuoj sur la ŝtupo de ŝia seĝego, dense antaŭ ŝi. Io tiris lin tien, kaj li genuis.

Li pensis: 'Nun mi devas peti ŝian benon'. Sed li diris nenian vorton.

La abatino levis la manon, iomete tuŝis, nur per la fingropintoj, liajn tempiojn. Rigardis lin, silentante. Tio ŝajnis al li daŭri eternon.

»Kia li,« ŝi diris murmure, »kia li.«

Ŝi levis lian kapon — klinis sin al li samtempe.

Ŝi kisis lian frunton kaj kisis al li ambaŭ okulojn. Tri kisojn ŝi donis al li.

Poste, ho nur per moveto, ŝi repuŝis lin. Eksaltis, prezentis al li la rozbranĉeton.

[18]) Jezuo estas nomata la (ĉiela) fianĉo de la monaĥinoj.

[19]) Kolombine, itale Colombina, la gracia amatino de la arlekeno (Pierrot) en maskofestoj. Baghy uzas »Piero« kaj »Pierino« (Literatura Mondo No 1 pĝ. 11.)

»Iru!« ŝi diris. »Iru!«

Li ekprenis la branĉeton kun la sangrozoj. Sin levis balanciĝe, ŝanceliĝis. Retiriĝis kelkajn paŝojn.

Staris ĉe la parohestro kaj la diakono. Tiuj parolis mallaŭte kaj rapide, sed li ne aŭdis, kion ili diris. Li fiksrigardis transen al la plej bela virino.

Ĉu ne estis la Dipatrino, kiu lin kisis?

La abatino malsupreniris de sia trono, paŝis rapide tra la portiko. Kaj ĉiuj monaĥinoj sekvis ŝin.

Malbrue estis en la vasta klaŭstro. Nur la luno sur la marmorplatoj, nur, rondĉirkaŭe, la blanka rozomaro. Ah — lumado.

»Ĉu la festo finiĝis?« li flustris.

La parohestro diris: »Alie ne. Sed hodiaŭ — ĝi certe finiĝis.« Li prenis lian maldekstran brakon; la diakono tenis lin dekstre. Tiel ili kondukis lin tra la klaŭstro. Ĉe la kolonoj li haltis. »Unu momenton —« li petis, »unu sekundon ankoraŭ —.«

Li rigardis reen. Rozoj, rozoj, blankaj rozoj kaj lunlumo. Unu glaso estis renversita — tie la ciprovino fluis sur la radianta marmoro. Kiel nigra sango fluis la vino. Kaj la najtingalo tremkantis.

Li kunpremis la manon de la diakono. »Pastra moŝto,« li flustris, »parolu. Unu vorton nur — ion ajn! Mi devas aŭdi vian voĉon. Mi volas scii, ke ĉio ĉi estas — realo!«

»Jes, jes —« diris la diakono. »Ĝi estas vero! Venu, juna amiko!« Ili iris tra la monaĥineja ĝardeno, paŝis tra la malgranda pordeto. Ili eniris en la kaleŝon, veturis tra la kamparo. Unue tra la betularbaro kaj trans la ligna ponto de la Angerrivereto — veturigis hejmen la diakonon.

Sed Frank Braun vidis nenion, aŭdis nenion revis la klaŭstron, el kiu la monaĥinoj forkuris, la lumantan korton kaj la multegajn lunrozojn.

»La diakono estas prava,« diris la parohestro. »Tio estis la lasta rozofesto de la rejnaj monaĥinoj.

»Kial?« li demandis. »Kial?«

La parohestro malrapide balancis la kapon. »Tio estis peko tiam, kiam la baronino Lenore Droste kisis la amikon de sia fianĉo — kaj ŝi pentofaris pro la peko kaj prenis la vualon de monaĥino. Ŝi pentofaris pro sia peko dudek jarojn, ĝis —«

»Ĝis kiam?« li insiste demandis. »Parohestro — ĝis kiam?«

»Hodiaŭ nokte, inter vino kaj rozoj, la abatino Beata kisis la nevon de sia amiko — aŭ ankaŭ: ree sian amikon. Laŭ via elekto. Tio estis peko eĉ pli grava.«

Li flustris: »Ĉu peko estis tio? — Peko?«

La parohestro diris: »Ne laŭ vi — kaj eble ne por mi! Eble eĉ ne laŭ la diakono, kiu estas ankoraŭ pli severa. Sed al ŝi, la abatino, tio ŝajnas esti granda peko. Kiso perfidis la fianĉon de ŝia vivo — kaj la fianĉon de sia beateco[20]) — Jezuon, sian savinton ŝi ree perfidis per kiso. En tiu ĉi nokto! — Tio certe estis la lasta festo de la rozoj — do la Köln-anoj estos kontentaj!«

»Kion mi faru?« li demandis.

Lia voĉo tremis, tiam la parohestro karesis lian vangon. »Ĉu vi?« li diris. »Nenion vi povas fari! — Dormu bone kaj preĝu por virino sankta!«

Li ne sonĝis en ĉi tiu nokto. Li dormis firme kaj kviete. — Sed la postan matenon li iris al la parohestro.

»Mi povas tamen helpi al ŝi,« li diris. »Mi volas fari, kion faris mia onklo. Mi volas iĝi katolika.«

La parohestro rigardis lin. Li diris nenion, sed liaj bonaj okuloj radiis de ĝojo. Malrapide li klinetis la kapon kaj etendis al li la manon.

»Mi volas iĝi katolika,« ripetis Frank Braun.

— Sed en la posta tempo li reforgesis tion.

* * *

Forgesis tion — kiel li forgesis la feston de la rozoj, kaj la bonan parohestron — kaj la abatinon. Tiel riĉa estis la vivo. — Nur hodiaŭ li ree pensis al tio, kiam la malnova kanto solvis la vualon de la estintajoj.

Nur tre mallaŭte kantis la orgeno kaj tre mallaŭte sonis la voĉoj de el la ĝardeno. Eĉ ne unu vorton oni povis aŭdi el la kanto, nur la molajn sonojn.

Sed poste plena voĉo ekprenis la malnovan kanton. Vagante tra la ĝardeno ĝi sonis, dolĉe, forte, kiel la plej arda kredo de ĉiu amo.

Kaj sonis:

»Jesu! Dulcis memoria,
Dans vera cordi gaudia.«

El la germana: *Walter Lippmann*



Kodak-foto *Bebo.*

[20]) Beateco: stato de plej alta kontenteco (animtrankvilo, feliĉo), precipe de tiuj, kiuj post la morto estas akceptitaj en la Dian komunumon.

# Serpentoj kaj kompanio

*— Raymond Schwartz —*

La nura fakto, ke sinjoro Pomkuk havis kvindek jarojn, diketan ventron, kompletan kolekton da pipoj ankoraŭ en aktiva servo kaj — krom fiŝhokado — nenian danĝeran pasion, sufiĉas por montri, ke li estis pacama homo. Generale li aspektis kiel afabla melono konfitita en suko de beata sereneco. Tamen hodiaŭ sinjoro Pomkuk ekscite eliris el sia kutima kvieto por eniri kun bruo en la salonon de sia edzino.

Ankaŭ ŝi estis dika kaj jam najbaris la kvindekon, sed mildeco certe ne estis ŝia ĉefa trajto. Tuj unuavide oni konstatis en ŝia sinteno tiun akrecon, kiu akiriĝas konsekvence de longperioda ĉiutaga batalpreteco. Efektive, sinjorino Pomkuk havis lukteman temperamenton kaj defendis sin tre obstine kontraŭ ĉio, malamikoj realaj aŭ nur imagaj, kontraŭ la malfacilaj tempoj, la servistaro, la podagro kaj precipe kontraŭ tiuj sulketoj kaj grizaj haroj, kiuj fatalece postsignas la triumfan marŝon de l' jaroj.

»Ĉu vi konsentos klarigi al mi vian strangan konduton?« sinjoro Pomkuk komencis senaverte, — »ĉar de du tagoj mi vere timas pro via mensa ekvilibro, mia kara Tambura.«

»Via timo tre kredeble estas senbaza,« ŝi respondis atende, »sed bonvolu almenaŭ diri pri kio temas.«

»Nu, vi scias mem, ke mi aĉetis ĉi tiun vilaon nur por cedi al unu el viaj kapricoj. Vi ankoraŭ memoras, kiom da klopodoj mi havis por eltrovi ĉi tiun neston kaj por kontrakti la alproprigon. Nun vi sidas en via vilao kaj mi opiniis, ke ni ĝuos relativan pacon. Bedaŭrinde jam hieraŭ vi deklaris al mi, ke necesas vendi tuj la tutan barakon. Ĝi subite ne plu plaĉas al vi.«

»Ĝuste, — sed vi ŝajne forgesis la kialon. Mi ripetas do, ke la parko estas infektita de serpentoj kaj ke miaj nervoj neniam alkutimiĝos...«

»Serpentoj, serpentoj,« li interrompis, »ĉiam vi troigas. Ankoraŭ ĵus la ĝardenisto certigis al mi, ke de homomemoro oni eĉ la plej mizeran kolubron ne malkovris en la tuta ĉirkaŭaĵo.«

»Ne estas mia kulpo, se via ĝardenisto naskiĝis duonblinda, sed mi scias, ke mi vidis serpenton, per miaj propraj okuloj...«

»Kial ne boaon? — Via serpento estis nur vermo, eble nur fiŝvermeto, kiu sin forŝtelis el mia provizujo.«

»Mi tre petas vin, Gudro, ne daŭrigu senspritan mokadon. Ĉu, jes aŭ ne, vi absolute insistas por ke mi mortu de apopleksio? Mi vidis serpenton kaj punkto!«

»Vidis aŭ ne vidis, egale, ni jam decidis, ke mi vendos la faman vilaon, bone. Sed kion signifas tiu ĉi nova kaprico: vi ĵus maldungis Brasikan.«

»Jes, mi maldungis ŝin. Mi ne povas toleri apud mi ĉambristinon, kiu delogas mian edzon.«

»Kiu... kiu... kion? — Hahaha, hahaha!« — Lia ekrido ne sonis tre sincere, sed des pli laŭte. Poste li englutis sian propran spiron kaj nur hezite kuraĝis postuli la necesajn detalojn.

Sinjorino Pomkuk ne marĉandis: »La pruvo, kiun mi tenas en la manoj, sufiĉas. Jen, rigardu. Post tio Brasika ne pasigos unu pluan nokton sub mia tegmento.«

»Ĉu oni povas vidi la... dokumenton?« li petis kun kelka antaŭtimo.

»Prenu,« — kaj ŝi transdonis al li la fotografaĵon.

Evidente, la situacio komplikiĝis nun. — La bildo tre nete montris kisantan paron. Kvankam la vizaĝoj ne estis videblaj, — ili ja sin kovris reciproke, bildflankon sur bilflanko, — tamen oni facile rekonis Brasikan en la brakoj de sinjoro Pomkuk.

»Hm, hm,« ĉi tiu provis ruzi, »lerte farita, jes, sed kiu estas la falsisto, kiu kunfuŝis tian mistifikaĵon?«

»La falsisto estas mi,« ŝi tranĉis ne permesante kontraŭdiron, »kaj la mistifikaĵo estas aŭtentika. Mi kliŝis ĝin hieraŭ, sinjoro. Tute hazarde mi rigardis en la ĝardenon el mia dormoĉambro, kaj kion mi vidis? Ho fi, fi, sinjoro! — Dank' al Dio mi havis la fotoaparaton proksime kaj kaptis la idilion. Ĉu nun vi almenaŭ konfesos?«

»Nenion mi konfesos,« sinjoro Pomkuk ĵus alkroĉis sin al savanta ideo kaj jam ridetis. »Mi klarigos ĉion kaj vi komprenos, Tambura. Jes, efektive, estis hieraŭ, vi estas prava. Mi troviĝis en la parko, kiam mi aŭdis la ve-kriojn de Brasika, kiu tute tremanta alkuris al mi. La malfeliĉa infano apenaŭ povis paroli, — sed jen mallonge, kio okazis. Ŝi kuŝis sub la avelarbetoj, kiam subite ŝi sentis kvazaŭ pikon aŭ mordon sur la mentono. Ŝi eksaltis kaj kion ŝi vidis? Viperon! Viperon, Tambura, — ŝi vidis viperon apud si. Hajaj! Pikita de vipero. Nu kiamaniere savi ŝin de certa morto? En tiaj cirkonstancoj ekzistas nur unu sola rimedo: Tuj elsuĉi la venenon...« kaj sinjoro Pomkuk aldonis ne tre fiere: »Mi faris al ŝi la servon, kompreneble, — kaj mi konsentas, ke de malproksime vi rajtis kredi, ke mi kisas ŝin. Sed kia supozo, Tambura!«

La senkulpigo ne estis mallerta. Ĝi iomete ŝancelis la definitivan opinion de sinjorino Pomkuk. Tamen ŝi deziris rezoni:

»Kial vi ne vokis la ĝardeniston por elsuĉi la venenon? Samtempe li estus havinta okazon konstati, ke malgraŭ ĉio serpentoj svarmas en la regiono.«

»Jes, jes, pri tio mi pensis, sed li laboris antaŭ la domo kaj vere urĝis, mia kara. Kelkfoje altrudiĝas al ni devoj humanaj, kies plenumon honesta homo ne prokrastas...«

»Kaj kial mi aŭdis nenion pri tiu... akcidento de Brasika?«

»Kiel? Ĉu vi ne jam sufiĉe maldormas pro la serpentareroj? Ĉu necesis ankoraŭ pli turmenti vin? Ha ne! Mi severe malpermesis al Brasika eĉ nur aludi la fakton. Kompreneble, se mi estus suspektinta, kion vi imagis...«

Nu, la konkludo de tiu ĉi geedza konversacio estis, ke sinjorino Pomkuk ankoraŭ la saman tagon, kvankam sen ia entuziasmo, sciigis al Brasika: »Vi povas resti ĉe ni, — sed de nun atentu la serpentojn!

Kaj sinjorino Pomkuk pripensis sian venĝon, ĉar tion ŝi sentis, ke ŝia aŭtoritateco multon perdis en la okuloj de l' servistaro.

Pasis kelkaj tagoj, ne tial, ke la venĝo estas, laŭ aserto de proverbo, kuiraĵo, kiun oni manĝu malvarma, sed tial, ke sinjorino Pomkuk ne havis viglan kombintalenton. Ŝi atendis taŭgan okazon kaj tiu ĉi okazo verŝajne ne estus baldaŭ prezentiĝanta, se la ĝardenisto ne estus havinta personan konton kontraŭ la mastrino. Fakte ŝi insultis lin »impertinenta azeno,« ĉar malgraŭ la akcidento de Brasika li obstinis pretendi, ke en periferio de tricent kilometroj neniu iam vidis viperon.

Do, tiun tagon sinjorino Pomkuk promenis tra

# Aventura tago

— F. Szilágyi —

I.

Rapide! Rapide! Belega, suna tago! Senhezite mi matenmanĝas, surmetas mian vintran vestprovizon kaj ekiras en la eta marborda urbo al la golfo. La pentrindaj, vivaj koloroj de la havenurbeto, la ruĝo, verdo, flavo kaj bluo de la etaĝaj lignodomoj, — (kiel ĉarmaj ludiloj) — bonhumore ridas al mi en la serena, vintra mateno. Mi rigardas la termometron de la marborda horloĝisto. — stranga homo, tutan tagon li sidas en la butikfenestro, antaŭ li la granda, libera, majesta maro kaj li rigardadas, observas polverojn inter etaj ŝraŭboj kaj radoj — nu, mi rigardas la termometron. Ho! 10 gradoj! Mi iomete suroreligas mian novan peltĉapon, iomete kuntiras la flugilojn de mia surtuto, — pardonon, la baskojn kaj poste mi konstatas, ke hejme mi fakte frostas, kiam la termometro time dancetas ĉirkaŭ la nulo kaj ĉi tie mi serĉas kaj ĝuas la malvarmon.

Ĉio estas glacia, la tero, la golfo. El la direkto de la proksima insulo, — kiel ĉarme ĝi malhelas el la blanka panoramo — alvenas la unua matena ŝipeto kun plena vaporo, tusadante ĝi rompas la marglacion. Ĝi havas malfacilan laboron, ĝi estas en la kanalo inter la glacio. Sed ĝi estas la unua.... same, kiel ni pri Esperanto; kiuj venos post ni, certe facile komunikiĝos.

Singardeme mi paŝadas sur la glacia tero, mi jam scipovas bone marŝi sur ĝi, nur unufoje mi falis antaŭ kelke da tagoj. Sed, verdire, tiam mi havis grandan grandan publikon, mia tuta lernantaro atendis min. La afero estis tre interesa. La sceno prezentis la koreografion de tiu okazo, kiam iu pene *volas* fali, nazaltere, sed li ne sukcesas. Tamen, fine, rezulto kronis mian ŝvitan penadon kaj mi efektive falis nazaltere. La aĉan aplaŭdon kaj ridegon de la ĉeestantoj iomete senkulpigas la fakto, ke ili ankoraŭ nur *lernas* Esperanton (kaj la internan ideon).

Sur la bordo ankaŭ nun staradas, iradas kelkaj indiferentuloj, ilin ne tro interesas la marspegulo, la norda suno, kiu honteme iradas ĉe la rando de la horizonto, singarde evitante la ĉielmezon, kvazaŭ eksreĝo, kiu sopirplene rigardadas al la iama trono. Mi tre ŝatas la aktualajn metaforojn.

Nun mi forlasis la lastajn domojn, komenciĝas la regno de la neĝo kaj abioj kaj brunaj granitrokoj. — Ĉu ne bazaltoj? Ŝajnas al mi, ke mi ne ĉeestis la lecionon, kiam ni lernis pri tiuj aferoj. — Iom post iom mi grimpas supren kaj antaŭen. Silento! Kelkfoje birdeto ekpepas indigne, nun sciureto rigardadas min kun petole filozofia mieno, sed la abioj malhele, senmove rektiĝas, por ke ili iel ne rompu la harmonion de la silento kaj glacio. Sur la maro la glacio kuŝas senpeze, kvazaŭ vualo, mi vidas bone la spire glaciiĝintajn ondspiralojn.

Plenpulme mi enspiras la malvarmon, la puran blankon, la bluan ĉielon, la horizonton kaj la silenton. Mi rigardas suden. Tie, jes, sude, vi ne scias, tre estimataj gesamide..., huhh, mi volis deklami, sakrilegio! Mi paŝadis, grimpadas plu. Sur la neĝo malmolaj galoŝpostsignoj, eble mi mem lasis ilin tie la lastan fojon. Kaj jen, tie ĉi hundo sekvis ian rabajon. Kaj poste ĉesas la piedsignoj kaj nenio asertas plu, ke depost la historia komenco iu kuraĝis prirabi la sanktecon de la norda silento. Mi daŭrigas mian vojon. Silento! En London, Paris, Berlin, Wien, Budapest ne estas silento, tie oni pugnigas la manojn...kaj — ne, mia kara, restu silenta, ne verku gvidartikolon... silenti... silenti, ...ripozi en la silento.

Rigardu! Rivereto fluas, jes fluas en la dekgrada malvarmo, sed subite ĝi malaperas en la neĝo kaj glacio. Kie ĝi estas? — mi demandas, kaj la glacio krakas kaj la rivereto petole-moke ekplaŭdas ĉirkaŭ mia

---

la ĝardeno trenante post si piedon pro podagro lamantan, kiam ĉe vojturniĝo ŝi konsternite ekhaltis apud sunbananta serpento. Krio kaj sveno! La pezo de l' korpo kuntiris en la falon junan rozujon kaj ĝemante Tambura Pomkuk liberiĝis el la impliko de l' dornoj. Tiam preskaŭ riĝidiĝis ŝia sango en la vejnoj pro terura konstato: Ŝi estis pikita. Tre senteble ardis vundeto sur ŝia dekstra postvango. Sed rekonsciiĝinte ŝi komprenis, ke la serpento verdire ne havis tempon kontakti kun la dirita korpoparto, nur dornoj de l' rozujo vundetis ŝin. Tamen necesis ekspluati la situacion, kaj tial ŝiaj helpokrioj ekvibris tiel alarme, ke sinjoro Pomkuk lasis fali sian pipon kaj Brasika la kafopoton. Ambaŭ alkuris senprokraste kaj alkuris samtempe la ŝoforo, la kuiristino, ŝia filo kaj du scivolemaj najbaroj.

»Gudro, Gudro,« sinjorino Pomkuk ankoraŭ kuŝanta lamentis, »pro la bona Dio savu min, — mi estas pikita de vipero. Rigardu, ĉi tie sur mia dekstra...« ŝi diris »femuro« pro ĉeesto de l' servistaro. »Ho rapide elsuĉu la venenon aŭ mi mortos!«

Sinjoro Pomkuk ne ŝatis fortajn emociojn. Li viŝis sian frunton. Ŝajnis al li ridinde sin humiligi ĝis tia komedio.

»Trankviliĝu, kara, tre certe ne estis serpento...«

»Gudro, urĝas, urĝegas, — kelkfoje altrudiĝas al ni devoj humanaj, kies plenumon honesta homo ne prokrastas. Ĉi tie, sur la dekstra femuro.«

»Sendube estis nur dorno, vi ja sidas meze de l' rozujo.«

»Ne, ne, mi ĵuras, ke mi vidis serpenton: ĝi kuŝis sur la vojo, tie...« kaj tion dirante sinjorino Pomkuk ekleviĝis kaj refoje ekvidis la serpenton kaj kiel trafita keglo nun definitive renversiĝis.

Nun ankaŭ ŝia edzo kaj la atestantoj rimarkis la beston. Ĝi neniel moviĝis. Feliĉe, sinjoro Pomkuk sukcesis ne ridi kaj li faris mutigan signon al la aliaj. Serioze li prenis la beston, tre detale ekzamenis ĝin kaj konstatis kun plezuro:

»Ho ĝoju, Tambura, ĝoju kaj ne plu timu. Vi ne mortos, ĉar vi venkis. Dum tiu ĉi venenbatalo vi montriĝis la pli forta: Estas la serpento, kiu mortis!« — Tiam per larĝa gesto li ĵetis la serpentaĵon inter la proksimajn arbojn...

Embuskinte en la boskaĵo la ĝardenisto tenis alterne sian ventron kaj sian buŝon por sufoki tro bruan ridon.

»Hej kukurbaĉo!« li konfidis al sia taŭzita barbo. »se la Pomkukin' nun svenos ĉiufoje, kiam ŝi renkontos kaŭĉukan pecon de miaj malnovaj ŝpructuboj, ni havas ankoraŭ provizon da plezuro!«

Kion la ĝardenisto ne diris, estas, ke li zorgis tre konscience per tranĉilo kaj krajonoj pri plejebla serpentsimileco de siaj tubopecoj.

# KRIMO

— I. Agârbiceanu —

La tablo estis primetita. En larĝa kaj profunda telero vaporadis fasta kuirajo: la vinagra odoro dispenetris tra la domo, pliigante la apetiton, kiu jam delonge kvakadis en la malplenaj stomakoj. La du blonduletoj, kun bluaj okuloj, kun vizaĝoj ruĝigitaj de la printempa suno, malpacience proksimiĝis al la tablo. Ili tiom multe similis, ke ili ŝajnis ĝemeloj. Bruna knabineto, proksimume okjara, sidis sur benketo, en la angulo apud la loko de l' avo. La maljunulo, blankega, kurbdorsa, kun okuloj malklaraj kvazaŭ pro dormemo, ŝoviĝis preter la kontraŭa parto de l' tablo, kaj li silente sidiĝis apud la knabino. La lignokuleroj atendis servemo. La patrino elujigis la oran mamaligon sur lignan teleregon kaj diris al unu el la du knabetoj:

— Petro, voku vian patron.

Petro elrapidis. La maljunulo levis siajn okulojn kaj ne plu forigis sian rigardon de la pordo, ĝis la reveno de la knabo. Ankaŭ la patrino ŝajnis maltrankvila.

— Li diras, ke li ne manĝemas — raportis Petro enirante kaj ĵetante sian ĉapelon sur la liton, kvazaŭ ĉagrenita.

La maljunulo tiom sin kuntiris, ke lia barbo surtabliĝis.

— Kio, ĉu vi malpaciĝis hodiaŭ dum la plugado, Joan? — demandis la patrino kun pala vizaĝo.

— Ne, panjo, — respondis Petro. Paĉjo silentis tutan tagon. Eĉ tagmeze li manĝis preskaŭ nenion.

Je tiuj vortoj la maljunulo ŝajne volis tusi, sed li povis eligi nur malfortan, sekan stertoron. Liaj okuloj fikse rigardis la tablon.

— Ĉu li havis ian disputon kun vi, oĉjo? — demandis maltrankvile la patrino.

— Ne. Mi estis ĉe la pordego, kiam li revenis post la plugado, sed demandinte lin, ĉu marŝis la laboro, li nenion respondis. Li eĉ ne rigardis al mi — respondis la maljunulo ne movanta sin, kvazaŭ li estus el ligno.

La patrino eliris en la korton. Plenvesperiĝis: la ĉielon kovris pezaj pluvonuboj. Printempa bonodoro ŝvebis dolĉe en la varmeta aero. En la korto regis trankvilo, ie malproksime bojis hundo.

— Kie vi estas, Georgo? Ĉu vi aŭdas, Georgo?! — kriis la edzino vane serĉanta sian edzon.

Sed li ne respondis, kaj, ankaŭ en la stalo serĉinte lin, la edzino eniris la domon. Apenaŭ ŝi fermis la pordon, el la veturilo, kiu staris meze de l' korto, leviĝis malviglulo. Li malsuprenigis sin kaj iris en la domon, blasfemanta kaj brufermanta la pordojn.

— Vi estus povintaj vespermanĝi ankaŭ sen mi, — diris la patro, proksimiĝante al la tablo kaj krucosignante. Ĉiuj leviĝis kaj laŭte preĝis.

— Ne malutilas al vi sorbo da varmaĵo — diris la edzino.

— Nur mi povu engluti ĝin, — respondis la edzo.

Dum kelkaj momentoj estis aŭdebla nur la sorbetado el ses kuleroj. La kuleroj de la du knabetoj kaj

---

galoŝo, sub mia plando: »Mi estas ĉi tie, ridinde, ĉu ne?« Mi povis savi miajn ŝtrumpojn nur en la lasta minuto. — Kaj nun malaperis la lumturo sur la paralela insuleto kaj mi estas sola kun la maro. Senfina, sfinksa maro, surborde rokoj, virga neĝo, silento kaj verda eterneco: eĉ piedsignoj ne memorigas pri la efemereco de la vivo.

Eĉ piedsignoj ne... Sed rigardu! Kiel strangaj telersignoj rondiĝas en la neĝo. Jen, denove du kaj en la mezo, malgrandaj kavetoj. Kiel grandaj piedsignoj! Strange! Kia besto havas tiel grandajn piedojn? Interese! Kia besto...? Subite mi rememoras, mi estas en Svedlando, vintro, neĝo, abioj,... glaciurso, jes, jes, nur glaciurso povas esti! Tra mia dorso frosto kuradas. Ĉu mi imitu mortinton? Oni diras, ke tio estas plej oportuna kontraŭ la ursoj. La piedsignoj multiĝas en ĉiuj direktoj. Mi ŝvitas. Mi timas, ke mi tro fidele imitos la mortintojn. Terure! Mi havas nur poŝtranĉileton. Mi ridas pri mi, kiam mi ĝin ekprenas. Kaj poste mi ekkuregas, tra rokoj, arbustoj, glitaj glacitabuloj. Spirege mi kuras. Malproksime, tre malproksime estas la haveno. Mi kuras senspire.

Kaj tiam, tute ne atendite, aperas antaŭ mi la giganta, terura besto. Antaŭ semajnoj mi moke priridis ĝiajn parencojn en la stockholma zoologia ĝardeno... trakuras la penso mian cerbon. Sed ne estas tempo por mediti... la minacaj ungoj scivole ŝiras de mia kapo la ĉapon, kiun mi aĉetis antaŭ kelkaj tagoj. Vere mi neniam estis humila dum mia vivo. Jen la puno! Kun la blinda riskemo de l' malespero mi ekpikas plenforte la dikan felon de la besto. Ho, mi malfeliĉulo. La klingo rompiĝis, sed la urso nun jam kolere klakigas la dentojn. Kaj nun komenciĝas sovaĝa batalo, mi terenfalas, sed ekprenas ŝtonegon kaj albatas la kapon de la urso. Ekkrako! La urso eksvenetas, sed poste kun plena furiozo atakas min ree. Abio ĝemante falas. Vasta rokopeco ruliĝas al la maro. Rompiĝas la glacio. Ruĝa nubo ŝoviĝas antaŭ la sunon. La urso rektiĝas. Brrr! Hurlo, fantoma, facila gesto kaj la urso jam deŝiris mian nazon. Mi svenas kaj en subkonscia vualo mi demandas min: kial vi havis tiel grandan nazon? La urso ne laciĝas. Per unu movo ĝi ĉifonigas mian belan surtuton. Sur mia jako ekbrilas la verda stelo. Ho, kara verda stelo! Enterigu ĝin kun mi, se restos io el mi! Neniu, neniu venas. Sed kio estas tio...?

II.

La buŝo de la urso rideme larĝiĝas:

— Ĉu vi estas Esperantisto? Mi tre, tre bedaŭras.. kara Samideano... kial vi ne havas insignon sur la surtuto... pardonu min.. mi redonas al vi...

Kaj ĝi premas en mian manon mian deŝiritan nazon...

III.

Nu fine! Triumfo! Fine mi sukcesis verki modelan esperantan novelon. Modela esperanta literaturaĵo! Kaj nun mi sendas ĝin al vi. Mi estas grandanima! Sed, kiel distra mi estas, mi forgesis la Virinon. Kara Leganto, mi jam ne havas tempon, mi petas vin, korektu ĉie la singularon tiel: »Ni rapide matenmanĝis... Ĉu vi estas Esperantistoj...? ... La urso metas en niajn manojn niajn deŝiritajn nazojn... Kaj fine ni ekstaros — la Virino kaj mi sur la roko kaj dankeme ni interkisiĝas en la ruĝaj radioj de la triumfanta suno kaj vivuas la originalan esperantan literaturon, el kiu elkreskis tiu ĉi belega rakonto.

# Mahatma Ghandi

— Georgo Verda —

Antaŭ kelka jaro la tutan mondon trafulmis la terura famo, ke Ghandi kaj lia sekvantaro marŝas al la maro por tie eligi iom da salo el potpleno da mara akvo. Anglujo la unua eksentis la guston de tiu iomo da salo, per kiu la profeto spicis sian nekutiman en la historio batalon, kaj kiel oni povas konkludi el la pli posta disvolviĝo de la aferoj, tiu ĉi pinĉpreno da salo tamen sufiĉis por la tuta ronda tablo en Londono. Ankoraŭfoje ni konvinkiĝis, ke kuirado tute ne estas tiel facila arto, precipe la spicado devas esti modera kaj laŭmezura. Ekz. Anglujo mem kuiris kaĉon en Hindujo kaj mi vetas, ke neniu dezirus ĝin manĝi, inkluzive Anglujon mem. Verŝajne mankis en ĝi la spicaĵo, la salo. Ĉar ne sufiĉas sole regali per kaĉo, se ĝi ne havas guston aŭ sencon. Bona kuiristo mem gustumas la manĝaĵon antaŭ ol li servas per ĝi.

Ni en la t. n. »civilizita« Eŭropo havas kompreneble malsaman pensmanieron, ol la »primitivaj« hindoj, kiujn ni opinias nekapablaj por memregado. Se iu el ni, ĉasante Ghandisimilan gloron, dezirus ĝin akiri — ni diru — per salo, li ne farus tiel naive kiel Ghandi, kiu perdis multajn tagojn de marŝado por elsorĉi el la maro pinĉprenon da salo, sed li tuj komencus ekspluatadon de kolosa salminejo kun centoj da ŝaktoj. Respektive, se li jam ekdecidus marŝi al la maro demonstracie, li tie realigus gigantan elektrifikadon. Ne domaĝas, se oni dum politika batalo ĉe okazo faras bonan negocon. Tio estas Eŭropo, civilizo, dudeka jarcento. Kian respekton Eŭropo povas havi por diplomato, kiu en sia kariero atingis apenaŭ malgrasan kaprinon? Kaj ĉu vi ĝenerale jam vidis politikiston, kiu trinkas kaprinan lakton?

Tamen Ghandi ne estas politikisto, sed sankta profeto, Mahatma. En la »senprogresa« Azio oni ankoraŭ naive kredas, ke ne sufiĉas, kiel en Eŭropo, la sola karieremo aŭ absolvo de diplomata lernejo por gvidi popolon, sed necesas fajrero da dia inspiro kaj senkompromisa sinoferemo. Tie vivas ankoraŭ la dia vorto, almenaŭ. En Eŭropo eĉ la dia vorto jam ĉesis ekzisti. Niaj hejmaj sendiuloj kiuj kun abomeno forskuas de si ĉiun penson pri Dio, por ĉia prezo volas ankaŭ forigi la dian vorton. Ili ne volas kompreni, ke se dio mem jam mortis, restis tamen lia vorto, kiu ampleksas multon belan kaj spiritaltigan kaj ĝin oni povas respekti. Kiel ili interpretas la fakton, ke la granda Ghandi, kiun ili eble apoteozas ne malpli ol la hindoj, klinas sin respektoplene antaŭ la sanktaj bildoj de Hindujo? Sendube, Mahatma estas religia homo, kiu, eĉ se li konscius, ke dio jam mortis, respektas la dian vorton, lian testamenton. Ghandi do estas profeto, kaj profeton, kiu trinkas kaprinan lakton ĉe ŝpinrado, nia eŭropa menso kapablas facile percepti. Tio por ni estas ne nur agrable-ekzotika, sed ankaŭ fabele-romantika. Verŝajne ĉiuj antikvaj profetoj trinkis kaprinan lakton kaj uzis ŝpinradon.

Nia generacio estas atestanto de naskiĝo de nova

---

tiu de la knabineto rapide moviĝis inter la telero kaj la buŝo, ili manĝis avide. La maljunulo pli multe palpludis ol manĝis: dum li portis ĝis la buŝo peceton da maizaĵo kaj kulerplenon da acida suko, la knabino apud li kvinfoje elsorbis sian kuleron. Ŝajnis, ke la apetito de l' edzino forpasis. La edzo subite ĉesis manĝi kaj metis sian kuleron sur la tablon.

— Mi finis. Ĉu vi vidas, ke mi ne sukcesas ĝin engluti? — li diris al la edzino, sin rigardante per la ardaj okuloj, en kiuj ŝajne kaŝiĝis malbona intenco.

La edzino ne respondis al li, sed ektremis. La maljunulo restis kun kulero etendita al la telero.

— Mi ne povas manĝi trankvila, ĝis kiam tiu ĉi maljuna sentaŭgulo min turmentos.

— Georgo! — ĝemis la virino, ĵetante la kuleron sur la tablon. — ĉu vi komencas denove?

La maljunulo kuntiriĝis en sia angulo, tiom senforte li tusis, ke li ŝajnis tuseti nur el la buŝo.

— Estas facile al li: kuŝadas kaj manĝas. Li dormas, manĝas kaj ankoraŭ ne mortas! — kriis raŭke la viro. Je lia krio mutiĝis ankaŭ la kuleroj de la geĵunuloj: la du knabeloj prenis siajn ĉapelojn kaj eliris en la korton, la knabino deiris de sur la benketo kaj suriĝis en la liteton.

— Vi malbonigis al ni ankaŭ tiun ĉi vespermanĝon, — diris la virino per mallaŭta voĉo... Mi timas, ke Disinjoro punos nin ĉiujn pro vi. Ĉu ne estas domaĝe!

— Domaĝe? Kial?

— Li estas via patro, via patro, kiu edukis vin kaj kies domo ŝirmas nin ĉiujn.

— La domo estas la mia, ĝi estas nun skribita je mia nomo. Kial li ne skribigas por mi ankaŭ la reston de l' bieno, kiun li ankoraŭ posedas? — La edzo rigardis per malicaj okuloj al la maljunulo, poste li naŭze kraĉis flanken.

— Ankaŭ tiu estas la via, — diris kun ĝemo la edzino, — sed sciu, ke ĝi nenian feliĉon alportos al ni.

— Ĉu vere ne? — demandis la edzo, desaltinte de la seĝo. — Kaj kial ne?

— Vi tro deziras ĝin kaj tre multe turmentas la maljunulon. Dio vidas.

— Ne, vi mensogas, — kriegis Georgo. — vi eksciis ion de la maljunulo. Li donos ĝin al mia frato Vasile! Ĉu ne estas vere, ke li diris al vi tion? Ĉu ne vere: li donos ĝin al li! Tial vi diras, ke ĝi ne alportos al ni feliĉon.

La edzino terurite lin rigardis: neniam ŝi vidis lin tiom ŝanĝita, li ŝajnis freneza, liaj okuloj volis elsalti el la kapo kaj estis malklaraj, kiel du buletoj el koto.

— Krucosignu, Georgo, ĉar la diablo tentas vin, — diris firmvoĉe la virino. — Vi scias, ke Vasile-n kaj la aliajn fratojn kontentigis la maljunulo. La parto, kiun li ankoraŭ posedas, restos al vi. Vi ja havas lian promeson donitan antaŭ kvar atestantoj, vi havas la konsenton de la fratoj.

— Tio ne sufiĉas! Li venu kun mi en la urbon por skribigi ĉion, kion li ankoraŭ posedas, por mia nomo. Hodiaŭ, ne, — morgaŭ li venu. Ĉu vi venos, maljunulo?

La maljuna homo malrapide levis siajn palpebrojn; senlima doloro aperis en liaj brilmankaj okuloj.

— Ne, Georgo, mi ne povas! — li flustris.

— Ha! Vi skribigis ĝin por Vasile? — blekis la viro.

— Mi ne skribigis ĝin por li, — respondis trankvile la maljunulo.

— Sed vi skribigos ĝin por li! Ĉu ne vere, ke al li vi donos ĝin.

— Ne. Ĝi estas la via.

— Do vi venos morgaŭ kun mi en la urbon?

religio en la mondo, la Gandianismo, sed ni apenaŭ konsciigas al ni la procezon de ĝia genezo. Jam nun milionoj da homoj apoteozas Mahatmon, kiu, ankoraŭ vivante, fariĝas legendo. Post kelkaj jardekoj la hindoj fabelos pri la granda miraklo, kiun li faris ĉe la maro elsorĉante el ĝi salon, kiu difektis la stomakon de Eŭropo. Se en tiu tempo Hindujo estos jam libera, li fariĝos serena dio, sed en la mala okazo lia misio ne jam estos finita kaj li devos ankoraŭfoje reveni en nova enkorpiĝo por elaĉeti la suferantan popolon de Hindujo.

Nun antaŭnelonge la mondon skuis nova famo pri la protestmalsato de Ghandi. Tio jam plene pruvas la nepraktikan pensmanieron de tiu sankta viro. Por ni estas klare, se iu protestas pro malsato, sed — kiel ni vidas — en Azio oni malsatas por protesti. En Hindujo la popolgvidanto malsatas por kunligi la diversajn kastojn, ĉe ni oni lasas la popolojn malsati por tiom pli disigi ilin. Ni do ne povas diri, ke Ghandi posedas eŭropan kulturon: kvankam li studis sur nia kontinento.

Ĉu la hinda profeto volas imponi al Eŭropo per malsatomorto? Naive. Se ni, dank' al Dio, milionoj da homoj konas tiun arton, sed kun tiu diferenco, ke ĉe ni ne faras ĝin la popolgvidantoj kiel en Hindujo. Alia afero estus, se ankaŭ niaj gvidantoj volus imiti la malsatadon de Ghandi. Supozeble neniu el ni kontraŭstarus tion. Tamen la kelktaga malsatado de Ghandi estis celtrafa. Ĝi estas tre primitiva, sed ĉiam efika rimedo. Kiu el ni, en la infanaĝo, ne praktikis ĉi tiun bonegan kaj neniam espertrompan rimedon kontraŭ la gepatroj? Sufiĉis nur elpepi infanvoĉe la lakonan »mi ne volas manĝi« por en unu momento venki la patrinon kaj akiri de ŝi ĉion deziritan. Do ankaŭ Ghandi aplikis tiun infanan rimedon kaj sukcesis. Ni, kiuj cinike-indiferente rigardas la malsatomortadon de milionoj (kiu ankoraŭ povas dubi la efikecon de la eŭropa skolo?), ni kun retenita spiro sekvis ĉiutage la gazetdepeŝojn pri la sanstato de la malsatanta Hindo. Kaj mem la hinda popolo forte impresiĝis de tio.

Malkaŝe konfesante: facile estas malsati, kiam oni dum multaj jaroj nutras sin per kaprina lakto kaj iom da rizo. Sed ĉu Ghandi sukcesus realigi tiun malsatadon, estante civilizita vera eŭropana manĝulo? Konante la mil kaj unu manĝaĵojn kaj aperitivojn de moderna eŭropa restoracio? Mi dubas. (Tion mi ne diras por iamaniere piki la eŭropan kuirarton. Dio gardu! Kontraŭe, se la redakcio pagos al mi pro ĉi tiu felietono tiom, ke mi povos aĉeti tagmanĝon en eŭropa restoracio, mi estos feliĉa...) Kredeble ankaŭ niaj gvidantoj ekprotestus, se oni volus nutri ilin sole per rizo kaj kaprina lakto.

La granda kaj saĝa Ghandi aplikas ŝajne malgrandajn kaj naivajn rimedojn. Li volas per pinĉpreno da salo elmordi la okulojn de siaj kontraŭuloj kaj per infansimila protestmalsato eldevigi grandiozan agon el la hinda popolo. La historio nin instruas, ke la genezo de ĉiu religio fariĝas per similaj ŝajne negravaj agoj de kredo. Nur ni timas, ke kiam Gandianismo ĝeneraliĝos kaj ĝia eklezio firmiĝos, ĝiaj pastroj ordonos al la ŝafaro sekvi la vojon de l' Majstro kaj morti de malsato, respektive manĝi salon, dum ili por si mem konservos la rizon kaj kaprinan lakton. Tiel parolis la sankta Ghandi — ili instruos en siaj temploj — kaj tiaj estas la simboloj kaj dogmoj. En la primitiva Azio ĉio ja estas ebla...

---

— Mi ne povas!

— Ĉu vi ne venas?

— Ne. Mi volas morti en mia domo. Kiel mi konas vin: tuj post mia skribdono al vi, vi elĵetus min, forpelus min kiel hundon! Kiel malfeliĉa mi estas, ke vi estas mia plej eta filo, kaj kun vi mi devas vivi en mia domo.

— La mia, ne la via! — kriis la viro, rondturnante siajn ruĝajn okulojn.

— Bone, estu la via! Mi volas morti tie ĉi.

Post silenta intertempo, dum la filo fikse rigardis sian patron, li kliniĝis iom al la maljunulo, super la tablo, kaj diris flustre:

— Bone!

Kaj li eliris en la nokton kun kapo nekovrita.

II.

... Kia varmo regis, kiam li kuŝiĝis en la postfojno, supre en la subtegmento! Estis parfumita fojno, delikata kiel flanelo, konservata por printempo, kiam la laboro de l' bovo estas pli malfacila. Baraktante, Georgo enprofundiĝis en ĝin, eble pro tio li ŝvitis tiom. Ankoraŭ penetris en la subtegmenton ankaŭ varmetaj ventondoj, kaj li bolegis, ĝuste kiel en kaldrono. La varmo altiĝis precipe en lian kapon zume turniĝantan, sed la ŝvitego tute envolvis lian korpon... Kaj kiom frosta estis nun la aero, kiam li malrapide paŝetis malsupren sur la ŝtupetaro de la subtegmento! La vento ne blovis kaj al li tamen ŝajnis, ke glaciolancoj pikadas lin de ĉiu flanko. La ĉemizo gluiĝis al liaj dorso kaj brusto, kaj Georgo apenaŭ povis spiri inter tiuj ĉi du frostaj metalplakoj. Liaj dentoj grincis en la buŝo, kvankam li plenforte klopodis teni ilin kunpremitaj, por ne fari bruon. Tia silentego estis, ke bone aŭdiĝis la spirado de l' bovoj en la korto.

Georgo atente malsuprenigis sin sur la ŝtupetaro kaj senbrue proksimiĝis al la ligno-amaso. Li iris rekte al la lignokapro, kie kuŝis la hakilo. Kvankam vespere li intence metis ĝin tien por ke li trovu ĝin rapide, nun li timtremis ĝin ekvidante. Li deziris serĉadi ĝin pli longe. Tamen li kliniĝis kaj fulmorapide ĝin levis. Sed tiumomente li sentis, ke malvarmaj gutoj falas sur lian manon. Kvankam liaj dentoj frostogrincis, lian frunton kovris gutegoj, kvazaŭ li estus dorminta kun vizaĝo al la ĉielo, kaj la pluvo estus lin plenŝprucinta.

Li spirblovis pene kaj tiom brue, ke li volis rompi sian bruston per la maldekstra brako, por fari trankvilon. Mallaŭte, malpeze kiel kato, li proksimiĝis al la domo. Ie malproksime hundo maĉis kaj Georgo tiel forte ektimis, ke li faligis la hakilon. La feraĵo senbrue falis sur la sablon, sed la viro ekkaŭris, volanta unuiĝi kun la tero. Li preskaŭ sufokiĝis retenante sian spiron. Sed post iom da tempo li firme leviĝis kaj per salto atingis la pordon. Li malfermis ĝin tre singarde, sed je lia timo-miro, la pordo ne knaris. Ŝajnis, ke ĝi eĉ ne estas el ligno havanta akson, sed nur el kurteno kun malpeza ŝtofo. Li restis rigida ĉe la sojlo. Sed baldaŭ li rememoris, ke li eniris nur la antaŭĉambron, ĝis la loĝejo ja estas ankoraŭ alia pordo. Eble tiu faras bruon. Ho! kiom li sopiris fari teruran bruegon, por ke vekiĝu ĉiuj hejmanoj! La ŝarĝo premanta lian koron estis tiom turmente peza, ke ĝi ŝajnis kaŭzi lian morton en ĉiu momento. Li ŝvitis kaj kapturna ventokirlo lin kaptis.

Sed la interna pordo malfermiĝis same trankvile. La spirado de l' dormantoj estis regula kaj profunda. Ili tiom laŭte ronkis, ke oni estus povinta tion aŭdi eĉ de la komenco de l' vilaĝo. Kvazaŭ kaptita de frenezatako, Georgo alsaltis kaj per la hakilo levita ĝis la trabo, li frakasis la blankan kapon de la maljunulo. Kia sono seka! Ŝajnis, ke li trafis arbotrunkon. La

ronkado tuj ĉesis kaj, konvinkiĝinte pri tio, Georgo salte atingis la pordon...

Ah! kiel turniĝas lia kapo! Li ekpalpas sian kapon kaj tuj eksentas ion malmolan kaj malvarman. Li alkroĉas siajn manojn al tiu aĵo kaj tenas sin tutforte. Ŝajne li pendas super abismo terurega...

Fine malfermiĝis liaj okuloj kaj en la matenfrua malhelo li ne povis konstati, kie li troviĝas. Li tenis siajn manojn alkroĉitaj al subtegmenta trabo, profunde sub la tegmento. Li estis proksimume je kvin paŝoj de la loko, kie li kuŝiĝis vespere.

— Mi certe alpuŝis min al tiu ĉi trabo, kiam mi forsaltis de la maljunulo, diris li al si. Ne estas mirinde, ke turniĝis al mi la kapo.

Dumlonge li nenion komprenis, stulte rigardadis, kun manoj kroĉe tenantaj la trabon.

— Sed, — li demandis de si, — kiel mi povis salti de la maljunulo ĝis tie ĉi, al la subtegmento? Ĉu mi ne kuŝas en nia subtegmento, sur la fojno? Vi do vidas bone, ke vi estas en la subtegmento, — li respondis denove al si. Kun fortostreĉo li malfermis siajn fingrojn, kiuj premtenis la trabon, kaj li sentis ekstreman naŭzon, vidante kiom alkroĉiĝis tiuj al la ligno, kvazaŭ strigo mortpafita de li sur arbopinto. Li volis preni la hakilon por detranĉi la du obstinajn, sed la hakilo nenie estis rimarkebla.

— Mi forgesis ĝin en la domo! li kriis timigita kaj lia voĉo komencis lin veki. La du hundoj kolerplene bojis, ĉirkaŭkurantaj la korton kaj ĝardenon, kvazaŭ ili sentus subitan danĝeron.

En tiu ĉi matenfruo Georgo estis mortinto ŝvitkovrita; sur la frunto li havis la bluan makulon de puŝbatego. Li ne kuraĝis malsupreniri ĉe la tempo, kiam li devus doni manĝaĵon al la bovoj. Vidante siajn du knabetojn eliri trankvilaj el la domo, kiel alifoje, ŝajnis al Georgo, ke leviĝas mem la sankta suno. Do li ne mortigis la maljunulon?

Sed ve, lia ĝojo povis esti tro frua! Certe la infanoj nenion vidis!

Ili krie vokis sian patron, sed Georgo ne respondis.

El la domo elpaŝis ankaŭ la edzino, tre pala: bone estis videble, ke ŝi ne dormis dum la tuta nokto: fine eliĝis ankaŭ la maljuna kompatindulo, same pipfumanta.

III.

Kaj dum tiu mateno la maljunulo dekfoje provis paroli kun Georgo, sed la filo evitadis lin, gardis sin de li. La virino ektimis vidante lin tiom streĉita. Sed li eĉ vorton ne diris al ŝi, nek al la infanoj. La edzino nun timis eĉ pli forte, kiam ŝi vidis, ke ŝia edzo ne estas kolerema, kiel vespere, ne pro kolero li evitas ilin. La timo ŝanĝis lian tutan aspekton, kaj Georgo ŝajnis nun bedaŭrinda malfeliĉulo, kompatinda pekulo, kiu forkuras de la homoj.

Finfine, kiam Georgo jungis la ŝnuregon ĉirkaŭ la kornoj de l' bovo — li preparis sin al la plugado — la maljunulo proksimiĝis al li.

— Aŭdu Georgo, ekparolis la maljunulo, hodiaŭ nokte mi ne fermis miajn okulojn. Mi konstante pensadis.

La filo ektremis kaj frostis pro timo, kun la ŝnurego en la mano.

— Mi pripensis, daŭrigis la maljunulo, ke mi ne plu lasos vin vivi kun peko. Mi skribigos por vi la havaĵon, kiun mi ankoraŭ posedas. Pli bone: mi mortu almozpetante ĉe la pordo de fremduloj, ol vi falu en la fundon de l' infero. Cetere viaj fratoj prenas min al si, se vi elĵetos min el la domo. Sekve hodiaŭ mi venos kun vi en la urbon kaj mi skribigos la havaĵon por vi, tute laŭregule. La knaboj iros solaj al la plugado.

— Ne, paĉjo, ankaŭ mi iros kun ili.

La maljunulo restis muta, aŭdante la voĉon de Georgo. Li retiriĝis unu paŝon, por vidi, ĉu li estas lia filo? Li estis rompita, maljuniĝinta, sed tamen estis lia filo.

— Ĉu vi ne volas veni kun mi en la urbon?

— Mi ne plu volas!

— Ĉu vi ne volas, ke mi donu al vi la havaĵon?

— Ne.

La maljunulo restis konfuzita. Li nenion povis kompreni kaj ŝajnis, ke li ne aŭdas bone.

— Vespere vi petis, ke ni iru hodiaŭ en la urbon. Mi ne volis, kaj mi agis malbone. Nun mi decidiĝis. Ankaŭ vi trankviliĝos, — diris denove la maljunulo tra la pordego.

Sed Georgo ne plu povis resti apud la maljunulo; li svingokrakis per la vipo kaj eliĝis kun la plugilo.

* *

De tiam pasis jarlongoj. En la domo de Georgo ekregis paca vivo amoplena. La maljunulo juniĝis, anstataŭ maljuniĝi, kaj post lia morto, lia parto de havaĵo estis dividita inter la fratoj de Georgo. Li rifuzis akcepti eĉ paŝlongon da loko el la tero aparteninta al la maljunulo. Vane diradis la aliaj fratoj, ke li devas ĝin ricevi, ĉar li prizorgis ilian patron, li enterigis lin.

— Jes, — parolis al si Georgo en sia koro, — sed vi ne scias, ke mi ankaŭ mortigis lin.

La rememoro pri tiu terura sonĝo restis kiel dolorsago enpikita en lia koro, dum la tuta vivdaŭro. Kaj, kvankam li fariĝis la plej bona homo en la vilaĝo, de post tiam neniu plu vidis lin ridi eĉ unufoje.

El la rumana: *Tiberio Morariu.*

Jon Agârbiceanu (Elparolu: Jon Agerbiĉàn') naskiĝis en 1882, en Cenade, Transilvanio. Li estas pastro kaj ĉefredaktoro de grava gazeto transilvania »Patria«. Agârbiceanu publikigis plurajn volumojn da romanoj, noveloj kaj skizoj. Liaj tipoj estas prenitaj el la popola vivo.



# La hontemuloj

— Const. Riulet —

Ekzistas klaraj pensoj, blankaj pensoj, kiuj superpasas la montpintojn, kiel la kisoj de l' luno, pensoj kiujn kaptas nur la elektitaj animoj, pensoj karaj kaj nekomprenataj, pensoj sanktaj dissolvitaj el la Biblio de nova kredo.

... Ili ne sendis reciproke longajn leterojn, kun literoj zorge skribitaj, en rozkoloraj aŭ bluaj kovertoj, makulitaj de larmoj kaj de ebriigaj parfumoj: ili ne sendis reciproke donacojn, nek harbuklojn ligitajn per silkaj rubandoj, nek violojn, nek rozojn portitajn je la brusto kvazaŭ por aŭskulti la batojn de l' koro kaj flustri ilin al la alia. Dum printempaj matenoj aŭ en la aŭtunaj krepuskoj, ili ne vagadis tra solecaj aleoj, ĝuo-sorĉitaj, por enamigi unun en alian, malproksime de la bruo de la timiga maŝino monda. Nek li nek ŝi kuraĝis iam pripensi la ideon ke li amus ŝin, ke ŝi amus lin. Ambaŭ silentis.

En momentoj de malĝojo ili tiel multe ĝojis, ke ili povas kuri — kiel la avarulo al sia sekreta ortrezoro — kun ĉiuj pensoj siaj al li, al ŝi.

Iliaj pensoj estis klaraj, pensoj blankaj kiuj superpasas la montpintojn kiel la kisoj de l' luno, pensoj kiujn kaptas nur la elektitaj animoj, pensoj karaj kaj nekomprenataj, pensoj sanktaj, dissolvitaj el la Biblio de nova kredo: la religio de l' silento.

Kaj ili estis feliĉaj, vidante, ke tiuj, kiuj volis ilin trafi de ĉiu parto, ne povis supozi, ke restis al ili unu ĝojo — la ĉefa — kaj jupli feliĉaj estis ili, despli ili havis la firman konvinkon, ke tiun plezuron elektitan neniu kaj neniam povos rabi de ili.

Ĉar li ne amis ŝin, pro tio, ke ŝi estis bruna aŭ blonda, knabino aŭ virino, blanka aŭ pala, dika aŭ maldika, pro tio ke ŝi vivis en certaj kondiĉoj kaj ne en aliaj, kiel ankaŭ ŝi ne amis lin pro liaj bluaj aŭ verdaj okuloj, pro la brila aŭ malhela estonteco, kiu lin atendis.

Neligita per io el la pasantaĵoj, ilia malproksima amikeco — ŝpinita el silento kaj revo — povis estingiĝi nur samtempe kun ili.

Ili nenion deziras unu de la alia, — tial la parolo ne estus povinta utili al ili.

*

Kiam ili renkontiĝis, hazarde, se ili rigardis unu la alian pli multe kaj pli profunde ol estis necese, tio ne estis ĉar unu el ili deziris sorĉi la alian, nek ĉar li atendis komprenigon nur per la okuloj, sed ĉar en tiu ludo senkulpa, sed dolĉa, ili trovis eksciton delikatan, apartan, kiu suprenlevis ilin en sferon pli taŭgan por noblaj animoj.

Kiam iu faris eraron, kiom ajn malgrandan, la unua sia penso estis, ke ne eksciu tion la alia; kaj kiam li aŭ ŝi plenumis ian gravan agon, tutkore deziris, ke la famo alvenu al la amika orelo.

Eble ili sin amis, sed ilia amo estis nur okazo por revado, distrado supera, kiun ili permesis al si kaŝe, kun senkulpa timo de kulpaj infanoj. Kompatindaj hontemuloj!

*

Kiam ili ne vidis sin iom da tempo, ili ne sopirploris, nek sentis doloron, — kaj tamen, kiom ili deziris sin vidi!

Kiam oni donis ŝin al alia, li ne ploris, ne provis tranĉi la vivfadenon, kiel faras la malesperuloj de la pli novaj tempoj: kiam oni edzinigis ŝin, ŝi ne perdiĝis en senutilaj protestoj, ne provis forkuri dum la edziĝa nokto, nek rigardis sian edzon kiel porĉiaman malamikon. Kaj pli malfrue, ŝi volonte vivadis kun li: nek unu momenton ŝi malamis lin, neniel ŝi trompis lin, nek unu momenton ŝi malbondeziris al li, neniam ŝi amis lin.

Sed kelkiam, malofte, kiam ŝi okaze renkontis sian unuan amon aŭ kiam ŝi aŭdis parolon pri li, ŝi klinis la frunton sur ŝultron, forŝiris sin el la kirlo de la ĉiutagaj neniajoj, ŝi forgesis ĉion, kio ŝin ĉirkaŭis, — kaj pensis pri li, sen emocio forta, sen sento de malhonoro, kun pura konscienco kaj hela rigardo fiksita en la senfinon, pura kaj fiksita en revoj malklaraj, kie ŝi klare vidis lian vizaĝon en kadro de senfina melankolio.

Neligita per io el la pasantaĵoj, ilia malproksima amikeco povis estingiĝi nur samtempe kun ili.

*

*Tiujn liniojn mi legis en ĵurnalo de sinmortiginto. Li estis juna kaj multe suferis! Kiam mi vidis lin, li ŝajnis esti mortinta de jarcentoj, kvankam lia korpo ankoraŭ estis varma. Kaj post la legado mi demandis min:*

*Ĉu li estis sincera? Ĉu lia amo estis nur okazo por pensoj klaraj, kiuj preteriras kiel la kisoj de l' luno apud la montpintoj, aŭ estis amo kia ĉiu alia amo? En la lasta kazo la sinmortigo ne plu estus mistera.*

*Tiel opiniis ankaŭ la juĝistoj: neniu pro penso sin mortigas, — diris ili.*

*Sed, se vere la hontemulo estis sincera, se la plej senkulpa penso mortigas, kiam ĝi daŭras, — kiel la guto traboranta ŝtonon — se?*

El la rumana: *Sigismundo Pragano.*

# Vespero ĉe l' insuleto

— Aleksa Ŝantiĉ —

*Marbluo svenas,*
*Venas*
*Krepusk' vespera jam.*
*Ĉe l' roko falas,*
*Palas*
*La lasta suna flam'.*

*Tra l' ŝtonoj tremas,*
*Ĝemas*
*La sonoril-arpeĝ'.*
*Susur' murmuras,*
*Ĵuras*
*La plebo en la preĝ'.*

*En klin' sieĝas,*
*Preĝas*
*Skeletoj antaŭ Krist'.*
*Sed Li rezigne,*
*Digne*
*Nur mutas al insist'!*

*La sonĝ' sin trenas,*
*Venas*
*Krepusk' vespera jam.*
*Ĉe l' roko falas,*
*Palas*
*La lasta suna flam'.*

El la serba: *Ivo Rotkviĉ*

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

## Pala romantiko

En Parizo mia ŝatata kafejo estis »Café Sorbonne« sur la bulvardo Saint Michel. Por trinki la posttagmezan kafon, por legi mian ĵurnalon mi venis tien ĉi. Ne. Mi mensogetis. Ne pro tio. La kafo estis preskaŭ netrinkebla, la gazeto — senenhava. Pro la publiko mi vizitis tiun ĉi lokon. Ĉe ĉiu tablo oni povis aŭdi alian nacian lingvon. Vera Babelo. Tiu publiko ne bezonis Esperanton. Kial? Eble pro tio, ĉar ili ne deziris kompreni unu la alian aŭ pro tio, ĉar la franca lingvo plene plenumas la rolon de la internacia komprenigilo por iliaj bezonoj.

Mia tableto staris ĉe meza punkto, tamen anguleto, de kie oni povis bone vidi ĉion. Ĉe la najbara tableto laŭkutime samlandanoj diskutadis, precipe pri politiko. Min interesis nek la politiko, nek la samlandanoj. La unua estas kirlomiksaĵo, en kiu neniam mi provis fiŝkaptadi kaj la samlandanoj ofte similis al senvermaj hokoj de malespera fiŝkaptisto en la malklara akvo de la Seine. Mi ne deziris foriĝi ezoko... Sed ĉiutage, precize je la kvara, aperis brunhaŭta, delikattrajta studentino ĉe mia tableto. Perimprese interesis min tiu ĉi knabino kun noktonigra buklaro kaj kun okulparo, memoriganta min pri la ombroj de palmoj sub la tropika terzono.

Ŝi metis du kilogramojn da libroj sur la tablon kaj eksidis. Precize je la kvara. La kelnero senmende alportis tason da kafo kun kvar buterpanoj por ŝi. Dum manĝo ŝi rigardis nenien. Gracie ŝi tenis inter la belformaj fingretoj la buterpanon, mordis peceton el ĝi. Kiel poluritaj perloj ekbrilis ŝiaj rizformaj dentoj.

Mi konas kelkajn tipojn de la homaj rasoj, tamen semajnojn mi cerbumadis pri tio, al kiu raso ŝi apartenas. Por esti negro ŝi ne estas sufiĉe nigra; por esti ĥino ŝi devus havi migdalajn okulojn, por esti hindo ŝi devus posedi la karakterizan orientan nazon — tiel mi hezitadis perpense ĉiam dum ŝia manĝo. Poste mi forgesis pri ĉio, ĉar ŝi fiksis sian rigardon al mi kaj ridetis. Stranga rideto. En ĝi miksiĝis ia postsatiĝa intimeco kun kamaradina interesiĝo pri la samtablano. Ne sciante la francan lingvon mi ne povis alparoli ŝin kaj ŝi... Verŝajne ŝin ne interesis mia persono.

Post la rideto ŝi malfermis unu el siaj libroj kaj profundiĝis en studadon. Mi prenis mian ĵurnalon, ŝajnigante grandan interesiĝon rigardis la literojn, super la gazetrando mi ĵetis mian scivolon al ŝi. Ne unufoje okazis, ke niaj rigardoj renkontiĝis. Foje ŝi laŭte ekridis. La arĝenta monero tintas tiel klare sur la ŝtono de araba monŝanĝisto kiel ŝia rido sonoris. Ŝi estas arabino, kuris la penso tra la kapo kaj mirigite mi rigardis al ŝi. La muta demando en miaj okuloj ricevis respondon. Senvorte ŝi turnis la ĵurnalon en mia mano. Mi tenis ĝin renversita. Certe mi ruĝiĝis, sed mia mallerto alportis nek disiĝon, nek proksimiĝon. Ĉiutage je la kvara ŝi aperis, manĝis, ridetis, studis, ŝtele okulumis al mi kaj precize je la kvina ŝi malaperis.

Tiel daŭris semajnojn, kiam pro malsano mi ne povis viziti plu la kafejeton. Post resaniĝo mia unua promeno celis renkonti ŝin. Ĉe mia tableto sidis fremdaj studentoj. Mi ĉirkaŭrigardis por trovi liberan sidlokon, sed mi sentis internan bedaŭron pro ŝia foresto. Mi ne scias kial, sed ŝia vido vekis en mi strangan trankvilon.

Mi ekiris al fora angulo, kiam haltigis min delikata tuŝo sur mia brako. Mia rigardo renkontis la sopiratan vizaĝon de mia ekzotika nekonatino. Senvorte ŝi montris liberan lokon kontraŭ si. Per kapklino dankante kaj ridetante mi eksidis. Vidante ŝian mienon kaptis min korkaresa emocio. En ŝia rigardo respeguliĝis surprizo, kompatemo, ia kamaradina partopreno en mia malgaja sorto. Certe mia aspekto perfidis la postsignojn de la operacio kaj de la hospitala lito, en kiu mi kuŝis semajnojn.

Ni sidis vid-al-vide, mute rigardis unu la alian. Ne longdaŭre, nur dum spirprena momento. Ŝi daŭrigis la studadon, mi trinkis mian kafon, poste mi konstatis, ke mi forgesis aĉeti mian ĵurnalon. Malagrable! Pro ĝia manko mi ne havis spionbastionon antaŭ mi. Mi rigardis la horloĝon. Apenaŭ pasis la kvara. Ĝis la kvina laŭkutime ŝi restos tie ĉi. La gazetvendisto staras proksime ĉe la apuda stratangulo. Tamen pli saĝe resti. La unua promeno tre lacigis min.

Dum mia hezitado ŝi malaperis por baldaŭ reveni kaj etendi al mi mian hungarlingvan ĵurnalon. Montrante perfingre ĝian prezon ŝi faris monpetan geston. Pro surprizo mi forgesis eĉ la ĉiumomente uzatan francLingvan dankvorton kaj kun komika rapideco mi elpoŝigis mian monujon por pagi la prezon. Ŝi zorge kalkulis la monerojn, eksidis kaj daŭrigis la studadon.

Pasis longaj semajnoj. Ĉiutage ni renkontis nin ĉe la sama tableto. Inter ni senvorte plektiĝis ia homa solidareco, kiu manifestis pri si en bagatelaj ĝentilaĵoj. Mia ekzotika fratino permiene esprimis sian kontentecon pri la progreso de mia resaniĝo kaj mi perokule interpretis mian simpation pro ŝia interesiĝo.

Iun tagon fermiĝis la pordegoj de la universitatoj kaj sen libroj ŝi aperis por adiaŭi per varma, unua kaj lasta manpremo. En tiu kuniĝo de manoj vibre esprimiĝis la senvorta bedaŭro pro la disiĝo... Neniam mi revidis ŝin.

Strange, ofte mi memoras pri ŝi kaj mi sentas, ke la origina kaŭzo de nia amikeco estis Parizo mem, la giganta urbo, kies tajda al- kaj defluo ludis kun ni kiel kun orfaj ŝipetoj ludas la kaprica maro. Sed eble mi eraras. Ĉio ĉi apartenis al la romantiko de la Latina Kvartalo. Pala romantiko, kiel la publiko de la »Café Sorbonne«, kie por kvin frankoj mi aĉetis katidon kaj post redonaco ankoraŭ trifoje mi aĉetis la saman besteton por helpi en la »momenta embaraso«... Ne ridu pri mi! En tiu kafejeto mi ĉiam rememoris pri mia juneco kaj por la revokita periodo de celhavaj revoj oni ja devas fari ion por rekompenci. Mi kvarfoje aĉetis la saman katidon kaj mi ridis kore kun la zorgneglekta junularo... De tiam mi ne ridis tiel kore, tiel spontanee kaj nun mi jam scias, ke ne pro la ekzotika fratino mi vizitis tiun lokon, sed sole pro la pala studentaro, en kiu mi revidis min juna, batalpreta, celhava revanto kaj gaja senhavulo... Jen, ankaŭ tio ĉi estas pala romantiko... romantiko de adiaŭanto.

# DISKUTO

*Kara Kalocsay,*

la leteroj al la leganto kaj al mi devigas min respondi publike. Mallonge mi faros tion.

*1.* Ĝoje mi konstatis, ke la voĉdonado de la legantaro absolute pravigis min kaj L. M. fine akceptis tiujn principojn, kiujn ĝi rifuzis, kiam *mi* ripetadis ilin kaj dum la kongresaj kunvenoj niaj amikoj esprimis tiurilate sian opinion.

Miaj principoj do venkis kaj espereble ili servos utile por la lingvo, enhavo de via revuo. Al la multpromesa programo mi deziras sukceson, ĉar ĝi celas servi la interesojn de la legantaro.

2. Restis do nur la personajoj. Sentakte vi agis aludante pri ili. Sentakte, sed taktike. Mi ne parolos pri ili, ĉar ili ne koncernas la *literaturan* karakteron de la gazeto. Nur tion mi rimarkas, ke en tiu kazo, se hazarde vi estus havinta ilin, kun via nomo ankaŭ mia nomo estus malaperinta de sur la titolpaĝo, ĉar en mi estas *pasio* ankaŭ tiam, kiam temas pri amikeco kaj kolega solidareco. Feliĉe estas por la abonantaro, ke vian temperamenton direktas la menso, ĉar aliokaze nun L. M. estus povinta aperi en la redaktado de la s-ro administranto. Por eviti la eblecon de miskompreno mi konfesas, ke la akriĝon de la situacio vi nek iniciatis, nek akcelis, sed ankaŭ ne malhelpis. Pro via senpasia neŭtraleco mi kore dankas vin, ĉar ĝi faciligis mian foriron de tiu gazeto, kies fondintoj ni ambaŭ estas kaj por kiu ankaŭ mi ofe-

ris tiom, kiom vi, se ne pli, konsiderante miajn vivcirkonstancojn. Do mi ne parolos pri la personaj motivoj, kiuj estis kaj restis. Por vi sufiĉas scii, ke kun plena seniluziiĝo mi forlasis la Redaktan Komitaton kaj la tutan entreprenon de L. M.

*3.* Nun pri la atako kaj via protesto kontraŭ la 130 novaj vortoj, uzitaj en mia poemo. Mi sendis ĝin donante al vi plenan rifuzrajton por la publikigo. Poste en kolega triopo mi diris al vi, ke en via loko mi ne aperigus ĝin, ĉar ĝi malaktualiĝis en la momento, kiam L. M. akceptis principe uzi la Plenan Vortaron de S. A. T. Tamen vi publikigis ĝin, verŝajne pro tio, ĉar vi estas mia amiko kaj senpasia neŭtralulo. Sed ankaŭ en tio ĉi mi povas plene senkulpigi vin. Tiun parton redaktis ne vi, sed tiu spirito de la entrepreno, kiu devigis min foriri de ĝi. Por mi restis konstati, ke mia *karikatura* poemo, destinita ne tiom por publikigo kiom ilustri antaŭ vi la tre verŝajnan sekvon de la troa neologismemo, estis publikigita post la voĉdonado de la legantaro, kies deziro ankaŭ tiurilate pravigas min kaj samtempe pledas por la motivo, inspiranta min por verki ĝin.

Mi miras pri via protesto. Ĉu mi ne laŭ via konsilo uzis tiujn 130 novajn vortojn, proponitajn de vi por la poezio? Mi adaptis ilin en poemo. La *Parnasa Gvidlibro* estas ja eldonaĵo de L. M. kaj unu el ĝiaj verkintoj estas la ĉefredaktoro de la revuo. Ĉio ĉi rajtigis min al la supozo, ke vi ne ekstermos viajn proprajn infanojn en tiu presorgano, kies gvidanto vi mem estas. Pardonu, mi ne sciis, ke uzi ilin estas via privilegio.

Vi bonvolis mencii kelkajn neologajn vortojn el miaj verkoj. Per tio vi donis okazon al mi por deklari, ke mi *ne* estas malamiko de *necesaj* novaj vortoj kaj ke mi neniam enkondukis, nur uzis tiujn vortojn, kiuj troviĝis en la Plena Vortaro de E. Boirac. La apero de la S. A. T. vortaro devigis min kontentiĝi je malpli granda vorttrezoro. Laŭ mia scio la sola vorto, kiun mi enkondukis, estis teatra fakvorto *ŝminki* (1917). Ĉu ĝi estis superflua, tion montris la praktiko?

4. Kun granda intereso mi legis vian argumentadon pri la neologismoj, sed mi ne respondas detale. Semajnojn antaŭ la ricevo de letero mi verkis longan artikolon pri tiu ĉi temo. Ĝian publikigon afable promesis *Heroldo de Esperanto.* En tiu artikolo jam antaŭe mi donis respondon al vi. La subaj frazoj estas nur aldonaĵo al ĝi.

Via argumentado estas absolute ĝusta, se temas pri *nacia* lingvo, kiu evoluas sur limigita teritorio kaj kies parolantoj vivas en komuna kulturo, sed ĝi estas *absolute* erariga, se temas pri Esperanto, kiu ne havas landlimojn kaj kies parolantojn disigas la diferencoj de la diversaj kulturbazoj. Viaj argumentoj estas erarigaj precipe por vi, kiu kun nediskutebla granda talento dediĉas tempon, energion, entuziasmon por la lingvo, sed kiu sidante nur ĉe sia skribotablo forgesas interesiĝi pri la realaj vivo kaj bezonoj de tiu popolo, kies ekzistadon vi neas. (»Mi estas poeto sen popolo.«) Se la nombro de la parolantaj esperantistoj estus miloble pli granda kaj se tiu de la verkistoj centoble pli alta, ol hodiaŭ, la vojo irata de vi kaj la takto de la evoluo, kiun vi dezirus dikti, certe ne entenus tiom da danĝeroj, kiom en la hodiaŭa stato. Mi parolas laŭ spertoj propraj.

»IDO ŝanĝis, ni *aldonis.*« Vi estas prava, sed ne tute, ĉar per la tendenca forigo de la afiksa sistemo (almenaŭ tion montras la tuta poezia fakvortaro kaj persekutado de de la malaj vortoj) iom post iom la *aldonoj ŝanĝos la tutan fizionomion* de la lingvo. Mi ne miras, ke unu el viaj plej entuziasmaj estimantoj skribis al mi: »...se oni daŭrigus laŭ maniero de Kalocsay, post dek jaroj neniu esperantisto plu komprenus la verkojn nun presatajn.«

Inter la du manieroj, proponitaj (sub 1 kaj 2) en via letero, estas la meza vojo: prilabori la ekzistantan vortmaterialon, doni vivon al la nunaj vortoj, laŭgrade fortigi la lingvan spiriton per naturŝajna evoluo kaj *ne antaŭtempe* atribui tiajn ecojn al 47-jara lingvo, kiajn havas miljaraj kulturlingvoj. Ĉion oni faru en la spirito de la lingvo, do ankaŭ la poezion. La franca lingvo estas sendiskute mirinda literatura lingvo, sed se iu franca traduko dezirus redoni fremdlingvan klasikaĵon en la spirito de la originala lingvo, ĝi kripligus unue la francan lingvon kaj due, ĝi ridindigus la originalon. (Tion pruvas la franca traduko de Dante en prozo ritma por samtempe konservi la belecojn de la franca lingvo kaj de la originala verko.) Ni ne postulu pli de nia lingvo ol ĝiaj ecoj kaj spirito permesas. Vin erarigas la fakto, ke la hungara lingvo permesas pro siaj ecoj respeguli en originala ritmo la verkojn de Shakespeare, Calderon, Dante, Goethe same kiel la verkojn de la francaj klasikuloj kaj de la antikvaj grekaj kaj latinaj poetoj. Esperanto ne havas tian econ, sed ankaŭ ĝi posedas tiajn belecojn kaj eblecojn, kiuj ankoraŭ estas ne sufiĉe ekspluatataj.

Via propono pri apartigo de la vorttrezoro je komuna kaj poezia estas tute konfuza. En neniu lingvo ekzistas aparta vortaro por la poezio, ĉar ĝia kampo estas la lingvo en sia tuteco kaj en neniu lingvo estas tia — ŝajna malpermeso — kutimo, ke la parolanto ne uzu literaturajn vortojn kaj esprimojn en sia proza parolo. Kial vi insistas pri tia apartigo en nia lingvo? Finfine ĝi kondukus nin al la neglekto de la poezio kaj beletristikaj verkoj, ĉar ilia vortrezoro — laŭ vi — ne estas rekomendinda en la parolata lingvo. Mi vidas la solan ĝustan solvon en tio, se ni verkistoj penos plene eluzi kaj vivantigi tiun grandiozan vortmaterialon, kiun *nun* havas la vortaroj de E. Boirac kaj S. A. T. Ĝi donus almenaŭ dekjaran laboron. (Ĉi tie ne temas pri teknikaj fakvortoj de la diversaj sciencoj, kvankam la sciencoj mem bezonas lingvon komprenatan ne nur de fakuloj por populariĝi kaj por havi efikan rolon en la socia vivo.)

Per tio mi finis mian leteron al vi. Certe ĝi estus eĉ malpli longa, se per via aludo pri personaĵoj vi ne estus deviganta min paroli ankaŭ pri ili. Mi klopodis fari tion koncize por ne rompi tro la literaturan karakteron de la revuo kaj por ne doni okazon al plua publika korespondado pri temoj, kies pritraktado eble interesus la scivolemulojn, sed neniel utilus al la afero lingva kaj literatura. Mi pensas, ke vi konsentos pri tio.

Kaj nun, kara Kalocsay, sen »*malgraŭ ĉio*« mi kore deziras al vi, ke en la estonteco neniam vi sentu la praveco de la motivoj, kiuj igis min decidi por forlaso de L. M. Mi deziras sukceson al via granda laboro, ĉar mi scias, kion signifas por vi nia lingvokulturado. Ĉu vi scias kial? Ĉar en mi estas la riproĉata pasio al la lingvo, kiu ankaŭ al mi donis vivenhavon. Mi tre bedaŭras, ke ĝi perdis multon ĉe L. M. Nu, sed rekompence mi ricevis almenaŭ utilan sperton. Ankaŭ ĝi valoras iom.

Esprimante la esperon, ke vi ne permesos fari kverelejon por personaj aferoj el L. M. kaj respektante en vi la grandtalentan kolegon

restas amike via:
*Julio Baghy.*

*

*Kara Baghy!*

Plene mi aprobas vian pledon, ke ni ne faru kverelejon el L. M. Sed, bedaŭrinde, samtempe kun ĉi tiu pledo vi donis ankaŭ kelkajn flankbatojn, kiuj min devigas respondi.

Vi riproĉas, ke mi publikigis vian poemon. Sed tion mi ja devis fari, ĉar vi promesis verki vian Angulon por ĉiu numero (ni tion ankaŭ sciigis al niaj legantoj) kaj vi ne donis anstataŭ ĝi alian, malgraŭ ke ni ĝustatempe vin orientis pri la enhavo de la letero Al La Legantoj.

Vi diras min sentakta kaj taktika, ĉar mi aludis viajn personajn aferojn. Sed ĉu vi ne mem devigis min por tio? Eksiĝinte pro personaj kaŭzoj, vi deklaris, ke vi eksiĝas ne volante ŝajni kunkulpulo en mia idismo kaj bofronteco. Ĉu tio ne estis taktiko?

Via poemo estas karikaturo. Bone, mi komprenas ŝercojn. Sed la *enhavo* kaj la *postparolo* estis krude serioza atako.

Vi diras, ke ŝajne la uzon de la Gvidlibraj vortoj mi rigardas mia privilegio. Ne, certe ne. Sed ĉu ne estas strange, ke dum vi volus fari la vivantigon de la Boirac-a

vortprovizo en *dek jaroj*, preskaŭ la kvaronon de la Gvidlibraj vortoj vi »vivantigis« en *unu* poemo. Kvankam el ili en du plenaj jarkolektoj de L. M. aperis nur proksimume 50, do, laŭ tia maniero, la vivantigo de la tuto bezonus 24 jarojn.

Cetere 30% de tiuj vortoj estas prenitaj el Boirac, la plejparto de la ceteraj troviĝas ĉe Zamenhof, Kabe, Grabowski, Grosjean-Maupin, Packness, Rhodes, Radvan-Ripinskij, Presa Societo, Fulcher-Long, Christaller, Verax, Wüster. Kaj se ni dekalkulas la interjekciojn, la terminojn etnografiajn, historiajn, pli-malpli teknikajn (daimo, vikingo, Gralo, zepelino, tobogano ks.) la nove proponitaj vortoj estas malpli ol 25%, laŭ la sumo multe malpli, ol kiom Grabowski uzis en Sinjoro Tadeo. Tamen, li neniam estis atakata kiel idisto aŭ bofronto.

Mi devas rimarki, ke *pimpa, spekti* kaj *eskapi* ne troviĝas ĉe *Boirac*. *Ŝminki* estas zamenhofa vorto.

Vi diras, ke mia argumentado estas ĝusta nur pri nacia lingvo. Mi havas malan opinion. Ĝi estas ĝusta nur pri Esperanto. En neniu alia lingvo dependas la *verkisto* de la *lingvo-komencantoj*. Sed por ĉi tiuj ekzistas eldonoj de ĉefverkoj kun komentario. Per ĉi tiu komentario oni *komprenas* kaj *lernas* samtempe. Nu, ĉar la plejparto de la esp-istoj estas komencanto, mi volas, ke, provizore, ĉiu esp-a libro estu tia komentariita eldono. Per tio la poetoj liberiĝos de tiu premo, ke ili devas konstante pensi dum verkado pri homoj ĵus finintaj kurson. Ĉu vi povas kontesti, ke tia penso estas la plej granda danĝero por la evoluo de poezio?

Via propono pri »vivantigo« ne ŝajnas al mi sufiĉa sen la aldono de mia propono. Komencanto postdekjara same malfacile lernos la pligrandigitan vortprovizon, kiel tiu, kiu nun eklernas la lingvon.

Pri tio, ke aldonoj povas ŝanĝi la tutan fizionomion de la lingvo, bonvolu legi la respondon de Zamenhof (Orig. Verkaro pĝ 429.).

Poeziaj vortoj ekzistas ankaŭ en la hungara lingvo. Uzi ilin en ĉiutaga parolo estus komike. Ĉu vi iam uzis dum interparolado la vortojn: *kikelet, bu, mereng, zsong, orom, ara?* Krome, mi ja diris, ke la apartigo de la poeziaj vortoj estas nur provizora, ĝis la ĝenerala disvastiĝo, post tio certe granda parto de ili eniros verŝajne la komunan lingvon. Sed ĝis tiam — jen la ĉefa kaŭzo de la apartigo — oni devas ilin klarigi!

Pri aliaj kelkaj punktoj eble mi trovos okazon respondi al vi aliloke kaj alitempe. Ĝis tiam mi restas

sincere via

*K. Kalocsay.*

## PRI LA LINGVOSCIO DE ZAMENHOF.

Multmulte da esperantistoj firme kredas, ke d-ro Zamenhof scipovis perfekte traduki el almenaŭ naŭ lingvoj: la angla, franca, germana, rusa, pola, dana, jidiŝa, hebrea kaj latina (pri ĉi lasta vidu International Language, Aug., 1928). Ili diras: Ĉu ne ekzistas en la Esp-a literaturo verkoj el tiuj lingvoj, verkoj portantaj lian nomon kiel tiun de la tradukinto?

Sed lastatempe estiĝas netrankvilige modifitaj respondoj al tiu demando. Ni aŭdas, ke Zamenhof tradukis la Fabelojn de Andersen ne el la originala dana sed el iu germana traduko; plue, ke li tradukis Hamleton laŭ la germana teksto de Schlegel-Tieck (vidu Parnasan Gvidlibron).

Ni iom retrorigardu sur la frujaran vivon de la aŭtoro de Esperanto. En Bialystok jam de infaneco li aŭdadis la babilon ĉefe de kvar lingvoj ... la pola, rusa, germana kaj popolhebrea. Ĝuste tiujn lingvojn li plej bone sciis kaj supozeble povis ilin paroli-kompreni laŭ iliaj idiotismoj. Sed ĉi tie estas atentinda rimarko de Max Butin en Heroldo de Esp-o, 44 (592) pri linio en la traduko de La Rabistoj (p. 35, linio 15). Butin diras, ke »li jurigis min« estas grava eraro. »Nia majstro — pro ne tute perfektaj scioj de la germana lingvo aŭ pro miskompreno — grave eraris. Devas teksti: li petegis min (germane: beschwören; angle: to conjure, to implore)

Ni informiĝas pri interesa fakto per liaj propra vortoj (Originala Verkaro 523): »Mia gepatra lingvo esta la rusa; sed nun (1906) mi parolas pli pole«. Sed al l angla, dana, kaj franca li certe ne tiel bone alkutimiĝi orele kaj lange. Dietterle, konfirme tion, diras (Original Verkaro 567): »Zamenhof scipovis la germanan lingvo pli bone ol la francan«. Nenion el la hispana kaj la ital li tradukis; ni trovas nur kelkajn liniojn el la latina. L grekan Novan Testamenton li ne volis traduki. Tion l lasis »al aliaj, pli kompetentaj tradukontoj«. Sed l lingvon de la Malnova Testamento li laŭ sia opinio, »kona en sufiĉa grado, por ke mi povu entrepreni la traduk adon« (Antaŭparolo al Genezo: Hachette). La artikol de Pastro Downes en International Language, Okt-Nov 1927, konvinke montras, ke Zamenhof majstre enverki multe da karakterizajoj de la hebrea originalo en sia Esp-an tradukon. Malgraŭ tio, Prof. Waringhien e Heroldo de Esperanto (1930) sub »Pri la Kvara Aldono diris, ke la hebreaj vortoj cateq kaj cela' (Eliro 30/ 38/14—15) embarasis Zamenhofon. Samloke Waringhie iom ironie skribas pri la Zamenhofa tradukartifiko d tiuj vortoj kiel pri linio »ne meritanta esti pompe elmon trata kiel ekzemplo de klasika literaturo.«

Sur la titolpaĝoj de Hamleto kaj la Fabeloj n estas la kutima linio trovata ĉe liaj ceteraj tradukoj »Tradukis el la ... lingvo Dro L. L. Zamenhof«. Ti rajtigas kredi, ke Zamenhof, ne verkis rekte el la origin alaj. Tiuokaze, kial li ne metis tien la titolojn de l tekstoj, kiujn li uzis, ekzemple: »Hamleto ... traduki Dro L. L. Zamenhof, laŭ la germana teksto de Schlegel Tieck«? Tiu preterlaso estas tiom pli nekomprenebl pro la stranga escepto de »La Batalo de l' Vivo«, en kie antaŭparolo de Ŝefer kaj Lawrence ni legas, ke »ĉar l Doktoro loĝis en tiu tempo en malgranda urbo, li tut ne povis ricevi la anglan originalan verkon«. Tio esta malfacile kredebla; ĉu vere, ke la Doktoro, volante havig al si ekzemple la anglan originalon, ne povis tian trov en la tuta Polujo (eĉ en la tuta mondo)? Ĉu la traduk tiel urĝis? Al la studanto de la afero trudiĝas la pens ke Zamenhof sentis sin multe pli hejmece en la german ol en la angla kaj ne fidis sian kompetenton traduki e ĉi tiu lasta. La kazo de Hamleto subtenas tiun supozon

Pro la supraj konsiderindoj ni rajtas peti tiujn kiuj konas la faktojn, ke ili bonvole informu: kio efektiv estas la vero pri la Zamenhofaj tradukoj. Zamenhof sen dube studis detale kaj funde la strukturojn de ebl dekduo da lingvoj, mortaj kaj vivantaj, sed li sin rigardi kompetenta traduki nur el kvin, inter ili ne la angla Pro la simpla vero, bonintencaj admirantoj de la amind doktoro, kaj propagandistoj de nia mirinda lingvo jan de nun devas ĉesigi miskredigajn trovastajn asertojn pr la tradukkapablo de la Majstro, kiu estis genia lingvo konstruinto, sed tute ne iu Mezzofanti. La monument laboro de Zamenhof, pro ĝia amplekso kaj genio, merita kaj ĉiam pli kaj pli gajnas la rekonon de la mondo, se tio ke la batalantoj por lia ideo armas sin per la nefid inda ilaĉo de l' bombasto.

*R. Banham*, Melbourne, Australio.



# OBSERVO

## MIAKO-ODORI

En diversaj libroj pri Japanujo ni trovas priskribo de la fama nacia danco nomata »mijako-odori« a ĉerizdanco«. Neniu el la ĝisnun aperintaj priskriboj esta sufiĉe detala por doni ĝustan impreson pri tiu grandioz arta elmontro de japana klasika danco, tial mi kredas util doni la unuan detalan priskribon al la legantoj de L. M Kompreneble mi ne pretendas detale klarigi la sencon d

la diversaj epizodoj de tiu danco, tio estus la tasko de japana monografio. Mi kontentiĝos je priskribo de la okazaĵoj sur la scenejo, donante nur elementajn klarigojn pri la senco de la danco mem.

Necesas unue rimarki, ke la »ĉerizdanco« estas montrata nur dum la monato Aprilo kaj ekskluzive en la urbo Kioto, antikva ĉefurbo de Japanujo. Tiu ĉi urbo situas proksime al Araŝijama, fama loko pri ĉerizarboj. La japana popolo vere amas la florantajn arbojn kaj centmiloj vizitadas regionojn de florarboj dum la sezonoj. En la »ĉerizdanco« oni do simbole esprimas tiun ĉi amon al la naturo kaj la populareco de la elmontroj montras, ke ĝi ankoraŭ forte vivas en la animo de la popolo.

Unue la leganto bonvolu meti sin en japanan ĉirkaŭajon: ĉe la eniro ni formetis niajn ŝuojn kaj en la salonego de la teatro ni sidiĝis sur tapiŝon, laŭ »turka« maniero, kiel oni diras en diversaj eŭropaj lingvoj. Neniu kvadratcentimetro sur la planko restas neokupata dum ĉerizdanco, ĉar nur unu sola teatro ĝin prezentas.

Ambaŭflanke de la scenejo, laŭlonge la duonon de la teatro troviĝas flankaj estradoj. Tri kurtenoj — tiu de la meza scenejo kaj tiuj de la flankaj — subite supreniras. Dekstre sidas dek fraŭlinoj en nigra »kimono«, ludantaj la klasikan japanan kordinstrumenton *ŝamisen* kaj kantantaj okaze, sole aŭ kune; maldekstre sidas dek fraŭlinoj en hela kimono, skandantaj la muzikon per tamburoj kaj sonoriloj, gvidataj de orkestrestrino sidanta en la mezo. De ambaŭflanke eniras dekkvar dancistinoj en blu-ruĝaj kimonoj, paŝantaj laŭritme de klasika japana melodio. La muzikistinoj sidas senmove kiel ŝtonaj statuoj. sur la vizaĝoj de la dancistinoj estas nenia individua esprimo. Verdire la japana *geŝo* estas numero, ne individuo. Kaj en tio troviĝas la ĉefa diferenco inter japana kaj eŭropa dancoj. En Eŭropo ĉiu dancistineto imagas sin »individuo«; en Japanujo eĉ la plej ĉefaj artistinoj de la imperia kortego estas kaj volas esti *nur geŝoj*. Tiu moro permesas tian ekzaktecon de la movoj kaj tian dignoplenan prezentmanieron, kiu superas ĉiun alian artan prezenton de danco en ĉiu alia lando, en ĉiu alia epoko. La leganto, kiu kredas, ke mi troigas, bonvolu konsulti la »Taglibron de Filozofo« de la fama germana aŭtoro Grafo Keyserling (Estas malpli facile rebati *liajn* argumentojn ol la miajn!).

Verdire tian harmonion de movo, kia estas la japana ĉerizdanco, oni ne povas imagi al si laŭ priskribo, eĉ se ĝi estus milfoje pli bona ol la mia. Tamen, se oni bonvolas atente sekvi la sekvantajn liniojn, oni certe povos akiri sufiĉe klaran ideon pri la okazajoj sur la scenejo. La tuta prezentado daŭras iom pli ol unu horon.

Por retrovi la atmosferon de tiu ĉi prezentado, bonvolu elvoki mense ĉiujn imagojn pri la klasika Japanujo: brilaj *kimonoj*, granda, nigra hararanĝaĵo kun ĉerizfloroj enplektitaj, surdorse »ĝibo«, surpiede blankaj »tabi« (kie la dikfingro estas dividita de la ceteraj fingroj), en la mano japana ventumilo el papero, ktp. Nun la dancistinoj tenas ankaŭ florantan ĉerizbranĉon en la mano. Tiel ekipitaj, ili paŝadas per malgrandaj paŝetoj, farante diversajn mimikajn grupojn, tre harmonie kun la duflanka orkestro jam priskribita. Ili kontrapunktas sian dancon per forta ekbato de lignoŝuoj. La granda pantomimo komenciĝas. La malantaŭa kuliso leviĝas kaj aperas belega japana ĝardeno kun pinarboj, florantaj ĉerizujoj, rivereto, ponteto, ŝinto-pordego kaj en la fono verdas montoj kun groteskaj rokegoj. La akompananta muziko estas tre malfacila, tre evoluinta komplikaĵo de klasika melodio verkita en tre komplikita ritmo: — — — o o o o —. Oni ofte legas ke Eŭropanoj ne povas kompreni kaj ĝui japanan muzikon; tia aserto estas superflua kaj neekzakta. Kiuj kapablas penetri ankoraŭ nekonatan artan simbolismon, tiuj povas ĝui ankaŭ japanan muzikon. Necesas iom da imagpovo kaj iom da asimilo, jen ĉio. Mi kredas, ke la japanaj melodioj estas mirinde belaj kaj mi nur bedaŭras ke mi ankoraŭ ne komprenas la delikatan sencon de la akompanaj vortoj. Ĉiu poemeto estas dividata de la rapide sekvanta alia, per la tielnomata »divida krio« de unu el la orkestraninoj — kiun la rigardantoj ignoras, same kiel tiujn nigre vestitajn »nevideblulojn« kiuj aranĝas la scenejon eĉ dum la danco mem. Komence ili min ĝenas, sed baldaŭ mi ignoras ilin same kiel miaj najbaroj: oni povas alkutimiĝi al ĉio . . .

Sed ni revenu sur la scenejon. La ŝanĝo de la kulisoj okazas antaŭ la rigardantoj kun mirinda ekzakteco, plejparte mekanike.

Subite aperas kastelĉambro, pli bela ol iam estis en realeco — kvankam la palacoj videblaj en Kioto estas sufiĉe pompaj malgraŭ la foresto de ĉiu superflua ornamaĵo (laŭ la principoj de la »sufiĉo kaj neceso« . . .). Kelkaj geŝoj aperas nun en doma kimono, kun ĉinaj motivoj (drakoj, oro sur nigro). Ora ĉapelo kaj pentrita ventumilo kompletigas tiun tualeton. Tie ĉi necesas rimarkigi, ke neniu atentas pri la piedoj de japana dancistino; la rimarkinda punkto estas la . . . kolo. Kaj vere, tiuj filinoj de la muzoj havas verajn cignokolojn, tre gracilajn, tre delikatajn. Sur la senesprima, sfinksa vizaĝo oni vidas la same senespriman blankon de rizpudro. La spirito de japana Mezepoko reviviĝas antaŭ niaj mirantaj okuloj. La vizaĝesprimo de miaj japanaj najbaroj, kutime tiel mokridema, estas nun tragika, streĉita, ensorĉita. Kaj tiuj fraŭlinetoj transe, kiuj tiel infane ridetadis antaŭ kelkaj minutoj, esprimas nun la plej profundan mondo-doloron imageblan. La spirito de »busido« nun loĝas en ili . . .

Denova ŝanĝo de kulisoj: aperas lampionoj, estas vespero. Sur la montetoj en la fono aperas ankaŭ lumoj, dume la firmamento iluminiĝas de mil steloj. La bonekonataj konstelacioj de la norda hemisfero brilas sur la iluzi-ĉielo de la teatro, tute same kiel sur la eŭropa ĉielo, sed la arto prezentita sur tiu scenejo estas ja antipode malsama. — Kelkaj dancistinoj envenas kun simbolaj tamburoj. Kiam ili ŝajne batas ilin, la sono venas senmanke de la flanka orkestro. Mirinda ekzakteco de senindividueca arto! La geŝoj malaperis; la montetoj moviĝas malantaŭe, donantaj la iluzion de boatveturo sur rivero. Tiu ĉi epizodo simbole esprimas la popularan ekskurson sur la apudaj akvofaletoj de la torento Hozu, inter ĉerizarboj.

Nun denove okazas subita ŝanĝo de sceno: brila lumo de tago aperas, florantaj, ruĝetaj ĉerizarboj de gaja, japana kamparo. Belega ĝardeno, ponto, rivero, montoj, »ŝinto«-pordego, mirinde harmoniaj kaj fortaj kolornuancoj, bahanale dancantaj geŝoj, subita apero en la orkestro de fluto, ĉiuj tiuj elementoj admirinde kunefikas kaj la kontrasto al la jusa nokto pligrandigas la efekton dekoble. Tiu ĉi sceno estas la fino kaj la kulmino de la ĉerizdanco. La dancistinoj havas florbranĉon enmane kaj simbole ŝirante la florojn metas ilin en la hararon. Mi atendas subitan malleviĝon de la kurteno kaj finon sed ho! — surprizo: aperas vintra pejzaĝo kun neĝkapaj pinarboj. Kelkaj dancistinoj envenas kun pinbranĉeto surdorse kaj ludas kun malfaldita falbalo surkape. Paroj formiĝas, oni faras pozojn, fine forlasas la scenejon. Kaj nun denove subita ŝanĝo: aperas eĉ pli brila printempo ol la antaŭa, maldekstre staras budhisma sanktejo kun granda sonorilo apude, en la fono estas ruĝa lakumita ponteto, la suno brilas, la ĉerizarboj pompe floras. Oni aŭdas kanton kiu finiĝas per la vortoj tire-ŝire prononcataj: mi-a-kooo- ooo-dooo-riii . . .

Kaj nun, kara leganto, kvankam vi ne ricevis tute fidelan priskribon (ĉu entute tia estas ebla?) vi tamen eble konsoliĝos se mi flustros al vi, ke vi almenaŭ ŝparis la enirkoston, kiu estas sufiĉe alta. *J. Major*

(X.) GRANDA INDIGNO EN PARIZO PRO LA JUĜO DE LA GONCOURT-PREMIO. Pri la aljuĝo de la literaturaj premioj tuteŭrope estas konfuzo: ĉi tiun prognozon povis fari por si ĉiu, kiu observas la internacian literaturan vivon. La laboradon de la diversaj juĝkomitatoj oni rigardas ĉie kun kreskanta malkonfido, sed la silenta malkontento nun eksplodis la unuan fojon vaste aŭdeble. Temas pri la *Prix Goncourt*, por kiu konkursas ĉiujare amaso da libroj. Sed la nunjara defilado superis ĉiun ĝisnunan jaron kaj boninformitaj Parizaj rondoj scivole atentis: kiel solvos la komitato la preskaŭ superhoman taskon kaj kiel ellegos antaŭ la mallonga limtempo la materialon, kiu ampleksas tutan bibliotekon.

Sed la juĝkomitato solvis la neeblon kaj akurate por la fiksita tempo ĝi deklaris sian juĝon: la premion gajnis *Guy Mazeline*, per 640-paĝa romano, kies titolo estas: *La lupoj*. La juĝo faris surprizon, ĉar tiun ĉi jurnaliston oni konis efektive lertpluma homo en la redakcioj, sed neniu sciis pri tio, ke li havas altflugan literaturan ambicion kaj ke li volus akiri laŭron per verkista kariero. Kaj poste la surprizo pliiĝis, kiam oni ellegis lian libron.

La heroo estas certa *Sinjoro Jobourg*, kiu staras sola, forlasita kaj pelata en la mezo de l' homa societo. La edzino, infanoj, patrino kaj la tuta parencaro lin abomenas. Delikata familieto kaj oni subite ne scias, kiun pli envii? Ĉu Jobourg, kiun ĉiu abomenas, ĉu la familianojn, kiuj certe havas motivon por tiu ĉi stranga kaj unuanima abomeno.

Mazeline ja volas kredigi, ke lia heroo estas tute senkulpa en ĉio ĉi. Kompatinda, persekutata ŝafido, kiun dentogrince ĉirkaŭbaras la sangsoifaj lupoj. Kaj la kompatinda ŝafido rifuĝas el la familia rondo kaj trovas hejmon ĉe fremda virino. Nun oni kredas, ke la malagrablajoj finiĝis, — tute ne: la komplikiĝoj nur nun komenciĝas: ni ekscias pri la fremda virino, ke ŝi estas eksterleĝa filino de sinjoro Jobourg, pri kiu la patro dume jam tute forgesis kaj kiu maldronas ĝuste en la imageble plej maltaŭga momento el la mallumo de l' forgeso. Iom da tempo ja ankaŭ la malfeliĉa ŝafido ne scias, centron de kia komplikaĵo li venas; proksimume tra cent kvindek paĝoj daŭras la necerteco kaj fine ĉio malkovriĝas. La juna virino mortigas sin, pro la tragika okazaĵo la lupoj ree atakas kontraŭ Jobourg, kiu fine, ne havanta alian solvon, sin ĵetas en la maron.

Jen do tiu fama-famega ĉefverko, kiu ekiras nun jam, premiita per la *Prix Goncourt*, por konkeri la mondon. La konkera rondvojaĝo verŝajne finiĝos kun fiasko — kaj ne mirinde, ĉar centprocente taŭgas la malnova konstato pri tiu ĉi romano: kio en ĝi estas nova, tio ne estas bona — kaj kio bona, tio ne estas nova. La tragikan problemon de patro kaj eksterleĝa filino jam antaŭ longe kaj tre multfoje ellaboris artistoj multe pli grandaj, ol *Mazeline*, per nekompareble pli granda arto: ĉi tiu plenblovita, sensuka, longigita kiĉo certe ne estis necesa. Kaj estas nesolvebla enigmo, kiel ĝi ricevis, eĉ, literaturan premion.

En la literaturaj rondoj de Parizo laŭdire oni jam trovis la solvon. La netrarigardebla amaso de la ensenditaj libroj devigis la juĝkomitaton ĉi foje al nova taktiko. Ĉiun libron ili ja ne povis legi, ankaŭ maljustaj ili ne volis esti, do — laŭ la ĉikano — ili decidis ke *ili juĝos la premion aŭ al la plej maldika, aŭ al la plej dika romano*. La plimulto protektis la lastan solvon. Tiel almenaŭ pli malmultaj homoj rekonos la ruzaĵon: ja ne troviĝos tro multaj hero-animaj legantoj, kiuj sin traboros tra sescent-kvardekpaĝa volumo . . .

Eble nur la malico kolportas ĉi tiun historion. Sed kiu dubas, tiu legu ĉi tiun neĝueblan romankoloson. Oni povas konvinkiĝi, ke ne estis necesa tro multe da malico por elpensi ĉi tiun historion.

ŜALJAPIN. Kun rezignacio ni devas akcepti la sciigon, ke Ŝaljapin nun atingis sian sesdekan jaron. Jam eĉ ĝis nun li estis la miraklo de la naturo. Sed ankaŭ la miraklo havas limojn. — Trans la plej bela epoko de la fizika forto kaj fizika brilo de l' voĉo fariĝi Ŝaljapin konata por la mondo. Ĉar dum la granda part de la plej bonaj jaroj li estis okupita per ŝarĝoportad en la grandaj havenoj apud la Volga. Malpurajn ferde kojn li brospurigis kaj malpurajn ŝipoŝtupojn. Poste l provadis prosperi ĉe provincaj aktortrupoj, kiuj ja n kapablis rimarki lian aktoran forton, nek la valoron d lia voĉ-materio. — Ne multe antaŭ la milito fariĝi internacia la gloro de Ŝaljapin. Tre verŝajne li ekiris al l mondfamo el la operdomo de Monte Carlo. Ankaŭ ti li venis, vidis, venkis. Lia nomo venis apud la nomon d *Caruso*. Ili ambaŭ ne plu apartenis al la hierarĥio. »Ekste konkuro« ili estis — malproksime antaŭ la unua vico Ne sole la voĉo certigis la senekzemplan sukceson d Ŝaljapin. Li estas monumentala ankaŭ, kiam ĉe la fin de la unua akto de la *Boris Godunov* li trairas la scen ejon kun fermitaj lipoj. — Ne al sia historia rol povas danki la kompatinda *Boris Godunov*, ke eĉ hodiaŭ li vivas. Aŭ prefere: ke li reviviĝis el la longa forgeso Kaj eĉ ne al la iom tirata, iom monotona muziko d *Mussorgski*. Kaj malpleje al la tekstolibro. Ŝaljapin forĝi el tiu ĉi rusa tronpostulanto tian scenejan figuron, ki estas granda memoro por tuta homvivo. — Kaj kiom ajn multaj grandaj ilustrantoj okupis sin pri la romano d *Cervantes*: la plej perfekta ilustranto de *Don Quijot* estas tamen Ŝaljapin. — Kun karesa, modesta rideto l paŝas antaŭ la publikon. Lian atletan figuron tute ekvilibras tiu ĉi rideto. En liaj gestoj estas nenia »akcento.« Sed la gestoj estas tamen sugestiaj. Kaj statuece puraj malgraŭ la senpozeco. Ĉiam li estas neforgesebla, ĉu su koncertpordio, ĉu sur scenejo. Kaj apenaŭ havas signifon kiom perdis sonoron, forton, flugon — lia voĉo.

Foje, en iu sia koncerto li aldone prezentis la francan Marsejlezon. Li kantis ĝin tute mallaŭte. Ĉar jam d multaj jaroj *li ŝparas la voĉon*. Tamen tiu ĉi mallaŭta sol kanto efikis, kvazaŭ hurlus giganta orkestro, gigant ĥoro la francan revolucian himnon. Kaj tiel efikis ti ĉi himno, kvazaŭ tiam ĝi eksonus la unuan fojon. Kvazaŭ ĝis tiam nekonata kanto de nekonata muzikverkisto. L *Ej uhnem* estas la alia mirinda »peco« de Ŝaljapin. L kanto de la ŝiptrenistoj de la Volga. Ĝin tiel nenian ankoraŭ iu kantis. Ĝin tiel neniam plu iu kantos.

La grandioza fizika donaco de l' voĉmaterio kaj l perfekteco de l' kantkulturo nur duone klarigas la Ŝalja pin-fenomenon. La alia duono de la klarigo estas ti neperceptebla kaj nedifinebla io, kies nomo estas — individueco. Tiu ĉi individueco disvolviĝas nur, kiam l kantas. En la vivo li estas tre simpla homo. Kun simpla apetitoj, simplaj instinktoj. Li ŝatas noktumi — ĝis fru mateno. Kaj eble eĉ hodiaŭ li ne devus tiom gardi sia voĉon, se la ĝisatendo de l' mateno ĉe la blanka tabl ne estus fariĝinta lia kutimo. Li plurfoje geedziĝis ka ankaŭ eksteredzece li havas infanojn. Ĉi tiu grand Ŝaljapin-familio disĵetiĝis multloke en Eŭropo.

Li estas sincere, vere modesta. Kaj afable, interes komunikiĝema, kiam li parolas pri sia kariero. Kaj l ŝatas ĉi tiun temon. Kiel ankaŭ: kanti antaŭ mateniĝo Eĉ ne ŝparante la voĉon. Kiam tiel, senpage li kantas Ne sur la scenejo, ne sur la koncertpodio. Tiam rideta al li ankaŭ la okuloj. Ne nur la buŝo. Liaj ŝultroj esta larĝaj — por sakporto. Lia granda mano kuŝas masiv sur la tablo. Sed tiu ĉi masiva pezo kaj tiu ĉi mild rideto, la neimagebla naiveco de lia pensmaniero kaj in stinktoj faras kune eble tion, kion ni ja tamen deva nomi: pranaturo. Eble tamen nur el tia pra-naturo ĝerma tute elementaj efikoj . . . *K. B*

(X.) JOHN GALSWORTHY †. Li jam apenaŭ povi ĝoji pri la honoranta nimbo de la Nobel-premio. L granda distingo atingis lin malsana. Li jam ne povi vojaĝi al Stokholmo, por la solena transdono de l' premio La malforta korpo de la maljuna verkisto ne povis venk la morton.

Galsworthy estis vera angla verkisto kaj vera angl homo. Eminenta Londona patricia advokato estis lia patr

kaj li mem edukiĝis en *Harrow*, poste en *Oxford*, en la mezlernejo kaj universitato de la eminentaj angloj. Ankaŭ lia aspekto prezentis tipon de angla ĝentilhomo: alta staturo, maldika, ruĝa vizaĝo, arĝento-grizaj haroj, malvarm-rigardaj, bluaj okuloj, delikata rideto, mallaŭta, retenata parolo, kvazaŭ vera romanfiguro el iu Galsworthy-romano, — kvazaŭ vera angla grandburĝo. — La Nobel-premion Galsworthy ne ricevis tute glate. La komitato devis elekti inter *Gorkij* kaj *Galsworthy* kaj ĝi elektis Galsworthy, dirante ke Gorkij estas politike eksponita verkisto. La decido, kiu cetere ankaŭ ne malhavas politikajn konsiderojn, elvokis kompreneble la komparon de la verkistaj valoroj de Gorkij kaj Galsworthy. Ni ne faras ofendon kontraŭ la memoro de la mortinta verkisto per la simpla raporto, ke la rezulto de tiu ĉi komparo estis favora al Gorkij. Gorkij estas pli granda ol Galsworthy — sed ĉi tiu fakto propre neniom deprenas el la vera, porĉiama verkista valoro de Galsworthy. Li ne apartenis al la plej grandaj verkistoj de niaj tagoj — sed li estis eminenta verkisto, valora, puritana, nekompromisema artisto de la angla literaturo. Kiel la anglaj verkistoj, li estis *moralisto*. La rusaj kaj la anglaj verkistoj estas ĉiam moralistoj. La socia moralumado de la rusaj verkistoj estas profunda, amara, ĉion ĉirkaŭprenanta kaj plej ofte senhumura. Kaj tiu de la angloj: facila, aforismema, superema kaj ofte gaje moka. La angla moralista verkisto kritikas ordinare el unu vidpunkto la kulpojn de la socio. Tiu ĉi vidpunkto estas, ke la puritana angla burĝa moralo estas mensoga, la socia konvencio estas ege hipokrita, la angla ĝentilhomo propre ja tute ne estas tiel puritana, anime kaj vive tiel neriproĉebla, kaj eĉ ne tiel klarmensa, kia li ŝajnas unuamomente. Ĉi tio estas la baza tezo de la anglaj moralistaj verkistoj. Galsworthy havis sufiĉe da morala sendependeco por kritiki, eĉ ataki la propran medion, la propran klason. Li faris ĉi tion en ŝia sesvoluma *Forsyte*-eposo, kiu rakontas la vivon, evoluon kaj falon de angla grandburĝa familio, larĝhorizonte, kun akra figurado de karakteroj kaj multloke poezie. Tiu ĉi monumentale konstruita libro estas delikata, mallaŭt-voĉa, sed sufiĉe akra kritiko de la vivo, socia rolo kaj anima mondo de la anglaj supraj rondoj. Ankaŭ liaj ceteraj libroj, *Fraternity, Dark Flower, Justice, Escape, Silver Box, Loyalties* kaj *Windows* kritikas malvarme kaj tute mallaŭte, delikate, la moralon de la anglaj gvidantaj rondoj. La riproĉo, kiun faris hispana verkisto kontraŭ *Anatole France*, ke »li neniam scias indigni«, estas valida ankaŭ por John Galsworthy. Li ne apartenis al la grandaj akuzantoj kaj grandaj ribelantoj. Li ne serĉis novajn kaj ekscitajn dirmanierojn kaj formo-eblojn. Li ne estis malica kaj moke satirema, kiel *Bernard Shaw*, ne estis maltrankvilige genia kaj brile aroganta, kiel *Aldous Huxley*, ne estis sufoke kaj varmege Dioniza, kiel *D. H. Lawrence*, kaj ankaŭ ne grandstile profunda kaj konfuza, kiel *James Joyce*, sed li superas *H. G. Wells*, *Kipling* kaj multajn aliajn popularajn anglajn verkistojn. La imperio de lia direnhavo kaj esprimmaniero ne estis tro larĝa kaj vasta, sed inter siaj propraj spiritaj limoj li estis vera, valora verkisto. Li ne estis granda verkisto, sed bona verkisto, li ne estis aŭdaca verkisto, sed honesta verkisto. Liaj kreaĵoj ne estis etern-validaj, sed ankaŭ ne rapide pasemaj. Li estis preskaŭ granda verkisto — kaj ankaŭ tio jam multe signifas.

LA SENMORTA OFICIRSERVISTO. La 2-an de januaro estis la deka datreveno de la morto de Jaroslav *Hašek*, aŭtoro de »Švejk.« Dum tiuj ĉi dek jaroj »Švejk« fariĝis mondfama, oni tradukis ĝin en multajn lingvojn, faris ĝin teatraĵo, filmo — multaj homoj riĉiĝis per ĝi. Hašek mem vivis en la plej granda mizero kaj vendadis persone »Švejk«-on sur la strato. Li mortis june, en granda mizero kaj veršajne en *delirium tremens*.

Ĉiuokaze konsolas nin, ke jam post kelkaj jaroj de lia morto oni rekonis lian genion kaj tiun ĉefverkon, kiun li kreis. Ĉar »Švejk« estas ĉefverko. Se ni volas fiksi la lokon de Jaroslav *Hašek* en la Eŭropa literaturo, ni povas diri ke li estas rekta spirita posteulo de la grandaj latinaj humoristoj de l' Renesanco, unuavice de *Rabelais* kaj *Cervantes*. Lia humura romano estas la plej brila satiro de l' mondmilito. Sed ne nur mem pri la milito kaj pri la elmodiĝinta militismo li ridas per laŭtege sana kaj neniige superema ridaĉo (tiu ĉi vorto ne estas forta koncerne la »Švejk«), sed pri ĉia homa stulto, pri ĉia aplomba pozo, pri ĉia falsa patoso. Švejk, la sentaŭgulo, ruze malsaĝa, fripona, ĉeĥa oficirservisto estas preskaŭ tia neforgesebla figuro, kia estas Sancho Panza de *Cervantes*. Ankaŭ li estas Sancho Panza: la Sancho Panza de freneza, Don Quijote-iĝinta epoko, la enkorpiĝinta malheroo kaj malmartiro. Kvazaŭ gloriĝas en li la sobra kaj impertinenta »kampula menso«, kiu travidas ĉiun patoson kaj mensogon, kaj kun netrompebla insstinkto li vidas malantaŭ ĉio la stulton, la blagon kaj la malicon. Li vivas en malmorala kaj freneza mondo: kaj ankaŭ li mem laboras per la armiloj de malmoralo kaj stulto kontraŭ tiu ĉi mondo. Lia stulto estas nur ŝajnigita kaj ankaŭ lia senmoraleco. Propre Švejk estas morala estaĵo, ĉar li trompas kaj primokas la organizitan malmoralon. Hašek laboras per la metodoj de la grandaj eposoj kaj grandaj klasikaj humoreskoj. La ĉefagon akompanas multaj bongustaj anekdotoj kaj — ĝuste kiel ĉe liaj grandaj antaŭuloj — ankaŭ ĉe li ni renkontas la obscenajn scenojn kaj situaciojn. Ĉion li diras, ĉion li skribas, tamen li ne estas ofenda kaj kruda. Eĉ: per la senpereco, arda sincereco li estas rekte rava. En la perspektivo de dek jaroj ni povas konstati, ke »Švejk«, la stulte rikananta, sagace artifika kaj dikventra oficirservisto per siaj anaspaŝoj jam eniris la senmortecon.

*K. B.*

(X.) STANISLAVSKIJ ESTAS SEPDEKJARA. La rusa artista mondo antaŭ nelonge festis Stanislavskij, la grandan reĝisoron, la direktoron de la Gorkij-teatro en Moskvo, kiu nun atingis sian sepdekan jaron. Stanislavskij ne estas membro de la komunista partio. La genio de tiu ĉi reĝisoro estas la trezoro kaj fekundiga fonto de la sceneja arto de l' tuta mondo. Multege lernis de li la reĝisoroj en meza kaj okcidenta Eŭropo kaj ankaŭ la pli novaj rusoj. Stanislavskij ne konas scenejartismajn dogmojn, neniam li sekvas rigide certan direkton. Li havas unu principon: profundiĝi en la stilon de l' teatraĵo, serĉi kaj trovi la spiriton de l' aŭtoro, la esencon de lia direndo kaj ĉi tion revivigi plej perfekte sur la scenejo. Ĉiu Stanislavskij-prezentado estas la rezulto de grandega esplora laboro kaj profunda studo. Tiu ĉi nedireble larĝgama artisto trovas ĉiam kun certa sento la veran spiriton de l' teatraĵo, veninta en lian manon, ĉu li prezentas grekan tragedion, aŭ revolucian »Epok-pecon«. Sur la scenejo de Stanislavkij ne estas »helpaktoroj.« Ĉe li ricevas apartan substrekon eĉ la plej malgranda epizodisto. Li preferas la perfektan ensemblon al la stelkulto. Preskaŭ ĉiu lernis de li, li efikis fekundige al ĉiu hodiaŭa scenejarta direkto kaj lia laboro evoluigis per grandaj etapoj la scenejan kulturon de l' tuta mondo.

SÁNDOR NAGY. La artista individuo de Sándor Nagy estas izolita fenomeno en la mondo de la hungara arto. Ne nur en tiu senco, ke li estas individuo diferencanta de ĉiu alia artista individuo, sed ankaŭ en liaj artistaj celfiksoj kaj precipe en tiu vidpunkto, ke kontraŭ la plej granda parto de niaj artistoj li ne opinias la principon de la »arto por arto« la plej ĉefa movforto, liajn laborojn ne gvidas la artista memceleco, sed per la artaj kreaĵoj li havas celojn transirantajn la limojn de l' arto. Mallonge: Sándor Nagy estas artisto ne por la arto, sed por la homo, li laboras por la animo de l' homo.

Lin tre karakterizas parto de letero skribita de li al iu lia amiko: »...Kaj kiam je la atentigo de barono *Mednyánszky* mi vizitadis kun mia sveda kolego *Wilhelmson* la malgrandan butikon de *Rose-Croix*, por suĉi en nin teozofion kaj simbolismajn teoriojn el la lernejo *Paul-Aveni*, same tiam mi vizitis la lernejo de *Jules Lefebre* kaj *Toni Robert-Fleury*, kie iu adoris la linion, la alia la kolorvaloron. La unu estis franca rafaelisto en bougreaŭa

senco, la alia estis klar-obskuristo kun gusto »plenaera«. Tiu *Julian*-lernejo, kie ili korektis, en la *Rue Fontaine*, svarmis de la plej diversmaniere vidantaj junuloj. Tie estis *Dechneaux*, li pentris per la maniero de *Velasquez*, tie estis la Vienanoj ĉion blue pentrantaj, kiuj vidis la kobaltbluajn ombrojn de l' ĉielo en la malpura lumigo de l' ateliero. Foje *Robert Fleury* eĉ demandis ilin: »Ĉu tiel vi vidas ĝin, sinjoroj? Vi ja estas vere feliĉaj...«

Jen la drama bildo, kiun Sándor Nagy pentras per realaj koloroj pri la arta stato de la Naŭdekaj jaroj, kiu preskaŭ estas kopio de la nunaj tempoj. El tiu ĉi surdiga bruo, se plaĉas, koncerto, en kiu ĉiuj instrumentoj ludis per unu fojo, sed sendepende unu de la alia, meze de la ĉielskua aplaŭdo kaj la eterotremiga fajfosono elsonoris per ĉiam pli komprenebla celofikso la melodia motivo de la arto de Sándor Nagy. Li ne klopodis ellerni la modojn kaj li ne dronis en la kopiado de la majstroj. Vere ja, ke li lernis kaj eĉ hodiaŭ eminente uzas la ilojn de sia metio. Kaj lia celo ne estas mem la artista kreo, ĉar li vidas ilo ankaŭ la artistan kreon. Ilo de la pli alta idealo, por la nobligo kaj feliĉigo de la homa animo. Ĉi tio klarigas, ke li neniam timas ke lia bildo havas literaturan enhavon. Al sia formoriĉeco kaj brila kolorvido li povis danki tiun certecon, kiun nur malmultaj artistoj povas permesi al si, kiam tiel aŭdace li substrekas la idean tendencon en siaj pentraĵoj. Lia fama bildo: »Majstro, kie vi loĝas?«, la longa vico de liaj freskoj kaj koloraj vitroj, samkiel liaj klasikaj ilustraĵoj, brile pravigas tiun nian tezon, ke la artisto povas rompi sen ia ajn pli granda danĝero tiun doktrinon de la »arto por arto«, kiu malpermesas la literaturan enhavon. Sed la artisto bezonas la fantazion kaj talenton de Sándor Nagy, por ne fali en la platecon de l' genro.

*N. Gy.*

# NOVAJ LIBROJ

WÖRTERBUCH DEUTSCH-ESPERANTO. 184 pĝ. Formato: 19×12; 14—16-a milo. Prezo: 1,20 mkg. Esperanto-Germana Vortaro. 48 pĝ. Formato: 19×12. 19—21-a milo. Prezo: 0,30 mkg.

Ambaŭ verkis dr. Emil Pfeffer, eldonis Steyrermühl Verlag, Wien. Post Elĉerpiĝo nova preso. Ilia uzeblecon kaj bonecon pruvas la alta eldonkvanto.

LA KODO DE KRONPRINCO SOOTOKU, tradukita de Cima Takaiŝi. Eldono de Japana Budhana Ligo Esperantista. Kioto, Japanujo. 24 pĝ. Prezo 2 respon-kuponoj. Konatiga broŝuro pri moralaj leĝoj verkitaj de disĉiplo de Budhaismo en japana kaj esperanta lingvoj.

MANIFESTE DES ANATIONALISTES (Manifesto de Sennaciistoj). 42 pĝ. Prezo: 2 fr. Eldonis Editions Anationalistes, Paris. Franclingva eldono de la konata broŝuro.

LA INFANARO. Internacia Organo por Infaneduk-ado. Eldonis Internacional School Childrem's Association, 34 Niŝi Gokenĉoo, Uhigome, Tokio. Prezo: jare 3 jenoj. 60 pĝ. Formato: 22×15. Interesa infaneduka revuo en esperanta kaj japana lingvoj. Cetere ni trovis en ĝi »Knaba Kanto gratulanta la fondiĝon de Manĝurio.« Ni ne scias kiomparte ĝi subtenas la pacajn celojn de la revuo.

ED. STETTLER: RAPORTO PRI LA ORGANIZO INTERNACIA ESPERANTISTA. Eld. Svisa Esperanto Societo. Interesa Konatigo de la vidpunkto de la prezidanto de U. E. A. pri la organiza problemo, kiu nun fariĝis tiom akre aktuala. Ni esperu, ke ĝi helpos al la



Kodak-foto *Printempo.*

vera kaj fina solvo de la malpaco, nun reganta je la grava danĝero de nia movado.

A. MAZZOLINI: EKZERCILO POR SUPERA PRAKTIKO. Kurso de Esp. (2-a eldono. Prezo 3 it. 1. 70 pĝ.) kaj Helpilo Al Ekzercilo. (40 pĝ. prezo 2 it. 1.) Eldonis A. Paolet, S. Vito Al Tagliamento. La verketo (ĉar la du libroj formas unu verkon), estas fundamente farita lernolibro. Laŭspece ĝi estas analiza verko, kies ekirpunkton donas prozaj aŭ poeziaj legajoj. Tiuj legajoj estas tute detale pritraktitaj kaj tiu ĉi detaleco — s-ro Mazzolini havas mikroskop-okulojn — tute superfluigas la gramatikan sistemecon. La aŭtoro ne deziras karesi la lernanton, male li strečas la kapablon ĝis ebla limo; lia devizo estas kredeble: kvaliton kaj ne kvanton. Tiu metodo ne produktas grandan statistikan nombron, sed certe lingvosciantojn. De mia parto: mi vidas mezvojon inter la devizoj.

Mi povas nur aprobi la instruadon pere de facilaj poemoj, sed inter la poemoj mi trovis la tradukajon de nia majstro: »En nord' unu pino« (Heine) »Saepe et magnus Homerus dormitat« diras la latina proverbo kaj vere tiu ĉi tradukajo estis kreita dum la maloftaj »dormetaj« momentoj de nia granda Majstro, krome: en ĝi dufoje estas uzata la vorto unu, kiel artikolo, kiu povas erarigi la komencantojn.

Kaj fine, mi petas vin, kara kaj faksperta s-ano Mazzolini, promesu al mi, ke el la »baldaŭa (certe) tria eldono vi forlasos la teruran vortomonstron »muzikistaretaĉo«, ĉar en mala okazo mi ne povus konservi pri vi tiun bonan opinion, kies bazo estas inter aliaj verkoj viaj, la nun konigitaj libroj.

*F. Szilágyi*

# NIA POŜTO

*S-ro Bouvier, Poix.* Dankon por via letero. Pri via propono bnv. pripensi, ke antaŭmilite ne ekzistis internaciaj gazetoj, dediĉitaj ekskluzive al la movado, kiel la nunaj ESPERANTO kaj HEROLDO. Tial ni ne intencas doni kelkajn rubrikojn, kiujn havis la Revuo.

*S-ro Guterman Plock.* Via abono ricevita. Bedaŭrinde ni ne kuraĝas ankoraŭ pripensi la eldonon de tiu verkego. Pri manuskriptoj pripensu, ke ni ne povas presi ion sinsekve de *sama* aŭtoro. La Nomberg-noveloj do estos presataj, ser nur post longa interspaco. La Olgin-novelon ni ne presos verŝajne. De aliaj verkistoj vi povas sendi novelojn. Salutojn.

*S-ro Banham, Melbourne.* Ĉio do en ordo. Sonoj kaj Signifo jam kompostita kaj eventuale presata en la nuna numero. Salutojn de Bleier kaj Totsche.

*S-ro Jandik Uzhorod.* Bnv. atenti, ke post la apero de la ĉehoslovaka nro dum iom da tempo ni devas maloftigi la aperigon el ĉeha lit., kiel ankaŭ ĉe aliaj naciaj numeroj. Post kelkaj monatoj ni denove plioftigos. Himnon ni principe ne represas.

## Pri manuskriptoj ricevitaj

POEMOJ.

*Hajavata.* La traduko estas bona kaj tre facilflua. Sed ni devas heziti pri ĝia publikigo, pro la trolongeco, kiu, ĉar temas pri versoj, timigas la plejmulton de la legantoj. Krome, ne forgesu, ke nia amplekso estas tre limita. Eble en pli bonaj tempoj. Sed pri via vesrfara kapablo ni ĝoje vin gratulas.

*La stranga legendo gentila.* Ne koleru, al ni ŝajnas, ke tiu bela vervo, kiu plurfoje tiel imprese kaj efekte ekfrapas sur viaj kordoj, ĉi tie estas vane malŝparita al temo al ĝi neinda. Krome, mi emfaze krius al ĉiuj Esperantaj poetoj: lasu trankvilaj la amfibrakojn: ilia monotona, senĉesa, obstina, senindulga ondado dronigas eĉ la plej belajn ideojn en retimiga marĉo.

*Kiu povas.* Nenio nova en temo, nenio nova en formo.

*Wilde: Reading Goal.* Proze traduki ĝin signifas ĝin fuŝi eĉ malgraŭ la plej perfekta interpreto. La trioblaj rimoj, kun sia senindulga refrapo, tie ne estas supraj ornamoj, sed same esencaj, kiel la enhavo.

*Gautier: Ŝtiparoj kaj tomboj.* Ke vi juĝis vian propran tradukon inda al publikigo, tion oni povas klarigi nur per tio, ke dum ĝia lego resonis en vi la originalo. Bonvolu provi ĝin tute forgesi, poste legu la tradukon, vi vidas, ke ĝi estas io senvalora kaj apenaŭ komprenebla. Tamen, via rimtrova preteco montras kapablojn, kiujn, kun pli zorga laboro, vi eble povos pli bone utiligi.

*Gralkanto de Wagner:* forme malbona, enhave ne fidela.

*Libert.* En viaj poemoj certe montriĝas poeta talento. Ia granda senpereco fluas el la versoj kaj vi havas ankaŭ bonajn ideojn. Se vi iom ankoraŭ fajlos la formon kaj atentos precipe pri la finoj, ke ili ne falu, vi certe produktos ankoraŭ multon valoran. Por respondi pri la temoj de viaj versoj, mi diras kun Ady: »Nenie estas granda gaj' la vivo«. Unu aŭ du el viaj poemoj eble ni presos.

*Unua pluvo.* Tre griza.

*Sen estonteco. La resaniĝo.* El la du senditaj poemoj apenaŭ oni povas pri juĝi viajn kapablojn. Ili estas la kutimaj plendaj kaj amaj strofoj kaj nenio en ili malkaŝas specialan individuecon. Eble se vi sendus ĉiujn viajn poemojn, ni povus el ili elekti kelkajn valorajn pecojn.

*Nomberg:* Ho ve kaj hahaha. Nesukcesa traduko, el kiu oni vere ne povas konkludi pri ia ajn valoro de la originalo.

*Folietoj el Biblio.* Senefekte esprimita ideo. Tro longa por sia temo.

*Al la paska viktimo.* Ni ne scias kaŭzojn kial ĝin publiki.

*Mia vojo. Lando fantazia.* Granda formarto, kun kiu strange kontrastas la malnovo de ideoj kaj de esprimmaniero. Post la lego de l' versoj restas en la memoro nur la resono de l' rimmartelado, nenio pli.

*Eksonu tamburino.* Kun kelkaj korektoj eble ĝi aperos.

*En printempo bela.* Kuraĝon! Sed ĉi tion ankoraŭ ne deziru vidi presita.

*Averto. Vivlaciĝo.* (Egiptajoj.) Ĉe la unua oni sentas ian senformecon. Iel oni devus ĝin pli strikte forĝi. La dua verŝajne aperos.

*Kanto pri feliĉo.* Ĝi aperos, se ni sukcesos ĝin kombi.

*Nezval: Telefonoj.* Aperos.

*Rondetoj de Mevo.* Tri aperos.

*La viktimo.* Aperos.

*Grip grip hura.* Bedaŭrinde, ĉar nia februara numero ne aperis aparte ĝi malaktualiĝis. Ni ĝin zorge konservos ĝis la sekva epidemio.

*Figuretoj.* Tro aera kaj tro Verlaine-a, tro facila versludo.

*Ĉe Nilo.* Ne koleru, malgraŭ la bela formarto de l' traduko, ĝi ŝajnas al ni ne tro valora. Eble la originalo havas tiajn kvalitojn, kiuj ne estas redoneblaj en traduko.

PROZO.

*Iksiono en la ĉielo.* Tre bona traduko. Tamen, ĝin publikigi ŝajnas al ni nekonsilinde. Niaj legantoj, kiel ni tion vidis el ilia voĉdonado, apenaŭ havas nuntempe tian intereson al mondforaj mitologiaj rakontoj, ke ni povus tian liveri al ili en tiel granda amplekso (la rakonto ampleksus pli ol ok paĝojn). Se vi deziras, ni resendos ĝin al vi farante en ĝi ankaŭ kelkajn korektojn. Se vi tradukis ion pli modernan laŭ temo kaj aludo, ni estus ĝojaj ĝin vidante.

*Insuloj de kariatidoj.* La novelo kaj ĝia traduko plaĉas al ni, kaj ni eble publikigos ĝin. Sed vi devas havi iom da pacienco, ĉar ne estas facile loki en la revuo tiel pezatmosferan kaj tiel longan novelon.

*Rimarkoj de laiko.* La tono de via artikolo estas malplaĉa. Ĝi ne argumentas, ĝi ofendas. Kun ĝi oni ne povas diskuti, ĉar ĝi tiel lerte evitas ĉiun faktan aserton, ke oni ĝin ne povas kapti por refuto, kaj la respondo, kiun la ofenditoj devus al ĝi doni, pro tio vole-nevole estus kverelo ne inda al nia revuo.

*Marionetoj en Japanujo.* Aperos.

*Amo sur la kvina etaĝo.* Aperos, verŝajne baldaŭ, sed daton ni ne povas garantii.

*Sro Boucon.* La spritajoj kaj anekdotoj estas plejparte plaĉaj, sed provizore ni ne publikigas tiajn aferojn.

*Pri iu, kiu ekiris serĉi la Veron.* Aperos post kelkaj glatigoj. *La sorĉospegulo* estas multe malpli bona.

*Suntempa pola muziko.* Tro longa ankaŭ en sia mallongigita formo. Krome per la mallongigo ĝi fariĝis kelkloke seka akumulo de faktoj, ni ne povas ĝin publikigi.

*Teatro de la masoj.* Aperos.

*En preĝeja angulo.* Tia speco de poemo en prozo estas nur tre ŝpare dozebla en la revuo. Ni ne publikigos ĝin.

*La plumo.* Bonvolu rezigni pri la publikigo. Nek la ideo estas tiel nova, nek la ellaboro tiel frapanta, ke ili ĝin dezirindigus.

*Nordkap.* Aperos. *La nigraharan viron* bedaŭrinde ni ne povas uzi.

## ANONCETOJ

MI SERĈAS TRADUKANTOJN en la regionoj, en kiuj oni legas ĉi tiun gazeton.

Ili devas:

1. esti kapablaj, bonstile kaj elegante traduki artikolojn verkitajn en Esperanto en sian nacian lingvon;

2. havi bonajn interrilatojn al gravaj gazetoj (ĉiutagaj aŭ periodaj) de sia lando, por instigi ilin al publikigo de artikoloj, kiuj rilatas ekonomiajn, industriajn kaj komercajn aferojn kaj estos laŭ sia enhavo valoraj kaj de publika intereso.

Tiuj samideanoj, kiuj estos pretaj, labori kun mi (por entrepreno cetere ankaŭ valora por nia Esperantopropagando), estas petataj, skribi al mi tre baldaŭ sian adreson, por ke mi povu informi ilin pri sia laborplano, kaj por ke ni povu interrilati pri la reciprokaj kondiĉoj.

Kun samideana saluto

*Prof. Dr. Dietterle,* Leipzig, Beethovenstr. 19.

ESPERANTO CENTRO ITALA aranĝas »Esperanto Paskon« la 16—23-an de aprilo en Roma, Genova, Milano. Eksterordinaraj favoroj helpas ĉies partoprenon. Interesantoj sin turnu al Esperanto Centro Itala, Milano, Galleria Vitt. Emm. 92.

2-a BULTENO de la Loka Kongresa Komitato de la 25-a Universala Kongreso sciigas pri la sciigendaĵoj por kongresanoj. Interesantoj sin turnu al Loka Kongresa Komitato de la 25-a U. K. Köln, Trajanstr. 25.

EN LA JARA ĜENERALA KUNVENO de akciuloj de Centra Esperanto Librejo en Hago (Nederlando), la dividendo pri 1932 estis fiksata je $6^1/_2$% (antaŭan jaron 7%). Kiel komisaro estis elektita S-ro N. de Boer.

Konforme al la statuto la kunveno decidis donaci 65, 23 guldenojn al la Internacia centra komitato de la Esperanto-Movado en Geneve.

KATOLIKA INFORMEJO INTERNACIA. Ne katolikoj, kiuj deziras informojn pri l' katolika kredo, povos senpage ricevi ilin pere de l' korespondanto H. Paruzel, Kolegio de P. P. Oblatoj en Lubliniec, Silezio, Polujo. kaj M. Goossens, Nobelstr. 10, Brielle, Nederlando. Prefere perletere.

M. GOOSSENS sciigas al la informpetintoj, ke li respondis ĉiujn, escepte Sovetion kien la cenzuro ne enlasas la katolikan literaturon.

LYONA FOIRO LA 9—19-an de marto 1933. Propagandbroŝuro eldonita de la Foir-Komitato de Lyon.

LA LANGUE INTERNATIONALE. Eld. Belga Esperanto Instituto, Antwerpeno, 11 rue du Petit Chien. Paĝ. 32. Esperanta Originalo kaj franclingva traduko (tradukis: Maur Jaumotte) el la Fundamenta Krestomatio, klarigante la esencon kaj ideon de lingvo internacia.

MI ŜATUS KORESPONDADI kun zurzenoj, vetjakoj, ĉeremisoj, mordvinoj, lappoj, voguloj, ostjákoj, samojedoj, mongoloj, mandsukoj, tunguzoj, kaj aliaj finn-ugor-aj kaj ural-altajaj popoloj, pri la parenceco kaj plue kun kiu ajn pri la turismo, stenografio, cigana kaj aliaj lingvoj kaj fervojaj kaj fremdultrafika movado.

APERIS LA REVUO POR ETNOGRAFIO, folk'oroturismo kaj fremdultrafiko kun mondtrafiko. Interesiĝantoj skribu al redaktoro Toedoro Kovács, Rákosszentmihály, Hungarlando.

FOIRO DE PARIS 13—29 DE MAJO. Propagandfolio eldonita de komitato de la Foiro de Paris 23 rue Notre-Dame-des-Victoires, Paris.

CALLENDER ATHLETICE SOCIAL CLUB. La kluba jurnalo de la kaplo-fabriko Callender. Ĝi enhavas esperanto-rubrikon redaktatan de s-ano Avoto. Pro kio ni gratulas la redaktorojn de l' gazeto, kiuj rekonante la gravecon de l' esperanto, cedis lokon en ilia bonega kluba jurnalo.

GVIDLIBRO TRA ĈSL. FERVOJAJ LINIOJ priskribo de 10 ĉefaj linioj, gvidantaj de la limo kun 11 geogr. kartoj kaj 140 bildoj. Eldonis Ĉehoslovaka ministerio fervoja. Samideanoj loĝantaj unualoke en najbaraj landoj, povas per letero peti senpagan alsendon ĉe: Ministerstvo zeleznic, Praga.

GLUMARKOJ DE LA XIII. KONGRESO DE SAT. Eldonitaj kaj riceveblaj de la Loka Kongresa Komitato, Stockholm.

## POŜTO DE LA ENCIKLOPEDIO

*Al ĉiuj niaj kunlaborantoj.* Multaj naciaj lingvoj havas literojn, kiuj ne troviĝas en la plimulto de la lingvoj, ekz. la dana havas nerekte trastrekitan o literon, la portugala n literon kun ondforma supersigno. Tiujn kaj similajn literformojn kompostmaŝino de nia presejo ne povas komposti, do ni petas niajn kunlaborantojn, ke anstataŭu tiujn kaj similajn literformojn per la parencaj literformoj, kiujn posedas nia kompostmaŝino. Krom la literoj de la esperanta aboco nia presejo havas ankaŭ la literojn á, ä, é, ö, q, ü, w, x, y, — do en propraj nomoj aŭ en citajoj ni povas uzi ankaŭ la menciitajn literformojn, sed aliajn ne. Ni mencias ankoraŭ, ke nia presejo ne posedas ankaŭ tiujn formojn, kiujn havas la fonetika scienco, por precize signi la vokalojn kaj konsonantojn, do ni ne uzu ilin, nek en la montro de la elparolo de familiaj nomoj, nek alie, ni montru la elparolon per Esperantaj literoj. — *S-ino Isbrücker, Hage.* Dankon por la historio de la Cseh-metodaj kursoj, sed ni bezonas pli longan artikolon kaj skribos al vi post ne longe. — *S-ro Jungfer, Lübben.* Ni atendas vian respondon. — *S-ro Butler, London.* Dankon por la kompletigoj! — *S-roj Arnessen, Oslo; Nylén, Stockholm; Azorin, Cordoba; Mc. Cormick, Dublin; Kawasaki, Osaka; Behrendt, Berlin; Puhalo, Zagreb; Indra, Riga; Schoofs, Antwerpen.* Post kelkaj monatoj ĉio devas esti transdonita al la presisto, kaj antaŭe ankaŭ la redaktoroj kaj la reviziantaj kunlaborantoj devas zorge trarigardi la artikolojn. Sekve de tio bonvolu kiel eble plej baldaŭ fini viajn laborojn kaj sendi viajn manuskriptojn. — *Rumana Esperanto-Societo.* Ni aranĝis ĉion laŭ viaj deziroj, sed estas necese ne transpaŝi la limdaton. — *S-ro Krestanof, Sofia.* Multan dankon por via kunlaboro! — *S-ro Domingues, Rio de Janeiro.* Dankon por la tre interesa artikolo kaj biografietoj! Ni atendas ankaŭ vian leteron. — *S-roj Bastien, Paris; Waringhien, Lille.* Kiel progresas via laboro? Bonvolu baldaŭ respondi.

### Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Delico:* delikata ĝuo. *Jeleo:* gelatenforma manĝaĵo. *Lanta:* malrapida. *Mamaligo:* rumana polento (maizaĵo). *Rezidi:* loksidi. *Situi:* havi situacion.

*Artemizio, kriptomerio, persimono* ktp. estas specialaj vegetaĵoj.

## Al la hodiaŭa numero

ni aldonas la unuan numeron de Bibliografia Gazeto, tiel, ke niaj ŝatataj abonantoj ricevas entute. 40+4 LM paĝojn, kiel duoblan numeron. La sekvonta nro de BG. estos aldonata al la maja numero sur 24 paĝoj, dume LM. mem aperos sur 12+4, tiel farante kune 26 paĝojn. Ni volonte aŭdos viajn rimarkojn pri BG.

## Pagantoj al ni

bonvolu atenti, ke nian germanan poŝtĉekkonton de post nun rajtas uzi nur niaj germanaj klientoj. Ĉiuj aliaj uzu afable la polan pŝtĉekkonton kaj ĝiajn numerojn.

## Restis por ni

el iuj numeroj de la gazeto tre multaj ekzempleroj. Ilin ni volonte dissendas varbcele al niaj abonantoj kiuj sendas por la ekspedkostoj egalvaloron de 0.20 svisaj frankoj por unu ekzemplero. La pagon ni akceptas per niaj ĉekenpagiloj, per respondkartoj aŭ poŝtaj respond-kuponoj (du ekz.) aŭ UEA kuponoj en nomvaloro. Ĉe mendo de minimume 10 ekzempleroj sendu 20% malpli.

## DU NOVAJ LIBROJ

IVAN MAŽURANIĈ

**LA MORTO DE SMAIL AGA ĈENGEJIĈ**

Heroa eposo kroata, tradukita de

MAVRO ŜPICER

La perlo de la kroata literaturo

Sur 76 paĝoj, kun ses tutpaĝaj ilustraĵoj, sur senligna papero, bele bindita, afrankite svisaj frankoj 3.—

Eldonis **La Suda Stelo,** Slavonski Brod, Jugoslavio

CARLO GOLDONI

**KURIOZA OKAZAĴO**

Triakta komedio

El la itala tradukis

**MEVO**

**64 paĝa, kun tri ilustraĵoj. Prezo sv. fr. 1.50 + 10%**

Eldonis

**Esperanto-Centro Itala**

Milano, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.

**Ambaŭ haveblaj ĉe Literatura Mondo, Budapest**

## Oomoto Internacia

aperas nun sur 32 grandformataj paĝoj. Konstantaj kolonoj pri Japanujo, Vojaĝoj, Literaturo, Filozofio. Senpartiaj, detalaj recenzoj, belaj ilustraĵoj! Ne prokrastu, sed petu tuj senpagan specimenon al la eldonejo

Kameoka, Kioto-hu, Japanujo

## Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝon Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton »Esperanto«, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan ol la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős